*Dua periodo*
*SEPA JARO*
*N-ro 1. 1937.*

# LITERATURA MONDO

## *El la enhavo:*



Redakcio kaj administracio: Hungarujo, Budapest, IX., Soroksári-str. 38

APERAS SESFOJE DUM LA JARO

**Averto:** Manuskriptojn la redakcio ne redonas. La rajton, fari en ĉiu ensendita manuskripto stilajn korektojn la redakcio rezervas por si, se la verkinto aŭ tradukinto anticipe ne protestas.

La redakcio akceptas nur unuflanke maŝinskribitajn artikolojn kun sufiĉe larĝaj marĝeno kaj liniaj interspacoj. Escepte tamen estas akceptataj manuskriptoj kun *desegnitaj* aŭ tre klare skribitaj literoj.

## *Novaj prezoj!*
### *Aliaj prezoj en la katalogo estas malvalidaj!*

| | | bind. | broŝ. |
|---|---|---|---|
| **Julio Baghy:** Dancu Marionetoj | | 0.56 | 0.40 |
| **Julio Baghy:** Viktimoj | | 1.04 | 0.84 |
| **Julio Baghy:** Hura!, tolbind. 2.40 | | 2.30 | 2.— |
| **Julio Baghy:** Preter la Vivo | | 0.72 | 0.50 |
| **Julio Baghy:** Pilgrimo | | 0.70 | 0.50 |
| **Julio Baghy:** Sur Sanga Tero | | 1.70 | 1.32 |
| **Julio Baghy:** Verdaj Donkiĥotoj | | 1.— | 0.70 |
| **K. Kalocsay:** Lingvo, Stilo, Formo | | 0.70 | 0.34 |
| **K. Kalocsay:** Streĉita Kordo | | 1.06 | 0.80 |
| **K. Kalocsay:** Rimportretoj | | 0.44 | 0.27 |
| **K. Kalocsay:** Eterna Bukedo, duontole 2.30 | | 2.— | 1.65 |
| **K. Kalocsay—Madách:** Tragedio de l' Homo | simpla | 1.— | 0.66 |
| | luksa | 1.20 | 0.84 |
| **K. Kalocsay—Goethe:** Romaj Elegioj kaj La Taglibro | | 0.70 | 0.50 |
| **K. Kalocsay—Dante:** Infero | | 1.90 | 1.60 |
| **K. Kalocsay—Hekler:** Arthistorio I. | | 2.25 | 2.— |
| **K. Kalocsay—Mussolini:** Vivo de Arnaldo | luksa | 0.84 | 0.50 |
| | simpla | 0.66 | 0.40 |
| **K. Kalocsay—Waringhien:** Parnasa Gvidlibro | | 0.90 | 0.65 |
| **K. Kalocsay—Waringhien:** Plena Gramatiko de Esperanto | simpla | 2.34 | 2.— |
| | luksa | 2.65 | |
| **K. Kalocsay:** Hungara Antologio | | 2.60 | 2.30 |
| **Bleier—Kökény—Sirjaev:** Enciklopedio de Esperanto, vol. I—II., ilustrita | | 6.80 | 6.— |
| Enciklopedio de Esperanto, en unu volumo, neilustrita | | 4.— | |
| **Asch—Lejzerowicz:** La Sorĉistino el Kastilio | | 0.90 | 0.66 |
| **Grenkamp—Brzekowski:** Pri l' Moderna Arto | | 0.66 | |
| **J. Forge:** Mr. Tot aĉetas mil okulojn | | 1.06 | 0.84 |
| **F. Szilágyi:** Trans la Fabeloceano | | 0.90 | 0.66 |
| **F. Szilágyi:** Poemaro el Hungarlando | | | 0.34 |
| **F. Szilágyi:** La Simpla Esperanto | | | 0.34 |
| **F. Szilágyi—Genthon:** La pentroarto en la malnova Hungarujo | | 3.— | 2.— |
| **Totsche:** De Paĝo al Paĝo | | 0.80 | 0.60 |
| **Totsche:** Dekdu poetoj | simpla | 0.84 | 0.50 |
| | luksa | 1.— | 0.60 |
| **Totsche—Karinthy:** Vojaĝo en Faremidon | | | 0.24 |
| **St. Engholm:** Homoj sur la Tero | | 1.— | 0.72 |
| **St. Engholm:** Infanoj en Torento | | 0.60 | 0.40 |
| **Hans Weinhengst:** Tur Strato 4 | | 1.— | 0.72 |
| **E. Aisberg:** Fine mi komprenas la radion | | 1.20 | 0.92 |
| **K. R. C. Sturmer:** El la Notlibro de Praktika Esperantisto | | 0.70 | 0.50 |
| **Kikuĉi—Simomura:** Amo de Toojuuroo | | | 0.24 |
| **T. Herzl—B. Selzer:** La Juda Ŝtato | | 0.84 | 0.60 |
| **Slonimsky—Grenkamp:** Mia vojaĝo en Sovetio | | 0.72 | 0.50 |
| **Jelušić—Rotkvić:** Cezaro | | 2.05 | 1.80 |
| **Adamson:** Auli | | 0.56 | 0.34 |
| **Kamaryt—Ginz:** Ĉeĥoslovaka Antologio | | 2.60 | 2.30 |
| **E. Privat:** Interpopola Konduto | simpla | 0.86 | 0.60 |
| | luksa | 1.20 | |
| **Jerome—Badash:** Tri Homoj en Boato | simpla | 1.20 | 0.92 |
| | luksa | 1.50 | |
| **Munthe—Weleminsky:** Romano de San Michele | | 2.12 | 1.80 |
| | luksa | 2.40 | |
| **I. Lejzerowicz:** El la Verda Biblio | | 0.50 | 0.30 |
| **E. Wiesenfeld:** Verkaro de FeZ (Dr. Felikso Zamenhof) | | 1.60 | 1.32 |
| | luksa | 2.15 | |
| **Biernaczki—Medrkiewicz:** La Verko de Chopin | | | 0.20 |
| **L. E. Thomson:** Multe pli la Amo | | | 0.18 |
| **EMBA:** Maria kaj la Grupo | | 0.95 | 0.72 |
| | luksa | 1.30 | |
| **E. Wüster:** Konturoj de la lingvonormigo en la tekniko | | 0.85 | 0.60 |

La prezoj estas montrataj en usonaj dolaroj.
Aldonu 10% de sendkostoj.

**RABATO DE 20% AL LA MEMBROJ DE AELA EL LA SUPRAJ PREZOJ!**

La prezoj de la ankoraŭ neaperintaj libroj estos aparte anoncataj.

**Pagojn ni akceptas**
per monbiletoj, bankĉekoj, respondkuponoj, »money order« al Budapest aŭ al niaj reprezentantoj, aŭ al la poŝtĉekkonto de Bleier Vilmos

**Poŝtmandatojn sendatajn al Budapest ni rifuzas.**

### ABONPREZO DE LINGVO-LIBRO
por unu ekzemplero dum la jaro:

0.80 aŭstrajn ŝilingojn; 4.— belgajn frankojn; 8 penny; 9.— ĉeĥajn kronojn; 0.60 danan kronon; 0.60 estonan markon; 4.— francajn frankojn; 0.60 markon; 0.80 pengő; 4.— lirojn; 8.— dinarojn; 0.80 laton; (por japanoj specialaj kondiĉoj ĉe JEI); 0.40 guldenon; 0.60 norvegan kronon, 1.20 zloton; 4.— eskudojn; 25.— leojn; 0.60 svedan kronon; 0.20 USA-dolaron; 0.80 svisan frankon.

En nemenciitaj landoj 0.20 USA-dolaron aŭ egalvaloron.

**Tri ekzemplerojn ni sendas por la duoblo de la supraj sumoj.**

### ABONPREZO DE LITERATURA MONDO
por tuta jaro, la unua ekzemplero al la sama adreso:

12.50 aŭstrajn ŝilingojn; 65.— belgajn frankojn; 7.— anglajn ŝilingojn; 60.— ĉeĥajn kronojn; 7.— danajn kronojn; 7.— estonajn kronojn; 45.— francajn frankojn; 7.50 germanajn kronojn; 10.— pengőjn; 40.— lirojn; 100.— dinarojn; 9.— latojn; (por japanoj specialaj kondiĉoj ĉe JEI); 4.50 guldenojn; 7.— kronojn norvegajn; 15.50 polajn zlotojn; 30.— eskudojn; 300.— leojn; 7.— svedajn kronojn; 9.— svisajn frankojn; 1.80 USA-dolarojn kaj

**ĉiun egalvaloron.**

Ĉiu plua ekzemplero al la sama adreso sendata kostas dolarojn 1.40 kaj borsan egalvaloron, sen ia plua favorprezo.

**Unu dolaro usona egalvaloras la 15-an de novembro 1936.**
5.30 aŭstrajn ŝilingojn; 29.40 belgajn frankojn; 4.— anglajn ŝilingojn; 29.— ĉeĥoslovakajn kronojn; 4.50 danajn kronojn; 3.80 estonajn kronojn, 21.50 francajn frankojn; 3.80 germanajn markojn; 5.— pengőjn; 20.— italajn lirojn; 47.— jugoslavajn dinarojn; 5.20 latojn; —.— yenojn (pro monopolo specialajn pagokondiĉojn donas Japana Esperanto Instituto); 7.60 lidojn litovajn; 1.90 nederlandan guldenon, (pagu nur al nia monopola deponejo en Nederlando: Nederlanda Esperanto Centro, Rotterdam, W. Schiedamscheweg 209 b.); 4.— norvegajn kronojn; 5.30 polajn zlotojn; 22.50 portugalajn eskudojn; 140.— rumanajn leojn; 4.— svedajn kronojn; 4.35 svisajn frankojn aŭ borsan egalvaloron en aliaj valutoj.

**Ŝanĝoj de la transkalkulo okazas samtempe kun la borsaj kurzoŝanĝoj.**

# „Renkonte al la Suno”

**— Frieda Hauswirth —**

**(La unua ĉapitro de la romano pri la vekiĝanta Hindujo)**

I.

Kaŭrante sur la tero, Parvati zorgeme tiris magiajn simbolojn ĉirkaŭ sia fajrujo el ŝlimtero, la *I-shana agni*, sankta al la domdioj kaj prauloj. Ofte ŝi entrempis peceton da ligno, kelkfoje ankaŭ la fingrojn, en la tason kun rizfarunkaĉo metitan apud ŝi; tiel, per la helpo de ambaŭ, ŝi pentris la sanktajn signojn, kiuj benas kaj ŝirmas.

Jus ŝi desegnis la misteran Aum, kiam ŝi aŭdis el la korteto ekstere klapbrui lignajn sandalojn, la paŝon de viro. Parvati ne ekkonis ĝin, estis nek la paŝo de ŝia edzo aŭ de ŝia filo, nek tiu de la maljuna servisto — la solaj tri viroj, al kiuj permesis la moro, enpaŝi la *Zenana*-on. La paŝoj ekstere estis trenaj, ili haltis de tempo al tempo kaj tute ĉesis, kiam ili atingis la eksteran angulon de la verando, kiu situis antaŭ la ejo apud la kuirejo.

Konsternite kaj timeme Parvati, kaŭrante sur la kalkanoj, rektiĝis por aŭskulti. Ŝi aŭdis la mallaŭtan ekklakon de formetitaj sandaloj, kiuj falis sur la firmstampitan teron, poste la silk-molan frotiron de nudaj piedoj sur la ŝlimplanko de la verando. En la tujposta momento la voĉo de ŝia bopatrino leviĝis al saluto, poste mortis abrupte, kaj denove laŭtiĝis en dolorplena, malklara ekkrio. Poste parolis viro. Do estis tamen ŝia edzo — estis la voĉo de Rammohan Mishra.

Maltrankviligite Parvati ekaŭskultis: Rammohan revenis tutan horon antaŭ la kutima tempo? Kion povas signifi ĉi tiu ne atendita deflankiĝo de la familiara tagopaso? Ŝia edzo en ĉiu sia faro estis la reguleco mem. Nedeflankigeble li kutimis sekvi precize siajn laŭ la tagohoroj dividitajn devojn. Ĉar Rammohan Mishra estis vera bramano laŭ malnova tradicio, por kiu ĉiu horo kaj ĉiu ago de la vivo havis sian propran signifon, kaj kiu kredis al la dia ordo de la tuta universo, de la astroj ĝis la plej eta vermo, laŭ neskueblaj leĝoj. Ĉiu ajn ajo, ĉiu ajn vivaĵo sur sia loko povis leviĝi aŭ malleviĝi en la pesilo de la vivo nur interkonsente kun ĉi tiuj leĝoj. Kaj el la sanktaj skribaĵoj, el la *Shastras*, revelaciiĝis, por ĉiu kasto alie, la reguloj, kiuj antaŭdesegnis vivon en konsento kun ĉi tiuj mondleĝoj. Por bramano la fundamentaj reguloj estis sufiĉe simplaj: li havu en la mondo nenian posedaĵon krom la amo al dio, li studu la *Shastras*, komentu ĝin kaj estu gvidanto de ĉiuj homoj, lia tuta estado pasadu laŭ severe obeataj *shastra-aj* leĝoj.

La edzo de Parvati ĉiam plej penadis vivi laŭ la reguloj, kiuj valoris por la viroj de lia kasto, ne nur laŭ la grandaj direktlinioj de plej granda signifo, sed ankaŭ laŭ la senfine disbranĉitaj ordonoj por ĉiu ajn ago de la ĉiutaga vivo. Tiel sciis Parvati, ke li, hodiaŭ kiel ĉiam ĉe la mateniĝo, estis irinta malsupren al la rivero, por plenumi la unuan de siaj tagodevoj. Ŝi sciis, ke li tie purigis sian korpon ĝis senmakula pureco. Kvinfoje li devis lavi per ordonita tero kaj per akvo la malpurajn membrojn, kvinfoje la manojn, kvinfoje la piedojn. Poste Rammohan maĉis branĉeton de la *Neem*-arbo kaj uzis ĝian broso-similan finon por purigi la dentojn. Poste tiom ofte, kiel postulis la ordonoj, li enakviĝis en la rivero, alvokante la diojn de la akvo, la diinon *Ganga* kaj la nomojn de la sep sanktaj riveroj — ĉio la kutimaj tagaj ceremonioj de bramano, faritaj en kutima maniero.

Sed post ĉio tio, tiel sciis Parvati, ŝia edzo, unu tagon kiel la alian, sidiĝis sub *Banyan*, sur la bordo de la rivero, por tie pasigi tutan horon en profunda meditado pri la dieco. Treege nekutima afero devis okazi, por hodiaŭ forigi lin de ĉi tiu devo kaj tiel neatendite venigi lin hejmen. Tiel Parvati, kaŭrante en sia kuirejo, provis subaŭskulti, kion ŝia edzo raportas en la apudĉambro al sia patrino. Denove ŝi aŭdis ekkrii la maljunan virinon, konjektis malbonon kaj tre deziris eksalti kaj rapidi al sia sinjoro. Sed tio ne decis, nun forlasi la purigitan kuirejon, ankaŭ ne decis, ke edzino ĝenu sian edzon kaj ties patrinon, se ili deziras interparoli. Kaj ĉiam, kiom longe la memoro de Parvati returniĝis, tiuj du sentis sin altirataj, kiel ankaŭ nun ili sentis sin altirataj...

Jam milan fojon ektremante sub la facila frostventeto de la eligiteco, Parvati plektis la brakojn ĉirkaŭ la altentiritaj genuoj, sur ties mallarĝa loko ŝi poste apogis sian mentonon, por streĉe aŭskulti.

Rammohan parolis. Kiel ĉiam, li, la pia bramano kaj granda leĝisto, tenis sian voĉon en disciplino. Li rakontis al la patrino, kiel li matene, ĉe sia iro al la rivero, surpaŝis pintan objekton, verŝajne ŝtonon aŭ pecon da glaso. Estis nur tre malgranda vundo, sed jam post mallonga tempo ĝi komencis nekutime dolori. Tamen li ne atentis ĝin, sed daŭrigis siajn lavojn...

Kiom ajn Parvati streĉis siajn orelojn, ŝi sukcesis kapti nur de tempo al tempo vorton el tio, kio ankoraŭ estis dirita, ĉar ekstere en la korto servistino komencis ŝeli en *dinkie* rizon. Rrrr-pamm! rrrr-pamm! rrrr-pamm! knaris la levoŝnurego, sekvata de la surbato de la peza lignopistilo, kiu disbatis kaj disŝiris la matenaeron per sia pisto. Sed kiam la bruo same subite eksilentis, Parvati povis tra la rereganta malbruo de la interna korto kompreni ĉiun vorton, ĉar Rammohan parolis klare kaj tiel senĝene, kiel eĉ de li ne estis kutime. Kion li diris, tio kaŭzis al Parvati doloran kuntiriĝon de la koro. Sed nenia laŭto eliĝis el ŝi, kvankam ŝi aŭdis ekĝemi sian bopatrinon.

»Kaj patrino«, diris la voĉo de ŝia edzo, »kiam mi altenlevis la ofertrinkaĵon, ŝajnis al mi, kvazaŭ mi tenus flamantan lumon en mia kava mano, kaj anstataŭ akvoguttoj ŝajnis elfonti inter miaj fingroj lumantaj fajreroj kaj reflui en la patrinakvon. Timiga tremo kuris tra mia levita brako kaj mia tuta korpo. Kiam mi volis paroli la *mantra* kiel saluton al la suno, mi ne sukcesis memori eĉ unu vorton, eĉ ne la unuan frazon. Mi sentis nur grandan malplenon. Poste, patrino, subite ŝajnis al mi, ke voĉo parolas tute proksime al mi la vortojn: »Antaŭ ol pasos tri tagoj, vi devos morti...« Kaj mi sciis, ke parolis iu dio, patrino.«

Ĉion ĉi Rammohan raportis per sia kutima, senpasia, profunde konvinkita voĉo.

»Ne, mia infano, ne!« vokis lia patrino kaj komencis senbride lamenti. La voĉo de ŝia filo subite sonis ŝanĝite:

»Patrino, patrino, ne forprenu mian forton...«

Poste malleviĝis la voĉo ĝis retenita murmuro, en kiu Parvati ne plu povis distingi ion, kaj al kiu la patrino de Rammohan respondis nur per nekonsolebla plendado.

Kvazaŭ rigidiĝinte Parvati sidis en sia kuirejo kaj atendis, atendis, ke Rammohan venu al ŝi,

# LA VAGABONDO KANTAS

*— Julio Baghy —*

1.

Nur pluvas... Tage pluvas, nokte pluvas...
Nebula nuba land' sen suna varm',
en akvon dronas ĉiu via ĉarm'.
Turmente pluvas, tage nokte pluvas.

En ejo subtegmenta grincas frosto...
Mi kuŝas pro malsan' en fremda lit'
kaj tremas kiel en la vent' la vit'.
Malseko ŝtele rampas ĝis la osto.

Mi, fremda arleken', baraktas sola
kaj distras min la pluvtambur' kaj vent'.
Al mi neniu venas por moment'
kun vort' kompata kaj ridet' konsola.

En suba ĉambro homoj sidas, sidas
ĉe forno spirovarma pro l' ŝparem'.
Senvivaj pupoj ili ŝajnas jen,
ĉar ili mute sidas, sidas, sidas...

En lustra lum' moderna lukso pompas...
La vivon vindas silk', velura lan',
abundas la arĝent' kaj porcelan'.
La luksa kripto vartas, lulas, trompas.

Vi, pupoj, vivas ja, ĉar pulm' sin movas,
muelas buŝ', digestas la stomak'.
Fieras vi kiel sur pajla sak'
kokino, kiu putran ovon kovas.

Kaj pri l' kultur' vi pastre elokventas
kaj blovas vin kiel la fabla ran',
sed homan takton vi ne havas jam.
En vi la koro dormas, sent' silentas.

Mi fuĝus for el via luksa nesto
al tend' tatara, budo de pagan',
ĉar tie eĉ al larmsalita pan'
la guston dolĉan donis kora gesto.

Mi fuĝus for, sed min malsan' katenas...
Ho, malbenitaj febro kaj malfort',
pro vi, se iu venas al la pord',
la malsanul' eĉ danke arlekenas.

Kaj pluvas, tage pluvas, nokte pluvas...
Nebula nuba land' kun frosta vent',
en akvon dronas ĉiu kora sent',
ĉar senkompate pluvas, pluvas, pluvas.

2.

Plugas, semas kamparan';
kreskos greno, estos pan',
estos pan'.
Lin favoru bona Di'
per la pluvo, sunradi',
per radi'!
Dibenita agrosin',
havu koron de l' patrin',
de l' patrin'!
Estu riĉa bona frukt'
rekompenco por la lukt',
por la lukt'!

Plugis, semis kamparan';
mankas greno, mankas pan',
mankas pan'.
Ne sufiĉis difavor',
nek la ŝvito, nek labor',
nek labor'.
Vane donis Terpatrin'
nutran sukon de la sin',
de la sin'...
Manĝis musoj, mordis frost',
reston prenis for — impost',
la impost'.

Plugu, semu kamparan',
ŝvitu ree por la pan',
por la pan'!
Difavor' per suna lum'
helpos al la bona hum',
al la hum'.
Terpatrino dotos vin
per rikolto por la klin',
por la klin'.
Vin indulgos mus' kaj frost',
ne indulgos nur — impost',
la impost'.

Vin konsolu, kamparan',
miloj vivas ja sen pan',
eĉ sen pan'!
Miloj fastas en la lukt'
sen bonŝanco por la frukt',
por la frukt!
Vanas preĝo, dia ben!
vanas peto, ŝvit' kaj pen!
ŝvit' kaj pen!
En la koroj regas frost',
karn' sekiĝas ĝis la ost!
ĝis la ost'.

3.

Sur verda kamp' en suna brilo
promene vagas mi sen cel'.
Min ravas la natur' kaj trilo
de birda bardo en ĉiel'.

Ho, birda bard' ĉe l' nubolimoj,
mi vin envias sur la ter';
vi povas kanti al animoj
pri birdaj sentoj en liber'.

Rigardu min, jen via frato,
migranta bardo sur la ter'
ne povas kanti — kia fato! —
pri homaj pensoj en liber'.

Ho, ne enviu nin, la homojn,
pro la genia flam' de Di';
ni kreis per ĝi mil fantomojn
murdante Homon mem en ni.

4.

Piedpinte paŝu sento;
dormas mia amatin'.
Post la tagaj zorg', turmento
lulis ŝin la sonĝfein'.

Piedpinte paŝu sento;
frunton kisu nur la spir'
kaj ne cedu al la tento
la ardanta amsopir'.

Piedpinte paŝu sento;
ŝin ne veku kora bru',
lasu ŝin nun en silento
dolĉe dormi, sonĝi plu.

Piedpinte paŝu sento...
Vane jam! Vi vekis ŝin.
Kion fari por pripento?
Flustras ŝi: »Ho, amu min!«

5.

Per larmo videbla
ruzadas la virin';
per larm' nevidebla
ŝi pereigas sin.

Per larmo-armilo
ruzadu pri kaj por,
sed koron sunbrilo
neniam lasu for!

6.

Ebenaĵo monotona,
al mi vi ne plaĉas.
Kiel bovo, cerbo homa
sur vi nur remaĉas.
Certe estas vi utila
en la stomakservo,
sed en via viv' trankvila
dormas sprito, nervo.

Ho, montegoj, rokoj krutaj
kaj arbara denso,
maroj bruaj, lagoj mutaj
servas vi por menso.
Romantiko kaj mistero
pulsas en vi arde,
vivo-kanton de la Tero
vi resonas arte.

La inspiro el vi fontas,
ŝprucas kreospito,
sur via sin' sin renkontas
realec' kaj mito.
Mi admiras, eĉ amegas
vin, praĉarm' varia,
ĉar vi donas, ne nur regas
per natur' pasia.

7.

Hej, piedoj, lacaj du ĉevaloj,
vian mastron servu kun obe',
trotu vigle sen stumblad' kaj faloj
sur la tempmordita vivŝose'!

Via mastro, vidu, senhavulo
kaj li fajfas, kantas kun kuraĝ'
kaj ne plendas li ĉe ĉiu bulo
pri l' stomaka grumblo kaj furaĝ'.

Hej, piedoj, aĉaj du ĉevaloj,
kial spitas vi ĉe l' vojomez'?
Nur la mastro luktas kun svenfaloj,
ŝarĝas vin nur lia — plumopez'.

Do persistu, servu lin fidele,
ne balancu kiel ebriul'!
Sciu, lin pikpelas pli kruele
celo, nun kaŝata en nebul'.

Hej, piedoj, lacaj ĉevalaĉoj,
trote tretu je la fajfomarŝ';
iam ja ŝiriĝos la — vivlaĉoj,
vi ripozos post la migra farŝ'.

---

kiel li ja certe faros, kiam li trovos tion konvena, por transdoni ankaŭ al ŝi la strangan, teruran sciigon.

Tiel estis ĉiam — ĉion, kio tuŝis plej profunde Rammohan-on, li unue portis al sia patrino; sole al ŝi li portis ĝin tute kaj nepartigite.

Kiam ŝi estis ankoraŭ juna, tortura ĵaluzo disŝiris la koron de Parvati. Sed ĉiam kaj ĉiam denove ŝi diris al si, ke estas tute en ordo, se la filo tiel honoras la patrinon. Vere nigra, tiel ŝi mallaŭdis sin, devas esti ŝia propra koro, ke ĝi kapablas senti ĵaluzon kontraŭ la patrino de sia sinjoro. Kaj senĉese ŝi devigis silenti sian koron, ĝis kiam ĝi mutiĝis en plej profunda rezigno. Ĉi tiuj tagoj de la senvorta ribelo jam de longe pasis, tiom longe, ke nun ŝajnis al ŝi, kvazaŭ ili neniam estus ekzistintaj. Sed dum la lastaj jaroj Parvati, kun senfina, arda pacienco, estis ĉiam preta, kiel ankaŭ nun ŝi estis preta, ŝi mem precize ne sciis, por kio — preta servi, kio ajn estus postulata de ŝi, fari sian devon kiel fidela edzino. Ŝi tenis sin preta kun pacienco, kiu jam delonge minacis sekigi la saltantan fonton de ŝia korsento.

Ĉar ĉiam finfine Rammohan venis al ŝi. Kaj el la fruktoporta, neesplorebla trankvilo de sia pacienca pretemo ĉiam ŝi trovis la forton helpi al li porti ĉiun ŝarĝon, kiu ŝajnis lin faligi. Rammohan mem apenaŭ konsciis, kiom li en decidaj horoj apogis sin je sia edzino, tiel nerimarkite Parvati prenis sur sin sian parton el la ŝarĝo, tiel delikate ŝi zorgis pri li. Neniam ŝi atendis kaj ricevis vorton de rekono.

Emociita en sia forto per la vekrioj de lia patrino moligita per la troo da amo, kiu montriĝis al li, ŝia sinjoro venu al ŝi, al Parvati. Kaŭrante en sia kuirejo, ŝi prepariĝis por ĉi tiu momento. Ŝi antaŭvidis, en kia senco Rammohan ĉifoje plej bezonas ŝin — li, kiu dum sia tuta vivo malakceptis la postulon pri homaj sentelmontroj, kiu ĉiam penis dediĉi la profundojn de sia amo al la dieco.

La stranga firma certeco eksonis en la koro de Parvati kvazaŭ eho: ŝi sentis, ke ŝia edzo diris la veron, kiam li anoncis sian proksiman morton. Sed se estis tiel, poste ŝi vidis sin antaŭ la plej timata sorto de hinda edzino — la vidvineco. Sed pensi pri tio ŝi ne permesis al si en la nuna horo. Ŝi trankviligis sian koron, kolektis ĉiujn fortojn, por ke ŝi estu apogo al sia edzo, se li venus al ŝi.

Post kelka tempo da atendo, kiu ŝajnis al ŝi senfina, Rammohan staris en la kuirejpordo. Rigardo en la okuloj de la edzino diris al li, ke ŝi scias. Li sidiĝis sur la planko ekstere de la sojlo, ĉar dum estas preparataj la manĝoj, eĉ la familiestro devas ne malsank-

tigi la purecon de la kuirejo; tio estas ordonata de la rito.

Kun neelparolita peto en la okuloj, li rigardis al Parvati.

Ŝi kapjesis, poste ŝi parolis malrapide, kaj nenia tremo dispecigis ŝian voĉon, sed ŝi sukcesis meti en ĝin kuraĝigan forton, kiu senpere efikis sur li, kvazaŭ forta mano estus ŝovinta sin sub lian brakon.

»Sinjoro, se estos tiel, vi mortos pli nobla ol ĉiu alia, kiel vera bramano!«

Rigardo de profunda dankemo ekbrilis en liaj okuloj. La unuan fojon en ilia komuna vivo li montris per ĝi la grandan dankoŝuldon, kiun li sentis al ŝi. Tre mallaŭte li parolis:

»Aŭskultu min! Mia plej alta deziro estas, morti kiel mi vivis, forta en kredo. Mi volas provi, ĝis la plej lasta fino, ricevi kaj elradii la grandan pacon de dio en mi. Mi scias, ke mi mortos. La voĉo estas vera kaj intence parolita al mi, por ke mi estu preparita, renkonti la morton tiel, ke la homoj rigardu min kaj diru: Vidu! Estas nur pordo, ne timu kaj trapaŝu!«

Rammohan eksilentis kelkan tempon, sed liaj pluaj vortoj konfirmis la konjekton de Parvati kaj senvualigis al ŝi tion, kio kuŝis peze sur la fundo de lia animo.

»Aŭskultu min! dum la venontaj tri tagoj, ĝis la fino, fortenu de mi Radharaon!«

Lia sola vundebla punkto: li timis, ke per la vido de Radharao, lia plej juna, lia plej kara filo, li malfortiĝos!

Ondo de ŝirmanta dorloteco trafluis Parvatin. Ŝia sinjoro, la forta, tiel malforta! Sed se ŝi ankaŭ sopiris lin konsoli, teni lian manon kaj karesi liajn okulharojn, ŝi tamen ne ekpensis, paŝi el la kuirejo al li: la heredita konsidero de la rita pureco estis pli forta ol la korinklino. Do Parvati nur kapjesis, metante la manojn al la gorĝo, en kiu ŝia amo, kiel sufokanta doloro, altenfrapiĝis.

Poste per plej ekstrema streĉo ŝi donis al sia voĉo sonon de trankvila kunsento kaj simple respondis:

»Estu senzorga, sinjoro, okazos tiel.«

De nun la horoj estis ĝisrande plenigitaj per centmanieraj devoj, centmanieraj ritoj, kies tuteco kondukis renkonte al la horo de la perfekta morto. La ceteraj parencoj de Rammohan unue ribelis, laŭte protestis kontraŭ tia blinda submetiĝo al profetaĵo, kontraŭ ĉi tiu sinpreparo por la morto sen demando kaj kontraŭstaro. En milda cedemo Rammohan permesis laŭ iliaj petoj, ke estu alvokita *Khabiraj*. Li ne ektremis kaj ne ekkriis pro doloro, kiam tiu premegis lian vundan piedon kaj tranĉis en ĝi per malakra tranĉilo. Kaj kiam la kuracsciulo fine turnis sin kaj, kapskuante, intence evitis la rigardon de Rammohan, li nur ridetis. Nun, kiam akraj ruĝaj strioj suprentiriĝis de la brulvunda piedo pli kaj pli alten al la femuro, ne estis necesa la kuracisto por sciigi lin, ke li mortos. Tion lia interno jam hieraŭ klare ekkonis, kiam lia karno ĝin ankoraŭ apenaŭ sentis.

Je la mateno de la dua tago lia korpo jam estis ardanta dolorejo, kiu nur de tempo al tempo permesis al li mallongan ekspiron. Tamen Rammohan en plej profunda trankvileco ordonis, kio okazu. Li sendis en najbaran vilaĝon alvenigi kvar el siaj plej gravaj parencoj. Laŭ lia deziro ĉi tiuj kvar viroj, se estos veninta la horo, elparolu super li la sanktajn nomojn, ili portu lian kuŝejon kaj gardu pri la brullignoj. Al ili li konfidis, ke dum ĉiuj jaroj de sia viraĝo li flegis kaj prizorgis en sia ĝardeno fig-arbon, penante, en la sama mezuro, kiel la abunde akvumita arbo kreskis kaj fortiĝis, akceli sian propran internan kreskadon.

Pli li ne bezonis diri al la kvar viroj; ili ja sciis, kiel senmakule Rammohan gardis la nomon kaj kaston de bramano, per kia sindonemo li ekzercis la studojn de la sankta vorto, kiel li ĉiam estis preta, helpi al aliaj, kaj kiel li estis libera de ĉiu memamo. Certe, se iam viro estis inda, ke lia kuŝejo estu skulptita el la ligno de sankta arbo, tia estis li! Ĉi tiun respondon Rammohan povis legi sen plua demando el la malsekiĝintaj okuloj de tiuj ĉirkaŭ li.

Je la tria mateno, kiu estis trankvila krom ofte rekomenciĝantaj malfacilaj fajfspiroj, kiam la doloro tranĉis per flamobatoj tra la korpo, Rammohan alvokigis la loĝantojn de la vilaĝo al sia kuŝejo. En bone pripensitaj vortoj li petis ilin decidi juste kaj sen antaŭjuĝo antaŭ dio, ĉu ili kredas lin inda esti enterigata laŭ la malnova *Brahma-medha*-moro. Brahmamedha estis elpensita ne por la simpla viro: ĝi estis la ceremonio por saĝuloj, por »pandit«-oj, enprofundiĝintaj en la scio de la *Vedoj*, ankaŭ vere vivintaj laŭ ili. Unuanime la tuta vilaĝo montris per sia konsento, ke ili rigardas inda Rammohan-on.

Ĉiam ankoraŭ tenante sin rekte per superhoma forto, la mortanto tiam mem kun sia edzino faris la fajroceremonion per la fajro el la sanktigita fajrujo, kiun Parvati de post la tago de sia edziniĝo gardis per neŝanĝebla pieco. Pala kiel fantomo, kun enfalintaj trajtoj, ŝi sidis malantaŭ sia edzo kaj subpremis la egan emon laŭte ekplori, kiam dum la sankta ago ŝi devis tuŝi liajn ŝultrojn per fasko da sanktigita herbo.

»Por la lasta fojo, por la lasta fojo...« sonis denove kaj denove en ŝi. Ĉi tiu sankta ago, kiun viro kaj virino komune faras ĉe *I-shana agni*, estis en la pasintaj jaroj ŝia neniam sekiĝanta konsolo, ŝia sola spirita kontaktpunkto kun ŝia sinjoro. Neniam plu post ĉi tiu lasta fojo ŝi povos fari la fajrodioservon — kiel vidvino ŝi ja ne havos la permeson proksimiĝi al la nordorienta fajrejo per sia malfeliĉiga ĉeesto.

Sed pro ŝia sinjoro sufokis Parvati la ploregon, kiu en ŝi leviĝis. Ŝia vizaĝesprimo estis trankvila kiel la lia, kiam ili ambaŭ leviĝis kaj rigardis reciproke en la okulojn.

Poste Rammohan, treege laciĝita, eliris por atendi, ke du viroj sternu sanktan *Kusha*-herbon sur la zorgeme purigitan plankon. Car ne decis, ke vera bramano atendu la morton en lito. Kiam la herbejo estis preta, li trankvile sidiĝis sur ĝi, brilante, kvazaŭ lia korpo estus jam forigita ingo, kies plorinda mortodanco lin ne povas plu tuŝi. Sed ankoraŭ li devis atendi la brilajn torturojn de la karno.

Apenaŭ li elstreĉis sin, ŝajnis, kvazaŭ lia lasta korpoforto defluus de li kiel forfluantaj akvoj. Doloro skuis lian korpon kiel folion, kiun taŭzas aŭtuna vento. Sed, post ĉiu atako, la nevidebla mano de la paco denove glatigis liajn trajtojn, kaj la profunde enfalintaj okuloj brilis en kredo pli forta ol la morto.

Ĝis la plej lasta momento, kiam lia voĉo jam ne estis plu aŭdebla, prikonsilis kaj konsolis Rammohan la ĉirkaŭ li kolektiĝintajn homojn, firmigis ilin en la kredo. Lia vizaĝesprimo estis tiel lumplena, ke ŝajnis, kvazaŭ starus dioj ĉirkaŭ li.

Foje li mansignis al iu el siaj plej fidindaj servistoj kaj prenis de li flustritan promeson, kiun neniu komprenis.

»*Harihara*«, li diris, »dum mi ankoraŭ vivas kaj havas forton, mi mem povas zorgi, ke neniu el la

ordonitaj ritoj estu nefarita kaj nenio malpura profanu mian morton. Sed se mi estos morta, kaj mia ŝtiparo forbruligita, povos okazi, ke la gardistoj ĝin tro frue forlasos. Aŭskultu, ĝin gardu ĝis la lasta fino, por ke miaj ostoj, eĉ se ili jam cindriĝis, ne estu fimakulitaj.«

Per grandega streĉo Rammohan eldiris la vortojn. Lia lango ŝajnis al li ne plu longe obei.

Poste jam ne restis al li eĉ tiom da forto, ke elparoli li povus la sanktajn nomojn de dio. Po du kaj du, alterne, kiel li petis ilin, kaŭris apud li liaj kvar kuŝejportantoj dum la malrapide pasantaj horoj de la tago kaj alvokis Lin, kiu estas unuunura, kvankam li havas centmil nomojn. Jen murmurante, jen ŝvelante ĝis petego, la mallaŭta, dolĉa tondro de la plej sanktaj nomoj ruliĝis seninterrompe, ŝirmante la mortanton.

»*Ŝiva — Rama — Kriŝna — Govinda — Narajana — Mahadev*...«

Unu horon antaŭ la malleviĝo de la suno subite ekviviĝis Rammohan kaj leviĝis, apogante sin sur la kubuto. Lia rigardo migris de vizaĝo al vizaĝo, ĝis ĝi restis ripoze sur Govinda, lia plej aĝa filo. Malrapide kaj klare li poste parolis:

»Mia filo, plenumu nun la vesperan fajroceremonion — al mi ja ne estos donite vidi ankoraŭfoje malleviĝi la sunon!«

Dum lia filo kaj Sita, lia edzino, komune plenumis la deziron de Rammohan, Parvati kaŭris solece en iu fora angulo de la domo. Ĉiu ŝia forto forlasis ŝin en ĉi tiu momento, kaj foje-foje ŝi murmuris antaŭ sin:

»*Agni-puja... agni-puja*...« La fajroceremonio!

Spasme ŝi tiris al si la buklan kapon de Radharao, sia lastnaskito, kiu ĉiam denove flustris en la faldojn de ŝia »sari«:

»Kio estas, patrino — patrino, kion vi nur havas? Kial mi ne povas al la patro?«

Antaŭ ol la vespera Agni-puja estis finita, Rammohan, kiel estis anoncita al li, elspiris sian lastan spiron. Morto, kiel decas al nobla bramano: neniu rito estis nefarita, nenia malkuraĝo estis tolerata...

Kiam Parvati eksciis, ke ŝia sinjoro estas mortinta, ŝi ne ĵetis sin super la kadavron, ŝi ne lamentis laŭte per la neniam finanta plendo: »Kion mi faris malbonan, ke tiel kruele vi forlasas min?« /.. Ŝi ne ploregis kaj ne vekriis, ŝi ne batis la frunton sur la plankon. Ja, ŝi eĉ ne ploris. Ŝi faris nenion el tio, kio estis atendita de ŝi, jen ŝi nur staris, rigide kaj senmove kiel senfolia arbo.

Mirigite kaj kun kreskanta kolero la patrino de ŝia edzo rigardis ŝin. Tio estis ĉe la unua fojo en ŝia vivo, ke Parvati hezitis plenumi unu el la plej gravaj devoj de fidela edzino. Sed la patrino subpremis la mallaŭdajn vortojn, kiuj kuŝis sur ŝiaj lipoj, ĉar ŝi legis en la okuloj de Parvati rifuzon ne esploreblan, fantoman forecon, internan sanktiĝon, kvazaŭ en ĉi tiu horo de la vekrio ia terura, supertera ĝojego provus ŝiriĝi el ŝia plej profunda interno al la lumo.

Trafita de la rigide aldirektitaj okuloj de la bopatrino, fine Parvati, sen ektremo de la okulharoj, redonis ŝian rigardon. Dum kelkaj senfinaj sekundoj la du sinjorinoj mezuris sin. Kaj ĉe la unua fojo en ilia komuna vivo okazis, ke la maljunulino, ne kapabla toleri la strangan, teruran lumon de la pli junaj okuloj, deturnis la rigardon. Dum mallonga momento en la trajtoj de Parvati ekflamis nekonscia triumfo. Per fulmoforto subite formiĝis en ŝi definitive la penso: se ŝi prezentus sin kiel ofero, se ŝi sekvus la edzon en la morton, ŝi, kiu ĉiam staris nur en la dua loko,

ricevus la unuan, la plej noblan lokon! — Sole ŝi povas akiri ĝin, ĉi tiun lokon, la noblan, sanktan super ĉiuj mezuroj, sole ŝi, la edzino, kaj neniu povas forigi ŝin de ĝi, de la loko, sur kiu, en sia pacienca vivo de submetiĝo ŝi fine jam devos toleri nenian rivalinon, devos cedi antaŭ neniu, eĉ ne antaŭ la propra patrino de sia sinjoro.

De ĉi tiu momento solviĝis la rigideco de Parvati, ŝia tuta agmaniero ŝanĝiĝis. Malfruiĝinte ŝi fine vestis sin per sia plej festa vestaĵo, la mole falanta ruĝa »sari« kun borderaĵo el pura oro. Ĉiun sian ornamon ŝi surmetis kaj nur tiam ŝi paŝis denove inter la aliajn, por ludi per laŭtaj, vortriĉaj plendoj la antaŭdesegnitan rolon de la edzino en la rondo de la funebrantoj.

*

Trifoje la funebra procesio haltis sur la vojo al la riverbordo. Ĉiufoje la portantoj singarde metis la kuŝejon el figoligno sur la ruĝan polvon de la ŝoseo. En la malforta lumo de la pligrandiĝanta luno ili ŝovis iom da rizo en la buŝon de Rammohan kaj atendis en tima streĉo pri ia vivosigno. Sed Rammohan ne moviĝis, Rammohan fakte estis mortinta.

»*Hari bol!... Hari bol!... Hari bol!*«

Govinda iris ĉe la pinto de la procesio, tenante en la mano ujon kun sankta fajro el la nordorienta kuirejo. Gis la veno de la morto, Rammohan mem gvidis ĉiujn ritojn. Nun faris tion Govinda, lia unuenaskito, kune kun la pastroj, kiuj transprenis la gvidon en ĉiuj plej diversaj antaŭpreparoj kaj dioservaj agoj, el kiuj eĉ unu ne devas esti ellasita, se ĉio bone estu preparita por la animvojaĝo de la mortinto.

Fine la rigida korpo de Rammohan, preskaŭ tute senigita je vestaĵoj kaj ornamaĵoj krom kelkaj, ringoj profunde tranĉantaj en la karnon, ripozis sur la alten tavoligita ŝtiparo. Estis Govinda, kiu ekbruligis la torĉon ĉe la malnova kuirejfajro kaj estimplene metis la sanktan fajron al la kadavro. Per kraka bruo ekŝaltis flamoj; ruĝa lumo akre tranĉis tra la paleco de la nokto. Nek la plej maljuna filo, nek la funebrantoj restadis, por observi la disvastiĝon de la avide manĝanta fajro. Ili forrapidis, por purigi sin de la ma-

## Duopa mondo mia

— E. Clark Stillman —

En ĉi tiu gaja mondo
(morto, murdo, pesto, rab')
mi promenas frumatene,
june, kiel juna knab'.

Kaj en ĉi malgaja mondo
(ho, la sun' en la ĝarden',
kie laŭ la laŭb-aleo
mi promenas dum maten')

ftizo sputas pulmomukon
(ho, ĉi dolĉa rozparfum').
kaj armeoj blinde buĉas,
sangas en sufoka fum'.

Ho, duopa mondo mia,
(mi freŝvanga sub la sun')
vi frenezas, al mi ŝajnas,
(mi putronta sub la lun').

kulanta proksimeco de la morto. La teruran lastan laboron malhelpi la malesperan ĵetiĝadon de la brulantaj membroj — ĉar la fajro amas ludi kaj petoli kun la mortinto — oni kutimas translasi al la anoj de la malsuperaj kastoj. Sed Rammohan aparte deziris, ke neniu kadavro-bruliganto el malalta kasto tuŝu lian ŝtiparon; pro tio liaj kvar elektitaj portistoj restadis ankoraŭ kelkan tempon, por zorgi pri tio, ke la fajro faru bone sian aferon.

En profunda nokto, kiam la ŝtiparo estis forbrulinta en malaltan ruĝan amason, ankaŭ ĉi tiuj gardistoj forlasis la fajromonteton. Jen, el la arbetaĵo ĉe la riverbordo venis viro sin tie kaŝinta, kaj sidis horon post horo ĉe la fajro. Estis Harihara, la konfida servisto de Rammohan. Senvide li fiksrigardis en la fajreton, kaŭrante en profunda soleco sur la tero, dum malĝojo traŝvelis lian koron kiel la flava nebulo, kiu nun leviĝis el la river-fluejo kaj ĝin vualis.

Kun la unua ekkrepusko de la ĉielo aperis el ĉi tiu nebulo figuroj de viroj — *parioj*. Ili haltis, kiam ili vidis la neatenditan, solecan figuron de la gardisto kaŭranta apud la griza cindro. Harihara severe rigardis ilin. Ili hezitis mallongan tempon, poste ili subite silente refandiĝis, kiel ili estis venintaj, ree en la nebulon.

Nur kiam la suno jam balais pura la horizonton, la fidela servisto leviĝis el sia gardado. Poste li stariĝis por saluti Govindan, sian novan sinjoron, kiu, kiel tion ordonis la rito, estis veninta, por kolekti en argilpecetoj tion, kio en la malforta fajro restis ankoraŭ el cindro, el karbigitaj ostoj. Tio ĉio estis transdonota al la rivero por sekura gardado.

Nun la spirito de Rammohan certe povis ripozi en paco, post kiam la lasta ĉiama timo estis deprenita de li. La fiera bramano, kiu neniam toleris makulon, kiu eĉ retenis sin de kutimaj homoj, kiu timis la tuŝon de la netuŝebluloj pli ol ĉion ajn — nun estis sekura, en la morto kiel en la vivo. Nenie avida paria mano, serĉante fanditan oron, povas malsanktigi lian cindron.

Amata kaj amanta fajro...

Ĝi zonas la vivon de bramanino kiel kastelfosaĵo el flua oro, majesta simbolo pri unuecigo. Ĝi ekbruligas ŝian fianĉintorĉon, ŝian fajrujon, unuigas ŝin ĉiutage en adoro kun ŝia edzo, interligas ŝin en *Agni-puja* kun ties prauloj kaj fine donacas sur la ŝtiparo al ŝia morta korpo liberecon.

Antaŭ longa longa tempo, cent jaroj aŭ pli, ĝi povis — se la ardanta postulo tion deziris — eĉ liberigi la animon el ŝia vivanta korpo. Teruraj kaj mirindaj raportoj: ankoraŭ nun la hindaj okuloj ekflamas, kiam ili nove estas rakontataj, ĉar la malnovaj dioj mortas nur malrapide. Strange kaj persiste murmuras ankoraŭ hodiaŭ la sindona admiro al la libervola ofermorto tra la vejnoj de la hindoj...

Kiam la viroj ekpaŝis la vojon al la ŝtiparo kaj la plendokrioj de la virinoj, kiuj restis hejme, kaj al kiu ŝi mem aldonis sian plenan mezuron, bruegis en la oreloj de Parvati, ŝiaj pensoj, kiel altirate de nerezistebla allogo, ĉiam denove kaj denove revenis al la fajro — al la fajro de ŝia fajrejo, al la fajro de la ŝtiparo de ŝia edzo. Sed antaŭ ĉio ŝi estis freneze torturita de la rememoro pri la *Agni-puja* de ĉi tiu lasta tago, kiun la filo kaj filedzino solaj estis farintaj. La unuan fojon en ĉi tiu sia domo ŝi estis forigita disde la fajroceremonio. De nun ŝi tion ĉiutage denove travivus — aŭ ŝi devas realigi la planon, kiu kaŝe en ŝi ĝemas. Ĉar Parvati nun estis vidvino, malbenita kaj malfeliĉon disvastiganta estaĵo, ne plu taŭga gardi la fajrejon de la prauloj, adori la fajron. De ĉi tiu tago Parvati, la vidvino, neniam plu povos partopreni la festojn, kiuj formas la vivon de la hinda hejmo, neniam plu la ĝojojn, la solenojn.

Antaŭ kelkaj horoj, kiam super la kadavro de ŝia edzo, sin mezuris ŝiaj rigardoj kun tiuj de ŝia bopatrino, la eblo, eviti tian sorton, montriĝis al ŝi en fulmomaniera eklumiĝo. Dum ĉi tiuj lastaj horoj, la rita plendkriado ĉirkaŭ ŝi traboris ŝin en sia tuta malvereco kvazaŭ per tranĉilpikoj kaj vekis en ŝi senbridan fuĝdeziron. Malantaŭ ŝi kuŝis dudek plenaj jaroj de pacienca eltenado, de akomodiĝo, de senprotesta memforgeso. Ĉi tiu daŭra animskurĝado faris el ŝi virinon de malofta forto, senfina pacienco kaj granda kvieteco, sed kiu kaŝis kernon de ŝtala firmeco.

La terura streĉo, la ribelo de jam de longe forgesitaj eksentoj dum la lastaj tri tagoj subite ŝanĝis la mondon de Parvati. En ŝi io tumultis kaj urĝis perforte al la lumo. Ŝi, kiu dum sia tuta vivo per ĝoja penado subigis en si ĉiun egoisman penson kaj ŝanĝis forĵetaĵon en oron, ŝi estus terurita, se iu dirus al ŝi, ke ĉi tiu profunda tumultiĝo, ĉi tiu neportebla doloro, ne estis, kiel ŝi kredis, neniiga doloro kaj malĝojo pro ŝia mortinto. Kiel ja ŝi, la simpla koro, scius ion pri la komplika ĥemio de la animo? Pri la freneza naskiĝado de revivigataj fantomoj?... Fantomoj de amo sufokita en ĝermo, malnova ĵaluzo...

Dum ĉi tiu granda maltrankvila nasko doloris en la profundoj de ŝia estaĵo, Parvati ne sciis alian nomon por ĝi, ne sciis alian konscian klarigon ol diomalsato, spirita postulo.

Tie ĝi briletis antaŭ ŝi, la promesita pramalnova vojeto al la ekstazo, — la memoferaĵo. Al duobla venko ĝi gvidis, estis rimedo fuĝi el la timata vidvineco, samtempe rimedo veni al la flanko de sia neniamgajnita edzo, por tie, laŭ la dia promeso, restadi eterne.

La vojeto logis!....

Ĉirkaŭ Parvati ĉiam ankoraŭ monotone preĝadis la voĉoj de la funebrantoj, ŝvelis kaj altiĝis en penetrantaj erupoj, kiuj disŝiris en ĉifonojn la malhelan pacon de la nokto. La maljuna patrino de Rammohan, laca je korpo kaj spirito, jam delonge estis dormanta. Pro kompato al ŝia maljuneco, ili lasis ŝin dormi.

Sed Parvati neniam estis pli maldorma. Ŝi jam faris sian decidon kaj nun atendis, ke venu ŝia momento. Ŝi sciis, ke neniu atentus, se ŝi elirus, kaj ke neniu el la virinoj, eĉ se iu rimarkus tion, kontraŭdirus ion aŭ maltrankviliĝus, se ŝi forrestus kelkan tempon. Sed pli certan kaj longan tempospacon ŝi nature povus gajni por si, se ŝi sukcesus kaŝe foriri neatentita, tiel ke neniu el la funebrantoj povu diri, kiom longe aŭ mallonge daŭris ŝia malĉeesto. Pro tio, subite, kiel venkita de laceco, ŝi haltis en sia lulanta korpomovado kaj silente kaŭriĝis, kun la kapo sur la genuoj. La aliaj sinjorinoj rigardis ŝin per mallonga, kompatema rigardo, poste ili ne plu interesiĝis pri ŝi, sed daŭrigis sian laŭdevan plendadon. Sed Parvati observis el inter siaj pezaj, duonfermitaj palpebroj, la kunulinojn, ĝis ŝi estis certa, ke ĉiuj atentas nur sian funebran devon kaj ne plu havas okulon por ŝi. Poste ŝi leviĝis kaj ŝtele eliris sur nudaj plandoj, rapide kaj senlaŭte kiel katino.

Kiam ŝi venis en la verandon, Parvati rapide prenis sian kuirvestaĵon el neblankigita tolo, kiu tie pendis sur la bambuspaliso antaŭ la kuirejo por sekiĝi. Poste ŝi daŭrigis sian vojon al la apuda provizejo, mallaŭte ŝlosis la pordon post si kaj nun staris en

# Kvar sonetoj de Petrarca

Anĝelon vidis mi inter teruloj,
ĉielan belon, monde senkomparan,
memoron havas, ĝojan kaj amaran,
ŝajnantan sonĝo, ombro, fumnebuloj.

Mi vidis larmojn sur ĉi flam-okuloj
enviigantaj eĉ la sunon klaran,
kaj aŭdis mi suspiri voĉon karan,
ke mont' ekirus, haltus ondo-ruloj.

Pli dolĉis plore, en interrespondo,
am', virto, mens' kompato, dolorsento,
ol ĉio, kion iam aŭdis mondo.

Aŭskultis la ĉiel' kun tia atento,
ke eĉ foliojn ne ekmovis frondo,
tiel raviĝis la aer', la vento.

*(Lali Blond.)*

*

Benataj estu tag', monato, jaro,
sezon' de l' tempo kaj moment' de l' horo,
la bela land' kaj lok', kie la koro
ligiĝis per la rava okul-paro.

Benataj la unua dolĉ-amaro,
ke min alĉenis per katen' Amoro,
la sag' min atinginta por traboro,
la fine min trafinta doloraro.

Benataj estu: ĉiu voĉo kria,
per kiu mi ŝin vokis, amĉagrena,
la ĝemoj, larmoj, la sopir' ebria.

Benata estu ĉiu paĝo, plena
de ŝia glor' kaj laŭd'; kaj penso mia,
krom ŝi ja al neniu apartena.

*(Kalocsay).*

Ne am'? do kio estas mia sento?
Aŭ estas am'? Je Dio, do kiela?
Se ĝi sin trudis, ĉu ne plend' sencela?
Se misa, kial dolĉas ĉi turmento?

Se mi ĝin volis, kial la lamento?
Se ĝi sin trudis, ĉu ne plend' sencela?
Kiel vi, viva mort', plezur' muela,
ja regas min sen mia prikonsento?

Aŭ, kun konsent', vi min malprave ŝiras!
Jene tra malaj ventoj, ŝtorma maro,
en boatet' sen direktil' mi remas,

tiel senscia, plena de eraro,
ke mem ne scias, kion mi deziras;
kaj vintre ardas, en somer' frosttremas.

*(Kalocsay).*

*

Ĉe rememor' pri ŝi, jam ĉiel-glora,
mildrigarda, kun klino de l' orhela
kapet', kaj pri l' modesta kaj anĝela
voĉ' al mi tiel dolĉa kaj dolora:

tre miras mi, ke vivas mi ankoraŭ.
Ja mi ne vivus, se ŝi, — ĉu pli bela
aŭ digna, restu dube — savakcela
ne venus al mi en la hor' aŭrora.

Ho, la sinteno ĉasta, dolĉa, pia!
Kiel atente ŝi aŭdas plu kaj plu
rakonton longan de ĉagreno mia.

Kaj kiam ŝin forpelas matenfru',
ŝi al ĉiel' sin turnas, ja voj-scia,
malseka je l' okul', je l' vangoj du.

*(Kalocsay).*

---

plena malhelo. Sed ŝi sciis ĉiun paŝon kaj sciis precize, kie ĉio kuŝas kaj staras. Per neerarigebla certeco ŝi palpiris ĝis la granda argila kruĉo, kiu enhavis rizon por la ĉiutaga uzo. Tie ŝi tuj kaj lerte formetis sian ornamajon, zorgeme atentante ke ĝi ne klaktintu. La pezan kolĉenon el pura oro, la trioblan perloŝnuron, la brakringojn, orelringetojn, la grandegajn arĝentajn piedringojn kaj la piedfingro-ringojn, unu post la alia ŝi zorgeme entombigis en la super ili kunfluetanta rizo, en kiu, tion ŝi sciis, devos trovi ilin ŝia filedzino.

Poste ŝi deŝraŭbis la puran, blankan diamantbutonon el ŝia maldekstra nazoflanko kaj eltiris la duonlun-ornamajon, kun ĝiaj multaj iom ŝanceliĝantaj perloj, kiu peze pendis super la dekstra superlipo. La unuopajn ŝtonojn ŝi zorge envolvis en tukpecon, kiun ŝi deŝiris rapide de tuko super la *Gheepoto*, kaj ŝi enigis la juvelon, tiel ĝin sekurigante, kun la aliaj en la rizo.

Kiam ŝi tordis sian feran edziĝoringon for de la manartiko, por kelka tempo malfermiĝis la pordoj de rememoro. Ree ŝi vidis sin per returne direktitaj okuloj, kiel ŝi estis, dum siaj unuaj jaroj, malfeliĉa kaj malkuraĝa, malestimata de sia bopatrino, kondamnata de sia edzo, ĉar dum longa tempo ŝi naskis nur knabinojn. Poste ŝi revidis sin, kiel ŝi fine tamen kuŝis kun filo en la naskolito! Kiel feliĉega ŝi estis pro la malgranda buklokapo, kiu sin premis en ŝian kurbigitan kubuton — malgranda kapo, kiu helpis al ŝi, sufiĉe malfrue, teni sin en sia loko.

Sed baldaŭ, post kiam la granda faro de la venonta nokto estos plenumita, ŝia kapo estos altlevita kiel neniam antaŭe. Ŝia tuta familio, eĉ la tuta vilaĝo poste honoros ŝin kaj por ĉiam montros al ŝi fierplene...

Per nove firmigita decidemo ŝi ree staris en la verando, tute malseka de la rapida subakviĝo en la proksima lageto. Sed nun ŝi, la vidvino, eĉ se ŝi regajnis la ritan purecon, neniam povus proksimiĝi al la *I-shana agni* kuirejo, en kiu brulas la granda fajro. Parvati plene konsciis, ke tio estas malpermesita. Sed kion ŝi faru? Super ĉio staris ŝia deziro, iri al la ŝtiparo de sia edzo, kiu estis bruligita per la fajro el ĉi tiu

fajrujo. Tie ŝi volus surgenuiĝi ĉe lia flanko, por lasi sin forbruligi samtempe kun sia sinjoro kaj migri kun li kunigite tra la *Jamas*-regno. Sed ŝi sciis, ke la *Angrezi*-leĝo tion severe malpermesas. Neniam ŝi ricevus la permeson realigi ĉi tiun deziron; ĉiu, kiu ĉeestis la mortobrulon, scius malhelpi tion. Parvati ne konis la *Ŝastras*, ne sciis, ke en ĝiaj ordonoj estis malfermita maŝo, ke ekzistis anstataŭa rito, kaŝe plenumebla formo. Ŝi iamaniere sentis, ke la sankta *I-shana agni* el ŝia amata fajrejo estas intime ligita kun la realigo de ŝia intenco. Nur dum unu respiro ŝi hezitis ĉe la malpermesita kuirejpordo, poste ŝi tuj enpaŝis. Tiel firma estis ŝia decido, tiel certa ŝi estis, ke ĉio, kio estis nejusta, baldaŭ estos rajtigita per sia ofero, sendube rajtigita, ke ĉi-solan fojon ŝi kuraĝis malatenti la *ŝastra*-leĝon, kiun ŝi konis.

En la *I-shana agni* kuirejo, Parvati plenigis argilan ujon duone per ardaĵo kaj rapide metis en dikan lanotukon la tutan malgrandan kuirej-provizon de brulligno. Poste ŝi elpaŝis denove per senlaŭtaj plandoj en la liberon, evitante ĉian brueton. Preter la bovinejo, ŝi rapide elpaŝis tra malgranda flankpordeto kaj plue, ĝis densa bambus-arbustaro ŝin akceptis en sian nepenetreblan ombron kaj disige staris inter ŝi kaj la domo. Ĉi tie ŝi surterigis faskon kaj fajron. Poste ŝi, je la dua fojo, kiel glitrapida ombro, rapidis tra la malantaŭa pordeto kaj revenis, ĉiam ankoraŭ nerimarkite, post mallonga tempo, kun granda kruĉo plena de oleo.

Sur la ventoŝirmata flanko de granda ŝtonamaso ŝi metis el la lignopecoj kuŝejon sur la tero, zorgeme malsekigis ilin per oleo kaj same ankaŭ la lanan ŝalon. Kiam tio estis farita, ŝi levis la kruĉon alten super la kapo. Tie ŝi tenis ĝin senmove dum kelkaj sekundoj, la okulojn direktante supren al la malforte tralumetanta kvaronluno. Ŝia vizaĝo estis senmova kiel marmoro, kaj en ĉi tiu masko de fera volo ardis la profunde ardantaj okuloj en supertera ekstazo.

»Sinjoro de mia vivo, sinjoro de mia vivo...« ŝi flustris, poste ŝi renversis la kruĉon kaj fluigis la oleon super ŝia kapo, sur la ankoraŭ bonformitaj linioj de la nuko kaj ŝultro malsupren, kiel sanktajn kurbiĝintajn serpentojn kaj malsekigis sian tukon: ŝi estis preta al la lasta granda rito, al la lasta granda servo por ŝia parencaro. Per plej ekstrema zorgemo ŝi metis la ujon plenan de ardantaj karboj sur tri ŝtonojn ĉe la piedo de la lignoamaso, por ke ĝi firme staru kaj tamen estu tiel facile movebla, ke malforta puŝo povu disŝuti la ardaĵon sur la lignon. Poste ŝi prenis de la tero plenmanon da folioj kaj ĵetis ilin en la ujon. Ili estis tiel sekaj, ke tuj estiĝis avida kraketo, kiun sekvos la baldaŭ elrompantaj flamoj.

Nun komencis Parvati seninterrompe murmuri antaŭ si la plej sanktajn nomojn. Pli streĉe, kvazaŭ en ekstazo, sed same kiel antaŭe, ŝi dume daŭrigis sian verkon per rapidaj, bone pripensitaj movoj. Ŝi dissternis la oleitan tukon sur la tero, sukcesis enruli sin en ĝi tiamaniere, ke ŝiaj brakoj firme estis alligitaj. De interne ŝi scipovis ekkapti la plej ekstreman finaĵon kaj teni ĝin; poste ŝi pene starigis sin sur siaj piedoj, ĉar ĝis la piedoj ŝi estis ankoraŭ libera. Kuraĝe ŝi paŝis al sia kuŝejo el lignopecoj, per la okuloj zorgeme mezuris la interspacon, kiu disigis ŝin de la fajrujo. Ankoraŭ iom ŝi proksimiĝis kaj poste sidiĝis. Nun ŝi levis la piedojn sur la kuŝejon — jes — tiel estis ĝuste, tiel ŝi tuŝis la ujon, en kiu malgrandaj flamoj nun saltis supren-malsupren. Poste Parvati zorgeme, kvazaŭ apud ŝi en lito dormetus dolĉa suĉinfano, kiun ŝi ne volas veki, streĉis sin en plena longeco sur la lignopecoj, kiuj mallaŭte ekknaris kaj kraketis.

Ankoraŭfoje ŝi levis la okulojn al la pala kvaronluno. Ŝia tuta ekzisto strebis en plena sopiro supren, renkonte al ŝia estonta sorto, avide servi, ankoraŭ ĉiam servi kaj neniam esti disigita de sia sinjoro, sia estro — de li, kiu tiel malofte bezonis ŝin en ŝiaj teraj jaroj kaj tiel malofte ŝin rimarkis, kaj kiu ĉiam pli intimis la koron kaj prizorgon de sia patrino ol ŝian propran koron kaj prizorgon...

Akre ekpuŝis la piedo de Parvati.

En la momento tuj post tio ŝia malkuraĝa korpo — kontraŭ ŝia propra volo — ja provis malespere liberigi sin el la ŝnurantaj ligiloj, ekĝemo eliĝis el la sufokataj pulmoj. Sed la celo de ŝia spirito, tio estis certigita: kaptita en la flamokarcero, kiun ŝi mem preparis al si, ŝi mortis glore, kun animo triumfa!

Tradukis: *F. W. V.*

VORTKLARIGOJ:

*I-shana-agni:* la sankta familia fajrejo de la hindoj, staranta en la angulo, kiu estas en la direkto de la Himalaja, loĝejo de dio Iŝvar.

*Zenana:* la severe disigitaj kaj malfermitaj loĝejoj de la Purdah-virinoj.

*Neem-arbo:* plumofolia arbo kun dolĉe odorantaj floroj kaj medicinaj kvalitoj.

*Dinkie:* ligna ilo por ŝeli rizon, movebla per piedo.

*Mantra:* frazo el la sanktaj skribaĵoj de la hindoj; ofte uzata en senco de sorĉformuloj.

*Brahma-medha*-moro: enterigmaniero, nur por bramanaj saĝuloj.

*Ŝiva:* la dio de la pereo, ankaŭ la dio de la kreitaj, videblaj aĵoj, apartenanta al la hinda Tri-unuo.

*Agni-puja:* fajro-dioservo.

*Hari bol:* alvoku dion!

*Jamas:* la morto-dio de la hindoj.

*Angrezi*-leĝo: angla leĝo.

## *Kanteto de falanta folio*

— Hsü Tzi Mo —

Aŭdiĝas sur la trotuar' paŝbru',
(Proksimas jam la songolando:) ĉu
Estas la ŝia? Certe ja, mi pensas,
En tia noktmalfru'!

Sur la fenestro jen iu frapetas,
(Mi jam tuj apud la songlando estas;)
Certe ŝi volas min surprizi, ... vidu,
Mi tamen kvieta restas.

Ĉe la litkapo eksusuro krepa,
Mi diras (duondorma, duonreva:)
»Neniam vi komprenos min, do kial
Igadi min korkreva!«

Ĝemspiro ĉe la kapkusen' murmuras,
(La songolanda sorĉo min eklulas:)
»Mi vin neglektis!« kaj de ŝiaj larmoj
Jam vangoj miaj brulas.

Je l' voĉo ĉagreniĝas mia koro,
(Folioj dancas en la kort' en horo;)
Finiĝis songo; kaj la ĉagrenanto...
Nur la aŭtuna ploro!

El la ĉina: *Saint Jules Zee.*

# La kriketludo

— L. N. Newell —

La teraso de la angla Sport-Klubo en Kairo estas bonega loko studi la homon; tio estas, la anglan specon de la homo. Kaj se la materialo estas iom karikatura, la studo ne estas malpli valora pro tio, nur iom pli klara.

Tie mi sidis sub la flama suno, iun posttagmezon en printempo, kun Garvin, por ĉeesti kriket-ludon. Mi estis sufiĉe intima amiko de Garvin; tio estas, mi konis lin jam de ses jaroj, mi sciis kie li loĝas, lian preferatan trinkaĵon, liajn preferatajn librojn, ni pasigis kelkfoje libertempan semajnon kune, kaj ni povis sidi kune dek minutojn sen paroli. Sed mi ne sciis, kion signifas liaj inicialoj J. F. C., mi havis nenian informon pri lia religio (se ekzistis), lia sentemo rilate al la arto kaj la muziko, liaj emociaj spertoj aŭ amaferoj. Ni estis sufiĉe intimaj amikoj. Estis agrable kunadi.

Kiam alilandanoj volas imagi al si anglon, ili prezentas al si altstaturan blondulon, malvarmsangan kaj ne tre inteligentan, kiu neniam ridas. Nu, Garvin estis sufiĉe angla tipo: li estis iom malaltstatura, havis nigrajn harojn kaj moviĝemajn trajtojn, kaj kvankam li ridis ne tre ofte, tamen lia rideto estis tre ĉarma.

Car mi ne estis membro de tiu multkosta klubo, li estis invitinta min, ke mi ĉeestu la kriketludon. Do, kiel fremdulo, mi rigardis la homspecimenojn kun intereso.

Antaŭ la teraso etendiĝis, ŝajnis al mi, preskaŭ ĝis la horizonto, la razeno, sur kiu oni ludas. Malantaŭe estis unu el la klub-domoj, kun greka kolonaro, tre malpeza kaj eleganta. Sur la teraso estis multaj tabloj, ĉe kiuj sidis la spektantoj, murmure interparolantaj kaj trinkantaj glaciigitajn trinkaĵojn. Unuavide, ili ĉiuj aspektis samaj, ĉar ili portis la anglan uniformon: griza aŭ bruna mola ĉapelo, blanka, senkravata ĉemizo kun mallongaj manikoj, blanka aŭ griza pantalono el flanelo; ĉiu viro havis la harojn tre mallongaj kaj aspektis, kvazaŭ li estus ĵus lavinta sin per broso kaj multe da sapo.

Sed post ioma observo, diferencoj de mieno ebligis distingi la diversajn subspecojn. Ekzemple, jen kaj jen estis grupoj da oficiroj, kiuj ĉiam membriĝas al la klubo dum sia dejorado en Egiptujo, sed tute ne miksas sin kun la aliaj, la civilaj membroj. Ili kuŝe sidis sur la seĝoj, kun ĉapeloj antaŭenpuŝitaj sur la brovojn, kaj interŝanĝis lakonajn frazojn. Kiam de tempo al tempo alia oficiro preterpasis iun tablon, ili kriis al li — kompreneble, ne laŭte — kun tiu aristokrata trenparolo kiun oni povas heredi, sed neniam akiri. Kaj iliaj frazoj estis zorge nekompreneblaj por la cetera homaro: aludoj duonfrazaj, subaludoj, privataj slangaĵoj, subŝercoj senridetaj.

Ili perfekte ne konsciis la ekziston de la cetera homaro; oni kredus, ke ili kunparolas en vakuo, aŭ meze de vasta dezerto. Kaj tamen, ili ĝuis la fakton, ke la aliaj ĉeestantoj ne povas kompreni la aludojn en ilia interparolado, kiel lernejanoj aŭ esperantistoj ĝuas paroli sekretan lingvon en tramoj. Esti en la mondo, kaj ne aparteni: ili iagrade partoprenis la monaĥan idealon.

Ĉe aliaj tabloj sidis anglaj ŝtatservistoj, instruistoj, prosperaj komercistoj, bank-filiestroj. Unuavide ili aspektis kiel la oficiroj; sed estis rimarkeble, ke ili *provis* ne konscii la ekziston de la oficiroj kaj la fakton, ke la oficiroj ne konsciis *iin*. Ili kuŝsidis kun malpli da aplombo, kaj kvankam ili provis paroli sekretan lingvon kiel la oficiroj, ili evidente nebone sukcesis. Oni povis kompreni la aludojn. Kaj krome, ili ne tiom trenparolis. Oni povis senti la kurentojn de malestimo, envio, moko, malico, embaraso, timo, kiuj fluis ĉirkaŭ la tabloj. Kaj samtempe, ĉiu atente observis la kriket-ludon, kiu estis jam komenciĝinta sur la vasta razeno, por ne maltrafi eĉ la plej subtilan lertaĵon aŭ mallertaĵon de la ludantoj; kaj kelkfoje sonis aprobaj murmuroj kiam ludanto faris ion speciale brilan.

La angla socia vivo estas tre komplikita.

Mi rigardis Garvin-on. Kiel la aliaj, li naĝis en tiu etoso, kiel fiŝo en akvo, kaj fiksis trankvile la rigardon sur la ludantoj. Mi suspiris, turnis min al la razeno, kaj firme decidis interesiĝi.

Estis malfacile kredi, ke ni estas en Egiptujo, tri mil kilometrojn for de Anglujo: la sceno, la belega razeno, la blanke vestitaj ludantoj, la trankvil-voĉa spektantaro — ĉio povus esti reproduktita sur iu el la aristokrataj kriket-terenoj de Anglujo. La anglo insiste kunportas kun si Anglujon ĉien.

La blankaj figuroj kuris tien kaj reen, inter longaj haltoj, kiam ŝajne nenio okazis. Ĝi estis tre serioza afero; ili montris grandan lertecon. La suno ĉion banis en ora lumo senpartie, indiferente. Mi oscedis.

»Bedaŭrinde, ke la egiptoj ne ludas.« Garvin parolis kun kvieta konvinko, kvazaŭ post longa meditado li estus trovinta la fundamentan kaŭzon de la neperfekteco de la egiptoj.

Unuavide, la ideo estis ŝoka; tamen, mi murmuris jese. La angloj sanktigis la kriketon, la nacian ludon, kiu neniam transplantiĝis sur fremda grundo. Al ĝi ili atribuas sian forton, sian honestecon, sian regkapablon, sian heroan kuraĝon fronte al danĝero, sian lojalan traktadon de aliaj, efektive ĉiun sian virton. Sen kriketo la Imperio apenaŭ povus ekzisti. Kaj, kiel la kriketo estas tipa kaj ekskluziva produktaĵo angla, tiel samkiale tiuj virtoj: honesteco, regkapablo, k. t. p., povas flori en sia perfekteco nur ĉe la anglo. El kriketa terminaro, ili faris sian plej absolutan esprimon de kondamno: kiam anglo diras, ke »tio ne estas kriketeca,« li indikas gradon de morala aŭ etika malnobleco nesupereblan. Kaj la esprimo, »teni rekta sian batilon,« indikas, ke oni montras, laŭ la angla kutimo, la plejalton de flegma kuraĝo. Efektive, ne mankas angloj, kiuj kredas, ke se nur la tuta mondo povus lerni kaj ludi kriketon, militoj kaj internaciaj konkuradoj kaj la klasbatalo kaj similaj ĝenoj, tute malaperus. Sed tio estas nur teorio: ili estas certaj, ke neniu alia nacio povus aprezi la belecon kaj noblecon de kriketo; do, kunigi la du konceptojn, »egipto« kaj »kriketo«, tio estas neeblaĵo por la normale funkcianta angla menso.

Sed Garvin estis eksterordinare larĝanima homo, kaj li povis imagi al si egiptojn ludantaj kriketon, kaj ŝanĝiĝantaj en sanajn, flegmajn, lojalajn anglojn. Efektive, tiu imago pruvis lian fundamentan bonvolon por la egiptoj. Mi komencis pli estimi lin.

»Neniam mi konis egipton, kiu ludis... Tamen, jes: unu. Li estis el Oxford; mi konatiĝis kun li surŝipe, kiam mi unuafoje venis al Egiptujo.«

Por ne pripensi la ludon, mi komencis imagi al mi tiun unuan renkonton de Garvin kun egipto. Se

nun, post dek jaroj en la lando, vivinte ĉiam kun angloj, li povas imagi egipton ludanta kriketon, do certe tiutempe li estis entuziasma amikulo de la enloĝantoj de la lando, kiun li iris enloĝi. Supozeble, ĉar juna, li eĉ bonvenigis la provajn konatiĝajn frazojn de la egipto; li vigle respondis; ili baldaŭ duone intimiĝis kun la facileco de la juneco. Garvin parolis fervore pri sia deziro helpi la egiptojn, koni ilin, partopreni ilian vivon, lerni ilian lingvon; kaj li demandadis senfine pri la kutimoj, la religio, la literaturo, la sportoj de tiu antikva kaj interesa raso. Li ankaŭ, per aludoj, demandis pri la okazoj, kiun havus anglo por ekkoni ankaŭ la egiptinojn, ĉar, ankoraŭ virga, li sekrete kaj romantike esperis am-aventurojn, vesperajn rendevuojn kun iu grandokula, bruna belulino de la Nilo. Antaŭ ol komenci sian vojaĝon, li legis la kutimajn romanojn pri Egiptujo, kaj akiris tute falsan bildon pri ĝi; sekrete, li eĉ imagis sin grimpanta nokte en iun haremon, gardatan de ferocaj eŭnukoj, responde al la invito de helaj okuloj. Sed pri tio li nenion diris al sia nova amiko.

Ili trovis, ke ili havas komunan deziron dediĉi sin al la eduko, korpa, mensa kaj spirita, de la egiptoj; kaj ili ĵuris, per duon-aludoj anglecaj, ke ili ĉiam restos fidelaj amikoj. Garvin ĝojis, ke jam antaŭ ol alveni en Egiptujo, li ekkomprenis la egiptan animon, fariĝis amiko, kiun ili fidos kaj al kiu ili rakontos siajn sekretojn, trovinte en li unike senteman spiriton.

Ili kunmarŝis sur la ferdeko ĝis mateno, frontante al la freŝa vento, sub la steloj de la Mediteraneo.

*

»Ibrahim Abd el-Karim li nomiĝis. Li estis kun sia nova edzino — anglino. Ho bela frapo, sinjoro, bela frapo! Cicilio.«

Mi facile distingis la kriket-frazon de la cetero. Do Ibrahim edziĝis al anglino. Li prezentis ŝin fiere al Garvin; ŝi pruvis lian fundamentan anglecon; li ne plu estis ajna egipto, kia iu alia. Ibrahim estis ensorbinta la anglan kulturon kaj la anglan vidpunkton, kun la angla nacia ludo; li uzis la slangajn frazojn de la Oxford-aj universitatanoj tute nature; oni devas konfesi, ke li portis la anglajn vestojn iom pli gracie kaj bele, ol povus anglo, sed aliflanke, li konstante fumis pipon, kun forta angla tabako. Li volis sin dediĉi al la nobligo de Egiptujo, sed oni ne devis forgesi, ke li povas tion fari ĝuste tial, ke li tute angliĝis.

Feliĉe, Garvin tre bone akordiĝis ankaŭ kun Cicilio, jam de la komenco. Li traktis ŝin kun la peza, bonhumora, moketema kamaradeco de la juna anglo, kaj ŝi respondis katidece. Sur la ŝipo troviĝis multaj kontinentanoj, kiuj rigardis ŝin dum la manĝoj kaj dum promenadoj sur la ferdeko, laŭ maniero aŭdaca, persista, neangla, kiu ĝenis, eĉ timetigis ŝin, kaj la freŝa senzorga kamaradeco de Garvin redonis al ŝi ŝian aplombon.

Se egipto edzinigas eŭropaninon, li kutime preferas la plej blondan, tio estas, la plej malsimilan al li; kaj li pli ŝatas la naturajn kurbojn ol la modan knaban figuron. Mi do imagas Cicilion gracile malaltstatura, bele molkurba, kun flava hararo, en kiu oni povis vidi ruĝorajn lumojn; ŝiaj violaj, nebuletaj okuloj estis grandaj kaj pasiaj; kaj ŝiaj tre ruĝaj, iom tro grandaj lipoj facile ridis. Estis tre amuze, kiam Garvin ne sciis, ĉu nomi ŝin sinjorino Ibrahim aŭ sinjorino Abd el-Karim; fine, kun mokrezigno, li deklaris sian intencon nomi ŝin sinjorino Abd; sed jam antaŭ la fino de la vojaĝo li nomis ŝin tute simple Cicilio. Ili longe ridis pri siaj misprononcoj de la araba lingvo, kiam Ibrahim komencis ilin instrui.

Siaflanke, Ibrahim estis tre kontenta pri tiu amikeco inter sia edzino kaj sia nova amiko: ĝi plifirmigis sian egalecon kun la angloj, pri kiu kelkfoje, en sia subkonscio, li dubetis; tre klare, la anglo admiris lian edzinon kaj trovis ŝin simpatia: li do respektos sincere ankaŭ ŝian edzon. Pri ilia intimeco li neniel timis: li sciis, ke anglo neniam farus ion, kio ne estas kriketeca.

Garvin kaj Ibrahim longe diskutis siajn preferatajn librojn, kaj planis kunlaboron pri tradukado de anglaj ĉefverkoj en la araban lingvon, kaj de arabaj en la anglan. Ili eĉ projektis grandan libron pri la historio kaj moroj de la egipta popolo. Cicilio aŭskultis ilin pacience kaj admire, kaj fine interrompis per ia praktika demando pri mastrumado en Egiptujo. Kaj en la diskuto pri domoj, servistoj, prezoj, ili decidis, ke ili luos domojn apudajn kaj daŭrigos seninterrompe sian ravan kamaradecon.

»Ni devos trovi por vi egiptan edzinon,« diris ride Ibrahim, »kaj tiam ni estos perfekta, simetria kvaro«. Garvin estis dungita kiel registara instruisto; Ibrahim, studinte en Anglujo, iris al promesita posteno en la Irigacia Departemento; ili ne dubis, ke ili estos lokitaj kune en Kairo.

»Buterfingrulo! Ni iris al Kairo sed disiĝis post semajno. Oni sendis lin al Beni-Suef, kaj mi restis en Kairo.«

## Ĉi timas, ke oni eldiros

— Ĥsü Tzi Mo —

(Amiko, mi komprenas, tiu ĝena osto,
Netolerebla, ĉu ne?... gorĝo kompatinda!)
»Vidu, sur la herbero kaŭras jen lokusto;
Vent' inter pinoj fajfas kiel liuto tinta.«

(Amik', okuloj viaj, mi ja vidas klare,
Trembrilas de kristalaj larmoj el la koro;)
»Vidu, du papilioj tie flirtas pare,
Kaj flaru la odoron dolĉan de l' violo!«

(Amiko, via koro batas maltrankvile,
Sed, sciu, mia ja ne estas pli kvieta;)
»Vidu, jen paro de ge-ĉielarkoj* brile
Montras sin sur zenito,... tre koketa.«

(Ne estas ŝerco, ja pli bonas ne eldiri,
Vian animsekreton povas mi trasenti:
Mortvundos tiu vort', vi devas konsideri,
Do kial riski blinde kaj ĝin poste penti!)

(Ĉar mi ne volas, ke suferu vi en flam',
Ankaŭ mi... ankaŭ mi mem ne suferi volas.)
»Vidu, la ĉielarkoj nun disfluis jam,
Kaj ne plu papiloj sur herboj' petolas.«

(Retenu vin! la Belo... nur burĝon' tenera,
Kial ĝin malheliĝi per nuanc' de zorgo?)
»Ni iru, jam mallumas la ĉiel' vespera, —
Por vidi la matenruĝon ni revenos morgaŭ.«

El la ĉina: *Saint Jules Zee.*

* Laŭ ĉina popolkredo, ĉielarko estas vira aŭ ina. (Rimarko de la tradukinto.)

Buterfingrulo estis iu ludanto, kiu kaptis, sed ne povis teni la pilkon... En Kairo, Ibrahim, Cicilio kaj Garvin loĝis ĉe la sama pensiono; kaj post la unuataga sinprezento ĉe la Ministrejo, ili havis kelkajn liberajn tagojn antaŭ ol komenci sian laboron.

Ibrahim prenis la rolon de drogmano, kaj ili vizitis la Piramidojn, la Citadelon, la moskeojn, la bazarojn kaj la indiĝenajn kvartalojn. Surprizis Garvin-on la grandeco, la grandurbeco de Kairo; li atendis kotmuran vilaĝon romantikan, kun putoj kaj palmoj, kaj kameloj; kaj ŝokis lin la neatenditaj malpureco, odoraĉoj kaj malsanoj de la indiĝenaj kvartaloj. La lastajn li ne komentis kaj ŝajnigis ne vidi, timante embarasi Ibrahim-on; kaj mem embarasiĝis, kiam Ibrahim iom tro emfaze atentigis pri ili, kaj mallaŭdis la barbarecon, la sensciecon kaj la mallaboremon de la egiptoj. Garvin ne perceptis, ke tiu troa emfazo estas rimedo plifirmigi la anglecon de Ibrahim.

Sed ĉi ĉion ili vidis en pli ĝusta proporcio poste, kiam ili sidis en la ĝarden-kafejo Groppi, la plej moda rendevuejo en la centro de la urbo. Ili gravmiene planis la restarigon, la modernigon, unuvorte la angligon de Egiptujo; kaj iliaj koroj varmiĝis pro komuna ambicio altruisma. Ili estis tiom seriozaj pri siaj reformoj, ke ili povis permesi al si sinmokon. »Vi, Ibrahim,« diris Garvin, »prizorgos la irigacion kaj la agrikulturon; vi florigos la dezerton. Cicilio, vi instruos al la virinoj la higienon kaj la kuirarton kaj la parizajn modojn; kaj mi komprenigos al ili la belaĵojn de la mondliteraturo. Ni estos la tri diktatoroj de Egiptujo, kaj ni faros el ĝi la plej feliĉan landon de la mondo.«

Tiel ili trapasis la semajnon, en ĉiam kreskanta intimeco; ili estis tro feliĉaj. Dum tiu periodo Garvin renkontis apenaŭ unu anglon. Sed fine alvenis la dekreto de la respektivaj Ministrejoj: Ibrahim devos iri al Beni-Suef, kaj Garvin instruos en unu el la duagradaj lernejoj de Kairo. Ili disiĝis kun promesoj revidi sin ofte, kiam Ibrahim kaj Cicilio povos viziti Kairon; intertempe, ili skribos longajn leterojn.

*

»Mi vidis ilin kelkfoje poste, en Kairo. Sed estis, iel, malfacile paroli. Oni perdas kontakton.« Garvin rigardis al mi momente, por vidi ĉu mi komprenas. Mi kapjesis.

Evidente, lia sperto similis tiun de miloj de entuziasmaj junuloj. Komence, li sin ĵetis fervore en sian lernejan laboron; li zorge preparis sian lecionojn, interesajn lecionojn, vere lekciojn pri la belaĵoj de la angla lingvo kaj de la angla literaturo, kun deklamado de poemoj; kaj li perpleksiĝis, kiam la knaboj petis, post silenta kaj tute senesprima atento, ke li donu al ili regulojn pri la uzado de la tempoj. Li provis trakti la knabojn egalece, kamarade, kaj partopreni iliajn plezurojn kaj problemojn: li ne sciis, ke tiu kapablo estas la valora frukto de multjara sperto. Ŝajne la knaboj ne komprenis lian intencon — eble ili ne sufiĉe komprenis la anglan lingvon: li devis konfesi, ke kvankam la plimulto el ili studis la lingvon jam de dek jaroj, ili tamen ne povis formi eĉ unu seneraran frazon kaj apenaŭ komprenis, kiam oni parolis al ili. Kaj li estis amuze naŭzita, aŭ naŭze amuzita, kiam ili diris al li flataĉe. »Sinjoro, sinjoro, vi estas nia patro, sinjoro,« aŭ »Vi estas bonega instruisto, sinjoro.« Kaj lia puritana kolero varmiĝis, kiam ili demandis en klaso, kun ruza inocenteco, »Sinjoro, kion signifas *utero?*« Li kredis, ke li komprenas kaj respektas la patriarĥan menson de la egiptoj, ilian simplan gastamon, ilian

## Protesto

— Alex Kay —

Mi estas tiel laca, kiel la mont' maljuna,
kiun jam tedas teni la herbon kaj la humon,
kaj kiu ĉi fatrasojn forŝutas, kaj la lumon
de l' suno nude sorbas per sia roko bruna.

Mi estas tiel laca, kiel la arb' maljuna,
kiun jam tedas teni folian verdon, neston,
kaj kiu de l' folioj forŝutas lastan reston,
kaj al ĉiel' sin streĉas kun la branĉaro bruna.

Mi estas tiel laca plu servi, flori, frukti.
Mi volus sorbi sunon, kun grandaj ventoj lukti,
kiel la nuda monto kaj senfolia arbo.

Libere de utilaj kaj oportunaj sentoj,
interparoli sole kun tiuj grandaj ventoj
potence kaj fantome — sentempa eolharpo.

---

rave naivan mondkoncepton: sed estis malfacile akordiĝi ĝuste kun la knaboj en lia lernejo: ŝajne io estis koruptinta ilin — kredeble la kontakto kun la eŭropa civilizacio.

Ankaŭ kun la adoltoj estis malfacilaĵoj. Garvin parolis ofte kun la egiptaj instruistoj en sia lernejo, kaj invitis ilin vespermanĝi en lia pensiono. Sed ili estis embarase silentaj, kaj ofte ridis aprezeme pri frazo lia, kiu estis tute serioza. Ili ja parolis la anglan lingvon, sed ŝajne la vortoj havis por ili alian signifon, aŭ tute ne havis signifon; li kaj ili estis kvazaŭ dentradoj, kies dentoj havas malsimilajn grandecojn: oni povis kunmeti la radojn, sed la dentoj ne interkroĉiĝis. Se kelkfoje ili ŝajne komprenis lian frazon, kaj kapjesis emfaze, ili poste faris rimarkigon pri la plej malgrava flankaĵo en ĝi. Estis efektive senkuraĝige, kaj strange lacige.

Suspire, li sin turnis al la angloj en sia pensiono: ŝtatservistoj, registaraj instruistoj, komercistoj, oficistoj. Kun ili li povis paroli libere, certa, ke ili komprenos senpene ĉiun lian frazon, kaj ne mislokos la emocian akcenton; kaj tio kompensis la fakton, ke la temoj kun ili priparoleblaj estis tre limigitaj. Laboro konsiderata kiel puno, dancado, feriaj spertoj — plejparte amaj aŭ drinkaj, la malhonesteco de la egiptoj, la relativa komforto de la diversaj ŝipoj irantaj al Anglujo, la seksa obsedo de la egiptoj, skandalaj rilatoj inter diversaj geangloj en Kairo, firakontoj, sporto, la ĝenerala malnobleco de la egiptoj. »Kiam vi estos restinta en Egiptujo tiom longe, kiom mi, mia knabo,« oni diradis al li, »vi lernos fidi neniun egipton. Pli malbona ol mahometano, estas nur kopto; kaj kontraŭe, pli malbona ol kopto estas nur mahometano. Kaj la plej danĝeraj estas ĝuste tiuj, kiuj ŝajnas plej civilizitaj; dum jaroj eĉ, ili ŝajnas esti fidindaj kaj simpatiaj, kaj tiam ili faras ion vere abomenindan. Ah, kion mi ne donus por foriri el ĉi tiu malbenita lando por ĉiam!«

Tiujn parolantojn Garvin silente malestimis; li estis jam sufiĉe sagaca por kompreni, ke kio ŝajnas ruzaĵo aŭ malhonestaĵo, tio ofte estas nur rezulto de alia sed egale estiminda morala kodo aŭ mondpercepto; kaj li komprenis ankaŭ, ke per sia arogema kaj malestimema konduto la eŭropanoj mem tre ofte elvokas malamikan sintenon ĉe egiptoj.

Li ne havis la šancon renkonti iun kun la pli vastaj interesoj kaj konoj, la pli grandanima komprenemo, kiujn li mem havis; kaj grade, nevole, li komencis limigi sian intereson en la terenon de la aliaj angloj; kaj grade, nerimarkite, la venena vidpunkto, kiun li aŭdis esprimi ĉiutage, komencis penetri en lian menson. Ĉe la komenco ofendis lin la malestima angla vorto por egipto, *ĝipo;* sed post kelkaj semajnoj, senrimarke, komencis ĝin uzi ankaŭ li. Kaj komencis formiĝi en lia menso la senvorta, neagnoskebla penso: ankaŭ Ibrahim estas egipto.

Dum la vespermanĝoj, kiam Ibrahim kaj Cicilio venis iun semajnfinon al Kairo, ili komence babilis facile pri mastrumado, pri la nova apartamento, kiun Ibrahim trovis en Beni Suef, pri la lernejo de Garvin. Baldaŭ evidentiĝis, ke nek Ibrahim nek Garvin trovis ankoraŭ okazon komenci tiujn reformojn, pri kiuj iam ili entuziasmis: terure estis la inerto venkota: en la paroloj de ambaŭ ekaperis jam la unua nuanco de senkuraĝiĝo. Ili diskutis por trovi la punkton, de kiu ili ekiros por komenci sian reformadon; kaj en la interparolado kelkaj malestimaj frazoj pri la egiptoj — kompreneble, neniel aplikeblaj al Ibrahim — glitis el la buŝo de Garvin: frazoj kiujn li papage memoris de la anglaj konatoj en la pensiono. Ili komenciĝis per la indulgema, kompata frazo, »Kompreneble, oni devas konfesi, ke la egiptoj . . .«, kaj sekvis mallaŭda senatesta ĝeneralaĵo, kiun la sekvanta »tamen« ne povis forviŝi. Ibrahim vundiĝis, sed ne povis kontraŭstari: tio tro identigus lin kun la egiptoj — kaj la nivelo de la konversacio estis pure angla nivelo. La atmosfero iomete malvarmiĝis. Kaj baldaŭ ili iom ofte silentis, vane serĉante temojn por priparolado. Kelkfoje Garvin ŝercis kun Cicilio pri la aliaj gastoj en la restoracio, pri unu-du egiptoj grasaj, kiuj tro entuziasme glutis sian supon. Ibrahim silentis, kun sia pipo inter la dentoj. Kaj grade, nerimarkite, la sinteno de Garvin pri Cicilio fariĝis nuance protektema. Kelkfoje ili iris kune al kinejo, kaj en la emocia varmo, kiu sekvas spektadon de filmo aŭ teatraĵo, ili gaje babilis senretene kiel antaŭe; kaj Garvin kritikis la anglajn kaj usonajn filmojn, emfazante ties stultecon, pro la nekonscia bezono kontraŭpezi siajn mallaŭdojn pri la egiptoj . . . Kiam ili estis reirintaj al Beni Suef, Garvin ofte pensis pri Cicilio kun tenera amikeco; li sentis, ke eble Ibrahim ne vere komprenas ŝian karakteron kaj emociajn bezonojn.

*

»Ne ĉio marŝis bone en Beni Suef. Snobeco. Kaj estis parencoj.« Garvin mane aplaŭdis iun brilan baton de iu ludanto, kaj tenis la rigardon fiksita sur la razeno.

Dum la unuaj semajnoj en Beni Suef, Cicilio estis tre feliĉa. Ĉio en la malgranda provinca urbo estis kurioza, interesa, romantika; kaj ŝi sukcesis ignori la okulmalsanojn ĉie videblajn, la odoraĉojn sur la stratoj, la muŝojn, la mankon de ĉia amuzo.

Alvenis la mebloj kiujn ili mendis en Kairo, kaj estis rava plezuro aranĝi, rearanĝi, beligi sian propran hejmon. Tri-kvarfoje ŝi kaj Ibrahim metis kaj remetis la meblojn en ĉiu ĉambro, ĝis fine ili trovis la perfektan aranĝon. Posttagmeze, kiam estis plej varme, ili senvestigis sin, kaj nudaj, babilis, legis, aŭ ame ludis, ĝis kiam ili glitis en tiun dolĉan dormon de la egipta posttagmezo. Vespere, ili promenis kune, esplorante la urbeton, ĝuante la freŝan refortigan venton, kiun ĉiu egipta vespero alportas. Ibrahim estis tre atentema, amema; ili partoprenis ĉiujn pensojn seriozajn aŭ amuzajn.

Ili dungis serviston, kaj tio estis plua plezura ekscito por Cicilio, kiu devenis de familio kultura, sed ne sufiĉe riĉa por havi servistinon. Ŝi luktis kun la araba lingvo, progresante, por diskuti kun la servisto pri la tagaj aĉetaĵoj, por aranĝi la manĝojn, por instrui al li kuiri anglajn pladojn. Ofte vespermanĝis kun ili egiptaj kolegoj de Ibrahim, junaj, amikemaj homoj, kiuj sufiĉe bone parolis la anglan lingvon; tamen, ili tro ofte forgese glitis en la araban lingvon, ridante longe pri nekompreneblaj ŝercoj, kaj Cicilio devis sidi kun ili kvazaŭ malaperante, por ne embarase memorigi al ili, ke ŝi ne komprenas. Sed ŝi ankoraŭ ne sentis la mankon de anglaj kunuloj.

En Beni Suef loĝis dek-kvin aŭ dudek angloj, el kiuj dek havis kun si edzinon. Kelkfoje Cicilio vidis ilin surstrate, kaj ili rigardis ŝin kun malvarma, ete ofenda scivolo. Du-trifoje okazis, ke anglino haltigis ŝin, salutante ĝentile, eĉ afable. Tiuj renkontoj estis malesperige similaj unu al alia. »Bonan tagon,« diris anglino. »Mi ofte vidis vin surstrate, kaj mi komprenis, ke vi estas nova tie ĉi. Ĉu via edzo estas instruisto?« Kun ĝoja rideto, Cicilio respondis kore al ŝi. »Jes, mi estas tute nova; mi apenaŭ konas la stratojn. Mi estas s-ino Abd el-Karim — mia edzo estas en la Irigacia Departemento.« La anglino rigardis ŝin ne malpli afable, ne malpli ĝentile, sed ŝajnis, kvazaŭ ŝi korpe malproksimiĝus; ŝajnis, kvazaŭ parolus senvarma kartona figuro. »Aha, mi *komprenas.* Nu, mi ĝojas, ke la vivo tie ĉi plaĉas al vi. Iam vi devos temanĝi kun mi. Ĝis revido!«

Cicilio dankis varme, antaŭ ol ŝi konsciis, ke estas nenio dankinda. La anglino diris nek sian nomon, nek sian adreson; kaj eĉ en tiu malsincera invito ŝi ne kunmetis la nomon de Ibrahim.

En la urbeto, disvastiĝis la novaĵo, ke tiu blonda novulino estas edziniĝinta al egipto. Ili kredis, ke ili kompatas ŝin, sed ili ne faris la solan aferon, kiun proponus al ili la kompato: inviti ŝin kaj ŝian edzon al hejmoj, trakti ŝin kiel amikinon. Kontraŭe, ili fakte ignoris ŝin, salutante tamen tute ĝentile, kiam ili preterpasis ŝin sur la strato. Cicilio ne havis dikan haŭton; ŝi komprenis, ke ŝi estas pario, kaj koleriĝis; kaj nun, ĉar la kunesto de angloj estis malpermesita al ŝi, ŝi komencis ĝin deziri. Matene, kiam Ibrahim estis en la oficejo, kaj en la domo estis neniu, kun kiu ŝi povus paroli, krom la servisto, ŝi dolore sopiris al ajna anglo aŭ anglino, por iom gaja petola babilado; kaj kelkfoje ŝi kaŝe ploretis, haste viŝante la okulojn, se la servisto venis en la ĉambron. Sed pri ĉio ĉi ŝi nenion diris al Ibrahim; eĉ mencii la konduton de la anglinoj estus insulti lin.

Tiam la patro de Ibrahim decidis, ke li iros kunvivi kun sia filo kaj bofilino. Kiam li unue faris tiun proponon, Ibrahim ne volis akcepti; sed li estis egipto en Egiptujo, kaj la ideo, ke la tuta familio kunvivas, estas tiom familiara, tiom parto de la natura ordo, ke li ne povis multe protesti — apenaŭ konsciis, ke estas io priprotestinda. Kaj Cicilio, ne komprenante kiaj estos la novaj cirkonstancoj, kaj ne volante vundi Ibrahim-on, ne oponis la ideon.

Do, ili venis. Estis la patro, la patrino, du junaj fratoj — lernejanoj, kaj du pli aĝaj fratinoj, kiuj atendis edziĝproponojn. La patro estis pensiita ŝtatservisto; li sidadis en la domo preskaŭ la tutan tagon. La virinoj leviĝis malfrue, kaj ankaŭ ili sidadis preskaŭ la tutan tagon en la saloneto, frandante sukeraĵojn,

# Poemoj de Rainer Maria Rilke

*El la germana: Hilda Dresen*

## La morto de la amatino

Ja sole tion sciis li pri l' morto:
ke en la muton ĝi ekpuŝas nin.
Sed kiam ŝi, sen ia ajn perforto,
kviete estingiĝis en la fin',

glitante transen al mortregno fora,
kaj kiam sentis li, ke tie nun
al la mortintoj brilas ŝia kora
knabinrideto kvazaŭ lun':

ekŝajnis la mortregno sen danĝer',
parencaj la mortintojn li eksentis
kaj, sen mister' homdirojn ne atentis

kaj ame pensis pri la transa sfer',
la bone situanta, dolĉoplena —.
Li ĝin klopodis fari pli ebena.

## Amkanto

Kiel mi tenu la animon, ke
la vian ĝi ne tuŝu? Kiel mi
ĝin aliloken trans vin levi povus?
Aĥ, bone estus al animo, se
ĝi ie en mallum' kaŝlokon trovus
ĉe io jam perdita, kie ĝi
kun via kor' sin vibre ne kunmovus.
Sed ĉio nin tuŝanta, vin kaj min,
kunligas arĉe en du kordoj nin,
kreante unu sonon per kunfand'.
Ho kie ni, sur kiu instrument'?
Kaj kiu ludas ĝin en ĉi moment'?
Ho, dolĉa kant'.

## El iu aprilo

Bonodoras arbar'.
Pro l' kante ŝvebantaj alaŭdoj
iĝas pli alta ĉiel', pezinta sur ŝultroj preme;
kaj tamen ankoraŭ pasas la tago malplene, —
sed post multhoraj, longaj pluvadoj venos
venke la horoj pli novaj,
sunoabundaj,
kaj la fenestroj, ĝis tiu temp' senmovaj,
fuĝi per vundaj
baraktantaj flugiloj penos.

Nenia bru'. Reeĥas milde nur sonoj
de la pluvgutoj sur la ŝtona pavim'.
Ĉiu brueto kaŝas nun sin
en la brile ŝvelantaj burĝonoj.

---

babilante en la araba lingvo, ĉar ili tute ne komprenis la anglan. La sama unu servisto havis multe pli da laboro, kaj sekve, ne povis teni la apartamenton tiom pura, kiom antaŭe. La egiptinoj faris nenian laboron, do ofte Cicilio prenis viŝilon por purigi la meblojn aŭ la fenestrojn. Ŝi suspektis, ke la egiptinoj ĉar ŝi ne parolas kun ili, opinias ŝin pretendema, afekta, — forgesante, ke ŝi ne komprenas la araban lingvon; kaj ŝi sentis, ke ili mokas ŝian laboron, ĝojante ke ŝi tiel humiligas sin. La servisto ne plu havis tempon por prepari aŭ lerni anglajn pladojn, kaj la manĝaĵoj fariĝis tute egiptaj: bonaj, nutraj, sed por anglino, kiu ne havis okazon al ili kutimiĝi, malallogaj. La patro kaj la virinoj ne manĝis tiom senbrue, kiom oni devas laŭ la eŭropana etiketo, kaj kelkfoje Cicilio preskaŭ ne povis manĝi pro repuŝo; ŝi ne plu havis apetiton. La lingvo de la domo fariĝis la araba, kaj ŝajnis, ke ŝi tre malofte havis la okazon paroli, babili gaje, intime ŝerci en la angla lingvo kun Ibrahim. Kaj plej dolore, ŝi konstatis, ke li kaj ŝi ne plu estas la perfekta unuo, en kiun ili kunfandiĝis jam de la fianĉiĝo: ili estis apartigitaj, ili ne plu estis kunstaraj individuoj — ili fariĝis jam nur du eroj de la familia organizo. Li ŝajnis ne plu esti ŝia Ibrahim, kun kiu ŝi ludis, korpe kaj anime nudaj; li estis egipta familiano, kun kiu hazarde ŝi kunvivis. Per ridetoj specialaj, per karesoj, per senfina tenereco, ŝi provis reproksimiĝi al li; siaflanke, li sentis, ke io ne marŝas bone; li provis repreni ŝin al si: sed la familia atmosfero estis tro forta, estis jam neeble. Cicilio ofte volis plori, ploregi, sed ne povis: en tiu trologata domo ne estis rifuĝejo, solecejo, en kiu oni povus liberigi la sentojn.

*

Ne estis sur la razeno ludantoj; supozeble ili estis trinkantaj teon. Garvin meditis kvaronhoron. »Jes«, li diris fine, »la aferoj marŝis sufiĉe malbone. Unufoje ŝi eĉ forkuris al Kairo. Volis rifuĝi al mi.«

Tiu mizera stato daŭris en la antaŭe feliĉa propra domo, Cicilio ne sciis ĉu plurajn semajnojn, aŭ monatojn: ŝi jam preskaŭ forgesis, ke iam ŝi estis la sola persono en la mondo por Ibrahim. Tamen, de tempo al tempo venis memorospasmoj, kiuj kunpremis ŝian koron; tiam ŝi devis eliri el la domo haste, rapide marŝante por ne verŝi larmojn; poste, ŝi reiris al la apartamento, ŝvitanta kaj ellaciĝita, sensenta, senvola, senespere soleca, malgraŭ la prizorgo de Ibrahim — kompatinda Ibrahim, kiu, ne komprenante ŝian ĉagrenon, tamen subkonscie suspektis la kaŭzon, volis konsoli, sed jam ne povis ŝin helpi.

Kaj fine, unu matenon, sen antaŭa pripenso, ŝi iris al la stacidomo, aĉetis bileton kvazaŭ en sonĝo, kaj iris al Kairo.

Kiam Garvin reiris al la pensiono posttagmeze, li trovis ŝin sidanta sur la lito en lia ĉambro. Li salutis ŝin, kaj esprimis sian surprizon pri tio, ke ŝi venis sen Ibrahim; kaj, dum li parolis, eĉ li, nerimarkema, povis vidi, ke ŝi havas ian angoron, ke ŝia animo estas troŝarĝita.

»Kio estas?« li demandis. »Ĉu io ne funkcias bone?«

Ŝi neis, ke io ne funkcias bone. »Ne,« ŝi diris, »mi venis nur por ŝanĝo de aero. Kompreneble, Ibrahim estas malliberulo en la oficejo.«

Ŝi ridetis, sed la lipoj kaj la voĉo tremis; kaj subite ŝi ploretis, ploris, kaj kaŝis la vizaĝon en la kapkusenon. Garvin eksidis ĉe ŝia flanko, karesante ŝian ŝultron, kaj iom post iom la tuta historio elverŝiĝis: estas solece, la virinoj ĉiam sidadas kaj sidadas frenezige, Ibrahim estas brava, li estas bonulo, sed tiom malproksima, ŝia feliĉo estas ruinigita, oni ne povas manĝi la egiptajn manĝaĵojn, sed Ibrahim amas ŝin ankoraŭ, se nur ŝi havus anglan amikinon en la urbeto,

sed ŝi ne rajtas riproĉi al Ibrahim, li faras ĉion, kion li povas, la domo estas tiom malpura... Garvin diris konsolajn vortojn, kaj karesadis ŝian ŝultron; kaj fine la ploroj finiĝis, malpli pro liaj konsoloj, ol pro la fakto, ke la spasmo elĉerpiĝis. Ŝi residis, kaj komencis ordigi siajn harojn; kaj kiel kutime, ĉe la fino de senespera ploro, eklumis en ŝia koro iom da dolĉa espero.

Garvin diris al ŝi, ke ĉio estos en ordo; nur necesas iom paroli kun Ibrahim, li komprenos, li povos pli komforte aranĝi la vivon en Beni Suef, li kaj ŝi devus veni pli ofte al Kairo por babili kaj amuziĝi. Garvin rigardis ŝin, ŝiajn ruĝrandajn okulojn, kaj ŝian kuraĝan provon rideti, kaj li volis preni ŝin en siajn brakojn kaj kisi ŝin, kompreneble nur amike, konsole. Li eliris, dum ŝi lavis sian vizaĝon, kaj sendis telegramon al Ibrahim, petantan, ke li venu al Kairo tuj. Garvin sentis, ke li havas grandan respondumon; li devis refeliĉigi la vivon al siaj amikoj; kaj li marŝis kun la ŝultroj rektaj, kaj cedis lokon sur la trotuaro al aliaj marŝantoj eĉ pli ĝentile ol kutime. Li sentis sin tre saĝa.

Li kaj Cicilio kune vespermanĝis en la pensiono, tre gaje, konversante ne per kompletaj, formalaj frazoj, sed per la duon-aludoj de intimaj amikoj; ili sentis sin tre proksimaj unu al la alia.

Ibrahim alvenis je la deka; ĉar ne estis taŭga vagonaro, li estis luinta aŭtomobilon. Li estis tre malsata, kaj, dum li manĝis, ili parolis pri bagateloj. Poste ili iris al la ĉambro de Garvin, kaj diskutis la situacion ĝis la tria kaj duono. Cicilio estis tre amema al Ibrahim, ŝi ridis al li gaje kaj sidis proksime al li; ŝi ne multe parolis: estis Garvin, kiu klarigis al Ibrahim ŝian malfeliĉon kaj la kialon por ŝia forkuro.

Ibrahim kulpigis sin pri ĉio; estis, bedaŭrinde, jam ne eble forsendi la familianojn, sed li aranĝos, ke Cicilio kaj li havu pli da privateco por siaj propraj aferoj. Li sciis, ke la vivo en Beni Suef estas teda por Cicilio; kaj li proponis, ke almenaŭ unufoje semajne, ŝi iru al Kairo posttagmeze, tie dormu la nokton, kaj reiru al Beni Suef la proksiman matenon; certe Garvin dediĉos al ŝi unu vesperon kaj ŝin amuzos? Garvin kompreneble volis ĉion fari por feliĉigi siajn amikojn; kompreneble li dediĉos sian tempon al Cicilio. Cetere, lin tedis la aliaj pensionanoj; estus tre agrable paroli kun inteligenta persono. Fine ili disiĝis por la nokto. Cicilio ridetis tre dankeme al Garvin, kaj Ibrahim diris, ke li estas bonega, kara amiko, kaj ke li ĉiam sciis, ke oni povas dependi de anglo. Garvin iomete kuntiris la brovojn — oni ne diras tiajn emociajojn ĉe angloj — sed li sentis, ke Ibrahim pravas, kaj ili ĉiuj endormiĝis tre feliĉe. Dum tiuj lastaj momentoj antaŭ dormo, kuŝante en la brakoj de Ibrahim, Cicilio sentis, ke ŝi retrovis la feliĉan unuan periodon de sia edzineco.

La proksiman matenon ŝi reiris al Beni Suef kun Ibrahim.

La ludantoj revenis sur la kampon. Garvin rigardis ilin takseme. »La armea ludantaro jam ne povas gajni,« li diris; »mankas tempo. Nu, post tio, ŝi venis regule ĉiusemajne al Kairo. Ni akordiĝis tre bone; fakte, unufoje, preskaŭ... hm... preskaŭ tro bone.«

Tiu regula ekskurso al Kairo fariĝis por Cicilio la kulmino de la semajno. Estis pli facile toleri la malagrablaĵojn de la familia vivo; ŝi sentis, ke ŝi estas sendependa de la aliaj, ĉar ŝi povas eskapi. Ankaŭ por Garvin ĝi estis la ĉefa plezuro. Grava faktoro en lia plezuro estis la fakto, ke li malsatis je la kunesto de virino, ĉar anglaj virinoj, aŭ virinoj kiujn povas koni angloj, estas tre maloftaj en Egiptujo.

Ili iris al koncertoj kaj kinejoj kaj lekcioj; ili promenis laŭ la stratoj, komentante la preterpasantojn, provante diveni, kiujn el la cent lingvoj de Kairo ili parolas; ili vespermanĝis en italaj, grekaj, egiptaj restoracioj, kaj kelkfoje en la hotela ĝardeno en la ombro de la Granda Piramido mem. Ili priparolis sin mem, sian vivon, kaj ĉiu aŭskultis la alian kun rava intereso. Tiujn vesperojn Cicilio aspektis tre bela; ŝi marŝis risorte, glate, ŝiaj vangoj estis ruĝaj, ŝiaj okuloj brilis pli ol kutime. Kaj ĉe ŝia reveno al Beni Suef, ĉio iris pli bone inter ŝi kaj Ibrahim; ŝajnis, ke efektive reviviĝis iom el la malnova rilato.

Unu posttagmezon, Garvin kaj Cicilio promenis sur la insulo Gezira, post temanĝo ĉe la Angla Sportklubo. Ili intencis iri frue al kinejo, kaj poste veturi al la Piramidoj por vespermanĝo. Estis la sesa, kaj jam komenciĝis la sunsubiro. Ili marŝis laŭlonge de la Nilo, malmulte parolante. Okcidente, la ĉielo estis ora lago, el kiu falis tie kaj ĉi tie gutoj oraj sur la purpure brunan akvon de la rivero. Kuŝis sur la urbego la varma silento de krepusko, nur de proksima minareto sonoris arĝente la krio de muezino. Ili eniris unu el la parketoj borde de la rivero, kaj sidis, kontemplante la fantastajn siluetojn de la orientaj domoj sur la mallumiĝanta ĉielo.

Ili ne parolis. Garvin turnis la kapon al ŝi; li povis vidi nur la formon, estis jam tro mallume por distingi la trajtojn. Subite, senhaste, li klinis sin kaj kisis ŝiajn lipojn. Ŝi sidis senmove momenton, kaj tiam ŝi ĵetis la brakojn ĉirkaŭ lian kolon, kaj pasie premis la lipojn al la liaj... Ili apartiĝis konsternite: kio okazis? Ni ne intencis tion... Garvin ekstaris, kaj rigardis ŝin kun klinita kapo. Ŝi rigardis blinde la riveron. Ŝi ne turnis la kapon al li.

»Estus bone ekiri,« li diris; »alie ni malfruos ĉe la kinejo.«

Ŝi leviĝis. »Jes, ni iru,« ŝi diris.

Ili marŝadis senvorte, zorgante ke la manoj, la ŝultroj, la femuroj ne kuntuŝu dum iro, kvazaŭ por pruvi per la nuna ekstrema zorgo, ke *tio* ne okazis vere. Sed en ili la sango saltadis, vigle fluis, ili sentis pikojn en la karno kvazaŭ de elektra kurento.

En la kinejo ili sidis flankon ĉe flanko, kun la vizaĝoj turnitaj al la ekrano. Garvin nenion vidis de la filmo; li ne povis fiksi la atenton sur la moviĝantaj bildoj. Sed lia korpo, memvole, fiksis sian atenton sur la korpon apudan. Li ne povis pensi, sed unu frazo konstante dancis tra lia cerbo: Tio estas neebla, tio estas neebla. Li rigardis Cicilion. En la ombra lumo li vidis, ke ŝi rigardas la ekranon per malplenaj okuloj.

»Mi ne volas vidi plu«, li diris; »ĉu vi?«

Ŝi kapneis, kaj ili eliris la kinejon. Laŭ lia propono, ili iris al la Piramidoj. Dum la veturo, ili daŭrigis sian silentadon. Ĉiu volis nei la nekredeblan okazon; ĉiu preparis sin por diri, ke kompreneble ĝi estis akcidento, sensignifa; ĉiu senkonscie sentis plezuron revivante tiun momenton — kompreneble nur por malkovri la kaŭzon de tia strangaĵo.

En la restoracio, sub la orobskura maso de la Granda Piramido kaj la inundanta lunlumo, ili malvarmsange analizis ĝin. »Kompreneble, ĝi estis frenezaĵo,« diris Garvin; »ĝi nenion signifas. Ni scias, ke ni ne amas unu la alian: vi amas Ibrahim-on; li estas mia amiko; kaj mi amas neniun; mi estas tipa fraŭlo.« Garvin sentis agrablan sinkompaton, dirante tion; kaj Cicilio premis lian brakon, kaj diris, »Kompa-

tinda fraŭlo! Ni nepre devos trovi por vi edzinon.«

Li neis, ke li deziras edzinon; iel malplaĉis al li la ideo, ke li serĉu edzinon; kaj li reiris al la antaŭa temo.

»Nu, ĉar ni scias, ke ĝi estis nur sensenca akcidento, ni povas ĝin ignori. Ĝi estis eĉ utila: ĝi montris al ni, ke ni estas bonegaj amikoj, kiuj tamen ne amas unu la alian. Ni do povas daŭrigi nian rilatadon, sen timi, ke ni faros sensencaĵon.«

Kompreneble, ili konsentis, ne estas necese rakonti pri tio al Ibrahim; la afero estas finita, enterigita; plej bone forgesi. Kaj ili reiris al la pensiono, babilante tre ĝoje kaj intime pro la nova, elprovita, platona bazo de sia amikeco. Kaj kiam li diris al ŝi bonan nokton, li premis ŝian manon per tre forta, tre amika, komprena premo. Ili estis kamaradoj.

Finita kaj enterigita. Tamen, la proksiman matenon, kaj la sekvintajn tagojn, Cicilio sentis sin pli malpeza, pli gaja; ŝi pli ofte ŝercis kun Ibrahim, pli tenere premis sin al li, pli pasie akceptis liajn karesojn: ili konis grandan ĝojon. Kaj tiu ĉi ĝojo kaŭzis al ŝi kroman ĝojon: ĝi estis pruvo, ke ŝi ja amas Ibrahim-on. Estis eĉ bonŝance, ke tiu... akcidento okazis.

*

»Tiu juĝanto ŝajne neniam vidis kriket-ludon antaŭe,« rimarkis Garvin. Tamen, ĉar li estis anglo kaj kriket-entuziasmulo, li ĝin diris tre mallaŭte kaj trankvile. »Kompreneble,« li daŭrigis, »ŝi ankoraŭ venadis al Kairo ĉiusemajne. Ĉio ŝajnis pluiri senŝanĝe. Kaj tiam subite — mi ne scias kiel ĝi okazis — ni fariĝis geamantoj.«

Ĉio ŝajnis pluiri senŝanĝe. Garvin kaj Cicilio kune iris al koncertoj kaj kinejoj kaj lekcioj. Ili promenis laŭ la stratoj, kaj vespermanĝis en romantikaj restoracietoj. Ili povis permesi al si eĉ pli intimajn, personajn konfesojn ol antaŭe, ĉar ili estis decidintaj, ke *tio* ne povas okazi denove. Tiu kombino el intimeco kaj memkonscia virto donis al ili strange dolĉan feliĉon. Ili scie lasis sin proksimiĝi al la danĝero, kaj ili estis sentimaj, ĉar ŝi ja amis Ibrahim-on, kaj Garvin amis neniun: ili ĉiam povis retroiri antaŭ ol fari sensencaĵon. Ili priparolis tiun punkton, kaj konsentis, ke tiu sekura scio donas al ilia amikeco tute eksterordinaran plezuran kvaliton. Ĝi estis bela, tre lerta aranĝo. Ofte, plurhore, ili priparolis sian interesan, plezuran, sendanĝeran rilaton en la intimeco de la ĉambro de Garvin, en la posttagmezo antaŭ ol eliri por vespermanĝo kaj kinejo, aŭ nokte post vizito al kinejo, antaŭ ol Cicilio foriris al sia litĉambro.

Ĉio pluiris senŝanĝe. Ĝis unu tago. Tiun tagon ili iris posttagmeze al la Zoologia Ĝardeno de Kairo. Ĝi estis malagrabla, malkontentiga tago. Nenio marŝis bone. Jam ĉe la komenco ili preskaŭ malpacis, ĉar Garvin volis iri al la kafejo Groppi por temanĝi, kaj, Cicilio insistis iri al la Zoologia Ĝardeno. Li cedis ne tre kontente. Iliaj humoroj ne akordis; ili interparolis tre lakone. Mankis temoj por konversacio; kaj kiam li faris rimarkon, ŝi ŝajne ne kaptis la signifon, kaj tio iritis lin. Ili fine marŝis antaŭ la kaĝoj senparole, kaj haltis antaŭ la leonoj. Ŝi staris iomete antaŭ li; ili frontis al la kaĝo, sed ili ne multe atentis la leonojn. Subite li konsciis ŝian formon, la molajn rondajn pugojn, la gracian talion, la delikatajn mampintojn kiuj levis la korsaĵon. Li konsciis, ke ŝia korpo estas varma kaj velura: li tion konsciis; li ne pensis. Li tuŝis ŝian brakon; ŝi turnis sin al li, kaj dum longa minuto iliaj rigardoj kunkroĉiĝis. »Venu,« li diris.

Ili iris ekster la ĝardenon, marŝante iom aparte, kvazaŭ fremduloj. Li alvokis taksion, kaj irante al la pensiono, ili sidis ĉiu en sia angulo, senparole, kun okuloj direktitaj antaŭen. La atento de ĉiu estis turnita internen, kvazaŭ ili revus pri ia duone forgesita sperto, sed ĉiu korpo akre konsciis la proksimecon, la dolorigan belecon de la alia; kvazaŭ ĉiu poro de la korpo estis okulo, kaj rigarde esploris ĉiun kurbon, ĉiun kavon, ĉiun falton de la alia.

Alveninte, ŝi sekvis lin al lia ĉambro, sed kiam li malfermis la pordon, kaj paŝis flanken por ke ŝi eniru, ŝi ŝajne vekiĝis, kaj flustris, »Ne, mi ne povas, ne...« Li tenis ŝian brakon.

»Venu,« li diris.

*

# La psalmaro

— *Hasse Z.* —

Kiam Anna-Klara en sia sepa jaro vizitis la unuan klason, iun tagon ŝi petis de mi psalmlibron.

— Kial, — mi demandis.

— Ĉar ankaŭ Gustavo havas.

— Povas esti, — mi respondis, — sed mi neniam aŭdis, ke tiel etaj knabinoj havus psalmaron.

— Sed ankaŭ Gustavo havas.

Kion fari, mi iris aĉeti psalmaron.

Mi trovis multe da diversaj psalmlibroj, malgrandajn, belajn librojn kun mola bindo, orkadraj paĝoj kaj ankaŭ grandajn librojn kun belaj, simplaj literoj. Mi aĉetis, kiu estis la malplej kosta, por ke la infano bontempe lernu la ŝparemon, precipe en tiaj seriozaj aferoj.

Mi skribis la nomon de Anna-Klara en la libron kaj posttagmeze transdonis ĝin al ŝi. Ŝi ege ekĝojis, prenis la libron kaj diris:

— Ĝi estas ĝuste tia, kia tiu de Gustavo.

Mi eksidis kaj iomete meditadis pri la okazintaĵoj kaj poste — la dioj pardonu min, — mi iris al la pordo kaj enokulumis tra la ŝlosiltruo.

Anna-Klara staris meze de la ĉambro, antaŭ la granda spegulo. Kun la malfermita psalmaro ŝi kantis falsvoĉe. De tempo al tempo ŝi rigardis al la spegulo, ĉu ŝia zono bone kuŝas? Kelkfoje ŝi ordigis sian harplekton, kelkfoje glatigis ĉifon sur la robo, kiu ne estis bonorde sur ŝia ŝultro.

Subite mi surprizis ŝin per pordmalfermo kaj eniris:

— Kara Anna-Klara — mi diris — psalmaro estas io multe pli serioza, ol vi imagas. Oni ne staru antaŭ spegulo por kanti el psalmaro. La psalmolibro ne estas por ludi per ĝi. Se vi estos pli aĝa, la instruist-onklino klarigos al vi, kio estas esence psalmaro.

Anna-Klara sidis serioza kaj silenta. Ŝi rigardis sincere al mi kaj decidvoĉe diris:

— Mi volas diri al vi nur unu aferon: Oni ne eniras ĉambron antaŭ ol frapi.

Mi ne kredas, ke Anna-Klara estas jam matura por religiaj problemoj.

El la sveda: *Andreo Gauder.*

»Mi supozas, ke ĝi ne estis tute kriketeca,« diris Garvin juĝeme. »Sed ŝi ne povis esti feliĉa kun egipto. Tamen, li kondutis kiel blankulo. Supozeble, li konsoliĝis.«

Poste, kiam ili revenis al la racio, ili sidis sur la lito, seriozaj. For estis la irita ekscito, kiu plenigis ilin antaŭ duonhoro; ĝin anstataŭis granda, tenera dankemo, kaj interna varma sparko, supozeble la amo; kaj ĉiu havis ankaŭ solenan fieron, naskitan de la sento, ke ili sentime, heroe sekvis sian instinkton, kaj ke ĉiu fariĝis la centro de la universo por la alia. Ili sentis, ke ili ion faris gravegan. Kaj Garvin sentis la strangan fieron de la viro, kiam li kontentigis la korpan deziron de sia unua virino.

Ili diskutis tion, kion ili devas fari. Nepre ili devas tuj sciigi Ibrahim-on; kompatinda Ibrahim, ili diris kun suspiro kaj momenta malgajo. Tamen, li komprenos; li estas raciulo. Malprecize, ili supozis, ke devos okazi eksedziĝa proceso, kaj ke ili iam geedziĝos; sed nur malprecize: la nun bolanta sperto per sia plenego elpuŝis ĉiun ordigan planan penson. Fine ili konsentis sendi telegramon al Ibrahim: »Cicilio restas Kairo bonvolu veni morgaŭ grave Garvin.«

Forsendinte ĝin, ili denove promenis laŭ la stratoj de Kairo; sed ĉi-foje, kiel kutime ĉe novaj geamantoj, la urbo estis pli hela, pli interesa, pli amuza, pli aventuroplena, ol iam ajn antaŭe. Ili marŝis sur la nuboj kaj enspiris aeran vinon. Kaj kun ridoj ili esprimis la esperon, ke ili ne renkontos konaton, ĉar tiu nepre divenus, kio okazis, per ilia ravita mieno.

Tamen, interne, Garvin komencis timi la morgaŭan intervjuon kun Ibrahim. Kompreneble, Ibrahim estis raciulo; li certe komprenos la aferon. Sed jen la malfacilo: Garvin komencis timi, ke Ibrahim komprenos la aferon nur tro bone.

Nude priskribita, la afero estis, ke la edzino de Ibrahim estis forŝtelita de Garvin; ke anglo ŝtelis la edzinon de egipto — terura humiligo por anglo; kaj la ŝtelisto estis ĝuste la plej bona, la plej fidata amiko de Ibrahim. Eĉ plej favora konsidero ne povus nomi la aferon kriketeca. La urtika jukado de sinkulpigo estas netolerebla; kaj Garvin bezonis ŝanĝi sian koncepton pri sia karaktero kaj precipe pri la karaktero de Ibrahim. Li baldaŭ sukcesis kulpigi al Ibrahim, kun iom da indigno, ke ĉi tiu ne bone prizorgis Cicilion, ke li ne rajtas enkarcerigi anglinon en Beni-Suef — tiu morta vilaĝo, kaj ke ĉi ĉio pruvas, pli malpli, ke efektive Ibrahim ne tre multe amas Cicilion. Pri ĉio ĉi Garvin diris nenion al Cicilio; oni ne povas envortigi tiajn pensĉenojn; en vortoj ili aspektas tro nudaj. Ŝi ne rimarkis lian silentemon: ŝi tre feliĉe babilis pri la stratoj, pri ilia estonteco, kaj, en la pli mallumaj stratoj, pri la beleco de lia korpo. De tempo al tempo ŝi pensis kun milda ĉagreno pri la malfeliĉa Ibrahim.

Dum vespermanĝo li kelktempe forgesis la morgaŭon; sed ĝi revenis en lian menson poste. Ĝi fine malaperis en la malluma kuneco de la nokto: dum tiu sorĉa, spirkapta ravo ne estis loko en ili por io ajn, kio ekzistis ekster iliaj korpoj.

Matene, li devis foriri al la lernejo; eĉ kiam la plej ekscita evento de la mondo alvenis, tamen la laboro devas daŭri. Ili parolis pri praktikaj aferoj; pri tagmanĝo, pri la probabla horo, kiam Ibrahim alvenos en Kairo. Kaj Garvin foriris al la lernejo, peze, grize; liaj pensoj ankoraŭ ne funkciis.

En la lernejo li estis iritiĝema; la multvortaj, signifomankaj frazoj de la egiptaj instruistoj en la ripoz-ĉambro preskaŭ kolerigis lin; ili ŝajnis al li preskaŭ subhomaj. Kaj nekonscie li avide kaptis la motivon por malestimi la egiptojn, tio estas, egipton. Vundinte netolereble unu egipton, li bezonis malestimi ĉiujn egiptojn por restarigi sian sinrespekton. Tamen, li estis pli ol ordinare lojala rilate al aliaj rasoj; kaj lia menso devis fronti al la problemo, enteni ĉi tiujn du pensojn: »La egiptoj estas simpatiaj, kaj pli bonaj, pli honestaj, ol volas konfesi la angloj,« kaj »Ibrahim estas *nur* egipto; por li la afero estas malpli dolora, malpli profunda, ol ĝi estus por *ni*.« Baldaŭ lia menso sukcese solvis la problemon; por tio ni havas ja menson.

Ibrahim alvenis posttagmeze, timplena, kredante ke Cicilio estas malsana. Kiam li vidis ŝin sana, li subite reĝojiĝis; li ridis kaj ŝercis kun ŝi; kaj tio faris eĉ pli malfacila la eksplikon.

Tamen, post kelkaj vanaj provoj, ili sukcesis fiksi lian atenton, kaj ili balbute klarigis, ke ili amas unu la alian, kaj volas geedziĝi.

Komence, li ne komprenis, kaj pensis, ke ili ŝercas.

»Bonege,« li diris, »kaj mi prenos kvar egiptajn virinojn, por pravigi la anglan opinion, ke ĉiu egipto havas kvar edzinojn!«

Sed fine ili konvinkis lin; li sidis, rigardante konsternite, senforte, de unu al la alia. Sekvis klarigoj, pluaj, bedaŭroj, sinakuzoj, kredvolaj asertoj, ke ĉio estas bona. Ibrahim plejparte silentis; li okule esploris la vizaĝon de Cicilio por trovi la kialon por tiu ĉi mondfenda katastrofo; je unu momento li ploris. Ĉe tio Garvin ekstaris kaj iris rigardi el la fenestro; li sentis, ke Ibrahim falas tro malalten sub la nivelo de »blankulo«. Momente, Garvin sentis preskaŭ vomemon; momente lia menso jam ne povis rekapti la solvon de la problemo, kiun tiel sukcese ĝi solvis matene.

Tamen, Garvin devis konfesi, ke Ibrahim entute agis kiel »blankulo«: kio egalas la laŭdon, ke »oni tenas rekta sian batilon.« Li ne kriis, li ne sakris, li ne riproĉaĉis, li ne insultis; dum la tuta intervjuo li diskutis la aferon racie.

Estis vere, ke dum la lastaj kelkaj monatoj, li iom perdis en Beni-Suef sian anglecon; lia parolado de angla lingvo estis idiome iom malpli perfekta; li parolis mallaŭte kaj, kiam la emocio ne mutigis lin, komencis repreni la mondkomprenon de la ordinara egipto, kiu estas eĉ pli naiva ol tiu de la Oxford-a universitatano; li kutimis porti en la domo piĵamon anstataŭ ordinaraj vestoj. Sed por li la ĉefa afero en la vivo, kiu donis al li ian eminentecon, estis ĝuste lia angleco; tio sola donis al li prestiĝon, distingis lin de la aliaj egiptoj. Kaj pli entuziasme eĉ ol en Anglujo li kroĉis sin al siaj anglaj idealoj kaj al sia angla pipo.

Li rekonis, ke en tiu ĉi katastrofo li devas montri sin komprenema, trankvila, grandanima, kiel decus ĉe anglo. Li luktis, kaj en la lukto li forgesis, ke estas ĝuste anglo, kiu lin perfidis. Li luktis; kaj venkis; kaj la malvarma ĉagreno ĉe lia koro mildiĝis momente, kiam Garvin diris al li, tute sen ironia intenco, »Dankon, Ibrahim, vi estas ‚blankulo'. Ni sciis, ke vi komprenos«.

Estis decidite, ke Ibrahim permesos al Cicilio eksedziĝi lin; laŭ la angla ideala kodo, oni ne povas permesi, ke virino estu akuzita pri malmoraleco. Intertempe, estus plej bone, ke Cicilio iru al Anglujo, kaj tie fari la proceson, por eviti skandalon en Egiptujo.

La proksiman matenon Ibrahim reiris al Beni-Suef, kaj al sia familio, kaj al la senfine ripetota frazo:

# Kung J. Ĝ.

— Lu Sin —

La interna aranĝo de trinkejoj en la urbeto Lu estas malsama, ol en aliaj urboj: en la fronto estas granda montrotablo, malantaŭ ĝi estas pretigita varma akvo, en kiu oni povas iam ajn varmigi trinkaĵon. Laborantoj, fininte sian laboron tagmeze aŭ antaŭvespere, ofte elspezas kvar kupromoneretojn por aĉeti tason[1] da trinkaĵo, — tio estis antaŭ pli ol dudek jaroj, nun por ĉiu taso la prezo estas ĉirkaŭ dek moneretoj — staras antaŭ la montrotablo, trinkas, kiam la trinkaĵo ankoraŭ estas varma, kaj ripozas; se oni volus elspezi alian monereton, oni povus aĉeti telereton da salita bambuĝermo aŭ hŭejŝiangfabo[2] por manĝi kune kun la trinkaĵo. Sed multaj el tiuj ĉi klientoj estas »mallongvestuloj« kaj ne povas esti tiel luksemaj. Nur »robuloj« povas enpaŝi la najbaran trinkĉambron, alporti trinkaĵon kaj manĝaĵojn kaj manĝi kaj trinki malrapide.

De mia dekdua jaro, mi servas kiel kelnero en Ŝianheng-Trinkejo ĉe la enirejo de la urbeto. La trinkejestro diris, ke mi estas tro stultaspekta, eble ne povas servi la robajn klientojn, do mi faru ion ekstere. Sed senfine babiladis ne malmultaj el la eksteraj klientoj mallongvestaj, kvankam ili estis facile trakteblaj. Ili ofte ne trankviliĝis, ĝis ili proprokule observis, kiel la flava trinkaĵo verŝiĝas el vazo, ĉu estas akvo en la fundo de kruĉo, kaj ĉu la kruĉon oni metas en varman akvon por ĝin varmigi: sub tia severa kontrolo, estis tre malfacile enmiksi akvon. Tial post kelkaj tagoj la trinkejestro denove diris, ke mi ne povas ĉi tion fari. Feliĉe, la rekomendinto estis influa, kaj ne estis eble min maldungi, do mia tasko aliiĝis en la seninteresan trinkaĵvarmigadon.

De tiam mi tuttage staris interne de la montrotablo kaj faris nur mian taskon. Kvankam mi ne misfaris mian taskon, mi sentis iom da monotono kaj enuo. La trinkejestro havis severan vizaĝon, ankaŭ la klientoj ne estis mildatonaj, tiel, ke oni ne povis esti vigla; nur kiam Kung J. Ĝ. venis, oni povis iom ridi, kion, sekve, mi ankoraŭ memoras.

Kung J. Ĝ. estis la nura homo, kiu trinkis starante kaj tamen portis robon. Li estis altstatura, lia vizaĝo estis pala kaj ofte havis vundrestaĵojn inter la faldoj; lia barbo estis taŭzita kaj duonblanka. Kvankam li portis robon, tamen ĝi estis kaj malpura kaj eluzita, kvazaŭ ne flikita kaj ne lavita jam kvindek jarojn. Kiam li parolis, li ĉiam uzis la vortojn *‚ji, hu, je, je'*,[3] ke oni lin duone komprenis kaj duone ne komprenis. Ĉar lia familia nomo estis Kung, oni prenis por li la moknomon Kung J. Ĝ. el la duonkomprenita frazo supra granda homo Kung J. Ĝ.'[4] en skribmodelo. Kiam Kung J. Ĝ. alvenis, ĉiuj trinkantoj, rigardante lin, ekridis, kelkaj kriis: »Kung J. Ĝ.; sur lia vizaĝo plimultiĝis la cikatroj!« Li ne respondis, sed diris al malantaŭ la montrotablo: »Varmigu du tasojn da trink-

[1] Malriĉuloj ofte trinkas el taso anstataŭ glaso.
[2] fabo spicita per hŭejŝiang (fenkolo).

[3] *ji:* iru al; prep. del.
*hu:* ĉu? (uzata je la fino de frazo).
*je:* -isto, -anto, ulo.
*je:* esti (uzata je la fino de frazo).
Tiuj ĉi kvar vortoj estis uzataj en la ĉina klasika lingvo, sed ne en la vulgara lingvo de l' ĉina popolo.
[4] Oni ĉi tiujn vortojn presas en skribmodelo por infanoj pro ilia simpleco.

---

»Nu, kompreneble, se vi insistas edziĝi kun fremda virino, anstataŭ kun kuzino...« Garvin kaj Cicilio havis ankoraŭ kelkajn tagojn en sia dolĉa nova mondo, kaj tiam ankaŭ ŝi foriris al Aleksandrio, kaj al Anglujo.

Ili longe kisis unu la alian sur la kajo, spite la hordojn da portistoj, ĵuris skribi ĉiutage, kaj aranĝis, ke la proksiman someron Garvin reiros al Anglujo por la edziĝo.

*

»Post ŝia foriro,« diris Garvin, »ni longe skribis unu al la alia. Sed kiam ni estis apartaj, ni ŝajnis malpli taŭgaj unu por la alia. Efektive, la afero estis jam finita antaŭ ol mi iris al Anglujo por la libertempo. Mi preskaŭ falis en edziĝon, ĉu ne?«

Jes, tion oni povas supozi: sen la varma, parfuma proksimeco, sen la sekreta interparolado de korpoj dum longaj noktoj, la kuneco ŝajnis malpli »taŭga«. Kreskanta malvarmeco en la tono de liaj leteroj; plendoj, vekrioj en ŝiaj; fine, la vire firma anonco, ke oni devas rigardi la aferon racie, kaj ne riski la fiaskon de du vivoj; momenta emocio en orienta lando ne estas sufiĉa bazo por tutviva rilato. Lasta letero ŝia, kompatige senriproĉa; kaj fino.

Finita kaj enterigita; ĉi foje definitive.

*

»Kio okazis al Ibrahim?« mi demandis al Garvin.

Li iomete tiris la ŝultrojn. »Oni diris al mi, ke li iom egiptiĝis,« li respondis.

Jes, li iom »egiptiĝis«; tion mi sciis. Ĉar mi konis Ibrahim-on, li estis unu el miaj amikoj; mi sciis lian historion, nure mi ne sciis la nomon de la angla amiko, pri kiu li kelkfoje kolere aŭ blasfeme plendis.

Efektive, li »egiptiĝis«. Post la foriro de Cicilio, rompiĝis la ligo inter li kaj la angloj; ne estas eble por egipto, eĉ el Oxford, frekventi anglojn en Egiptujo. Li malofte parolis angle, kaj grade la vortoj ŝajnis perdi sian signifon, la frazoj estis malplenaj. Li faris sian laboron en la oficejo, malrapide, trinkante multajn tasojn da kafo kaj fumante multajn cigaredojn; li mokis la kelkajn entuziasmulojn, kiuj volas reformi kaj modernigi la egiptojn. Li komencis promeni en la malvarmeta vespero en sia piĵamo, kiel aliaj egiptaj civitanoj. Kaj en la lastaj jaroj mi ofte vidis lin vespere sur la teraso de kafejo, vestitan en galabijo, kun fezo; kiam li vidis min, li mallerte kvazaŭstaris, kaj skizis tiun fingrotuŝon al brusto kaj frunto, per kiu la egiptoj salutas siajn konatojn. Li egiptiĝis; sed kiam li promenis publike, li ĉiam tenis inter siaj dentoj sian anglan pipon: almenaŭ tion li konservis el sia restado en Anglujo, el sia angleco.

*

La sunsubiro atingis nin kun la kutima subiteco; estis jam preskaŭ mallume, kaj oni apenaŭ povis vidi la ludantojn marŝantajn for de la kampo. Ni leviĝis por foriri.

»Kion vi pensas pri la ludo?« diris Garvin. »Bona, ĉu ne?«

Kaj mi devis rapide serĉi ĝeneralan frazon, kiu ne perfidu la fakton, ke mi tute ne atentis la ludon de kriketo, kio estas krimo apenaŭ pardonebla. *(Fino.)*

aĵo kaj alportu unu telereton da huejŝiangfabo.« Tion dirinte, li vicigis naŭ moneretojn. Ili intence laŭte kriis: »Certe vi denove ŝtelis.« Larĝe malferminte la okulojn, Kung J. G. diris: »Kial vi tiel senbaze makulas mian senkulpecon?...« »Kia senkulpeco? Antaŭhieraŭ mi proprokule vidis vin ŝteli librojn de sinjoro Ho kaj pende batatan.« Kaj Kung J. G. ruĝiĝis, ĉiu blua vejno sur lia frunto ŝvelis, kaj li argumentis: »Ŝteli librojn oni ne povas nomi ŝtelo... Ŝteli librojn!... Afero de intelektuloj, ĉu tion oni povas nomi ŝtelo?« Do sekvis vortoj malfacile kompreneblaj, kiel ,ĝentila sinjoro naturas malriĉecon'[5], kiel *,je, hu'*, ktp. tiel ke la amaso da homoj ridegis; gaja atmosfero plenigis la internon kaj eksteron de la trinkejo.

Oni en lia foresto priparolis, ke Kung J. G. iam studis, sed post ĉio ne sukcesis ,eniri la lernejon',[6] kaj ke li ne estis lerta por perlabori, sekve pli kaj pli malriĉiĝis kaj preskaŭ fariĝis almozulo. Feliĉe, li skribis bonajn vortojn, tial li kopiis librojn por aliuj, ke li povu aĉeti pelvon da rizaĵo. Bedaŭrinde, li havis econ malbonan, t. e., ami manĝi kaj malami labori. Li nur sidu ie ajn kelkajn tagojn, kaj homo, kaj libroj, paperoj, skribilo kaj inkpleto — ĉiuj malaperis. Tio okazis kelkfoje, kaj oni ne plu petis lin kopii librojn. Nenion povis fari Kung J. G., krom fojfoje ŝteli. Sed en nia trinkejo lia konduto estis pli bona ol tiu de ĉiuj aliaj, ĉar li neniam ŝuldis; kvankam kelkfoje li ne havis monon kontantan kaj lian nomon oni provizore skribis sur tabulon, tamen post malpli ol unu monato li certe ĉion repagis kaj de la tabulo forviŝiĝis la nomo Kung. J. G.

Kiam Kung J. G. jam trinkis duontason da trinkaĵo kaj lia ruĝiĝinta vizaĝo iom post iom reprenis sian originalan koloron, aliu lin demandis: »Kung J. G., ĉu vi efektive scipovas legi kaj skribi?« Kung J. G., rigardante la demandinton, mienis, kvazaŭ li ne volus sin humiligi per argumentado. Ili do daŭrigis: »Kial vi eĉ duona ,talentulo'[7] ne povas fariĝi?« Kung J. G. tuj aspektis dekadenca kaj maltrankvila, lia vizaĝo griziĝis, li ion diris; ĉifoje estis nenio krom *,ji, hu, je, je'*, ktp., nenion oni povis kompreni. Tiam ĉiuj ridegis: gaja atmosfero plenigis la internon kaj eksteron de la trinkejo.

Tiam mi povis ridi kune kun la aliaj, kaj la trinkejestro min certe ne riproĉis. Krome la trinkejestro, vidinte Kung J. G.-on, ankaŭ ofte lin tiel demandis por fari onin ridi. Kung J. G. sciis, ke li ne povas konversacii kun ili, sekve li povis alparoli nur infanojn. Foje li diris al mi: »Ĉu vi iam legis?« Mi iomete kapjesis. Li diris: »Vi legis... do mi vin ekzamenu. Kiel vi skribas la vorton ,hŭej' en la termino ,hŭejŝiangfabo'?« Mi pensis, kiel homo simila al almozulo taŭgas por min ekzameni? Sekve mi deturnis la vizaĝon kaj ne plu lin respondis. Kung J. G. atendis longe kaj kompleze diris: »Ne povi skribi?... Mi vin instruu. Memoru! Ĉi tiun vorton oni devus memori. Kiam vi fariĝos trinkejestro, skribante kontlibron vi ĝin uzos.« Mi pensis, ke mi ankoraŭ estas tre malproksima de la rango de estro, kaj cetere nia estro neniam enskribis hŭejŝiangfabon en kontlibron; pensante lin ridinda kaj estante senpacienca, mi malvigle respondis: »Kiu bezonas, ke vi instruu? Ĉu ne estas la vortoĉapo ,ĉaŭ'[8] supre, kaj sube la vorto ,hŭej', kiu signifas reveni, kiam vi diras ,iri kaj reveni'?« Kung J. G. ŝajnis tre gaja, kaj frapetante la montrotablon per du longaj fingrungoj kaj kapjesante li diris: »Jes, jes!... La vorton ,hŭej' oni povas skribi en kvar manieroj, ĉu vi scias?« Mi fariĝis des pli senpacienca kaj elpuŝante la buŝon foriris. Kung J. G. jus trempis sian ungon en trinkaĵon por skribi sur la montrotablo, sed, vidante, ke mi tute ne entuziasmiĝas, li ĝemis kaj aspektis tion bedaŭri.

Kelkfoje najbaraj infanoj, aŭdinte ridadon, ankaŭ alkuris por vidi la scenon kaj ĉirkaŭis Kung J. G.-on. Li do donis al ili po unu hŭejŝiangfabon. Kiam la infanoj la fabojn jam manĝis, ili ankoraŭ ne disiĝis, sed la telereton fiksrigardis. Kung J. G. konfuziĝis, etendis siajn kvin fingrojn, kovris la telereton kaj kliniĝinte diris: »Jam ne multaj, mi jam ne multajn!« Rektiĝinte li denove ekrigardis la fabojn, kaj kapneante diris: »Ne multaj, ne multaj! multaj hu[3] zai[9]? ne multaj je[3]!« Do la grupo da infanoj disiĝis ridadante.

Tiamaniere Kung J. G. faris onin gaja, sed estis tute egale sen li.

Iutage, eble du-tri tagojn antaŭ la Aŭtunmeza Festo, nia estro estis fermanta la konton. Malpendiginte la tabulon, li subite diris: »Kung J. G. jam longe ne venis. Li ankoraŭ ŝuldas deknaŭ moneretojn.« Tiam ankaŭ mi rememoris, ke li efektive jam longe ne venis. Iu trinkanto diris: »Kiel li povus veni?... Lia kruro rompiĝis pro bato.« La trinkejestro diris: »Ha!« »Li ankoraŭ ĉiam ŝtelis. Ĉi-foje li tute malsaĝiĝis, eĉ iris priŝteli Elektitulon[10] Ting. Ĉu lin oni povas priŝteli?« »Kio poste?« »Kio? Unue li skribis konfeson, poste oni lin batadis dum pli ol duonnokto, ĝis lia kruro rompiĝis.« »Poste?« »Poste lia kruro rompiĝis.« »Kio do, post la rompiĝo de lia kruro?« »Kio?... Kiu scias? Oni diris, ke li mortis.« La estro ne plu demandis, kaj malrapide kalkulis sian konton.

Post la Aŭtunmeza Festo, la aŭtuna vento tago post tago malvarmiĝis, vintro proksimiĝis; tuttage mi restis proksima al fajro. Vatita jako jam estis necesa. Iun posttagmezon ne estis klientoj, kaj mi estis sidanta kun okuloj fermitaj. Subite mi aŭdis voĉon: »Varmigu tason da trinkaĵo.« La voĉo, kvankam mallaŭta, estis orelkonata. Sed, kiam mi serĉrigardis, ja ne estis persono. Stariĝinte mi rigardis eksteren kaj vidis Kung J. G.-on sidi malsupre de la montrotablo kontraŭ la sojlo. Lia vizaĝo estis nigra kaj malgrasa kaj tute deformiĝis; li portis eluzitan jakon dutavolan, kun kruroj krucitaj, kaj sub si junka sako, pendigita de la ŝultroj per pajloŝnuroj. Vidinte min, li denove diris: »Varmigu tason da trinkaĵo.« La trinkejestro ankaŭ etendis antaŭen sian kapon kaj diris: »Ĉu Kung J. G.? Vi ankoraŭ ŝuldas deknaŭ moneretojn!« Suprenrigardante Kung J. G. tre rompiĝinte respondis: »Tiun... mi tute repagos la venontan fojon. Ĉi-foje mi aĉetos kontante. Donu trinkaĵon bonan!« La trinkejestro, ankoraŭ same kiel ordinare, diris al li sidante: »Kung. J. G., vi denove ŝtelis!« Sed ĉi-foje li ne multe sin senkulpigis, nur diris mallonge: »Ne ŝercu!« »Ŝerci? Se vi ne ŝtelis, kial vian kruron oni batadis ĝis rompiĝo?« Kung J. G. diris mallaŭte: »Gi romp-

[5] Tio signifas: Gentila sinjoro opinias, ke malriĉeco estas natura, ordinara, ne mirinda.

[6] Tio signifas sukcesi je la unua ekzameno kaj eniri urban lernejon dum la tempo de la malnova eduksistemo.

[7] Lernanto de urba lernejo dum la tempo de la malnova eduksistemo.

[8] signifanta ,herbo'.

[9] zai: interj. ekkrio de admiro aŭ malĝojo; demanda partiklo.

[10] ,Elektitulo' signifas: ,talentulon', kiu sukcesis je la dua ekzameno dum la tempo de la malnova eduksistemo.

# Dudek pengoj

— Dezsö Kosztolányi —

Mi aĉetis inkon, sigelvakson. Ĉe pago mi rimarkis, ke mi ne havas monerojn.

— Nur centpengan monbileton mi havas — mi diris.

— Fraŭlino — ordonis la komercisto, kiu ĝuste staris ĉe la kaso, — ŝanĝu.

Frapsonis la pagmaŝino.

La fraŭlino — blonda, anemia knabino — faligis kelkajn bankbiletojn sur la gumteleron: unu kvindekpengan, unu dudekpengan, ankaŭ dekpengajn kaj la papermonojn ŝi sukerumis per arĝentaj pengoj, kupraj fileroj.

Nur unuokule mi strabis tien. Sed ŝajnis al mi, ke ŝi eraris.

— Ĉu orde? — mi demandis distrite.

Refoje ŝi kalkulis la monon.

— Orde, mi petas — ŝi respondis.

La komercisto kaptis el ŝia mano la monon. Ankaŭ li kalkulis ĝin.

— Kvindek, sepdek, naŭdek, cent — li vortrapidis — jen, bonvolu, mi dankas.

Malrapide mi prenis la monon.

Dume la fraŭlino kaj la komercisto atentis maltrankvile.

— Ĉu orde? — ambaŭ demandis samtempe.

— Jes — mi diris kaj eliris sur la straton.

Flava, trankvila antaŭtagmezo brilis. Mi vagis en la stratoj. Mi eniris kafejon kaj matenmanĝis ĉokoladon.

Kiam mi volis pagi, evidentiĝis, ke mi havas pli multe ol cent pengojn. Mia fakturo en la papervendejo estis tri pengoj kaj kelkaj fileroj. Jam tie mi konjektis, ke oni redonis al mi ne el cent, sed el centdudek pengoj.

Tio okazis al mi la unuan fojon en mia vivo. Jam multfoje okazis, ke mi ricevis malpli. Hejme mi rimarkis tion, post tagoj.

Mi surpriziĝis.

— Ili volis al mi donaci dudek pengojn — mi pensis. Kial? Tio estas ilia sekreto. Certe ili bezonis tion, por rebonigi ion, penti pro io; kaj ili elektis ĝuste min. Nur tio estas ridinda, ke ili estis duope. Vane mi atentigis ilin. Ili kunlaboris. Ili subtenis unu la alian en la eraro. Ili estis kunkulpuloj. Diablon!

Ankoraŭ neniam mi faris ion tian. Ne pro morala afekto, sed el saĝo. Kio ne estas mia, tio min ne interesas.

Antaŭ jaroj en Romo mi loĝis en eleganta hotelo. Iunokte je la dua mi alvenis hejmen, kiam jam dormis ĉiu. Mi eniris la komunan lavejon. Dum el la vitroglobo mi fluigis sapsukon sur miajn manojn en la forta elektrobrilo, sur la kavo de la emajla lavujo mi rimarkis diamantan braceleton. Iu lavis sin, metis kaj forgesis ĝin tie. Mi ĝin levis, rigardis. Kvin grandegaj diamantoj brilis sur ĝi kaj ĉirkaŭe malgrandaj, multegaj, kiel la Suno kaj Luno, kiel la diamant-polveroj de la Laktvojo. Ĝi estis altvalora. Mi ne volis ĝin lasi tie, ĉar mi timis, ke iu ĝin ŝtelos. Alt-levante antaŭ mi, videble mi portis ĝin al la duonluma koridoro kaj paŝadis malrapide, por ke oni ne rigardu min ŝtelisto. Mi vagis de etaĝo al etaĝo, ĝis fine mi trovis kelneron, per li mi vekigis la posedanton kaj en la ĉeesto de la kelnero mi transdonis ĝin al li. La posedanto balancadis la kapon. Li rigardis la juvelon mire, min time, kvazaŭ frenezulon. Li estis brava, b'ankhara, sendube honesta homo, kies komercista principo estas la honesto, sed mi sentis, ke ankaŭ li falis en tenton en tiu malfrua nokta horo, kiam oni vekis lin, kaj mi sentis, ke estus eble »marĉandi« kun li. Fakule li klarigadis pri la braceleto. — *Stupendo* — li ripetis, — *stupendo*. Li eĉ valortaksis ĝin. Li diris sumon, kiun dum jaroj mi ne povus gajni.

La postan tagon la kelnero portis leteron en mian ĉambron. El la koverto falis vizitkarto kun grafa emblemo. Ĝin sendis pola grafino. Sur la vizitkarto ŝi skribis entute nur unu francan frazon. Tiel ŝi dankis mian »komplezon«. Ŝiaflanke la afero estis aranĝita. Ankaŭ miaflanke.

Sed kial nei, pri ĉi tiuj dudek pengoj mi ĝojis. Ankoraŭ neniam mi havis senpagan monon. Ĝi varmigis mian poŝon. Ĉe la tabakisto mi aĉetis skatolon da egiptaj cigaredoj.

Sur la strato mi aĉetis ankoraŭ bukedon da konvaloj. Mi aljetis pengon.

Entuziasme, sencele — kun feliĉa sencelo — mi promenis. Mi ne iris hejmen labori. Mi kalkulis, ke dank' al ĉi tiu mono mi povas ripozi proksimume horon. Ĉe la pontkomenco, en Buda, mi donis pengon al almozulo, ĉe la pontfino pengon ankaŭ al alia.

Mi haltigis taksion. Mi veturis al la Urba Bosko.

— Ne — mi diris al mi en la Bosko — ĉi tiun monon, kiun la hazardo donis al mi preskaŭ perforte, mi ne malŝparos. Per ĝi mi aĉetos ion utilan.

Mi aĉetis paron da gantoj. Bonan, kafkoloran, el cerva ledo, kian jam delonge mi deziris, sed ĝis nun mi ne povis permesi al mi la aĉeton. Plezure mi rigardis ilin, mi pagis kaj ŝovis ilin en la poŝon de mia surtuto. Mi ascendis taksion, por veturi hejmen.

En la veturilo mi meditis jene:

— Ĉi tiu paro da gantoj estos la memorajo. Mi montros ilin al ĉiu: »Jen, rigardu, la sorto donis ilin al mi, ili estas la donaco de la vivo, por ili mi ne devis servuti.«

Ili estas molaj, velurecaj. Kvazaŭ oni manpremus

---

iĝis pro falado, pro falado...« Lia rigardo ŝajnis peti la trinkejestron ne plu tion priparoli. Tiam jam ĉirkaŭiĝis kelkaj personoj, kaj ĉiuj ridis. Mi varmigis la trinkajon, ĝin portis eksteren kaj metis sur la sojlon. Li elprenis el sia ŝirita poŝo kvar moneretojn kaj metis en mian manon. Mi vidis, ke estas koto sur liaj tutaj manoj, per kiuj li estis ja veninta. Baldaŭ li eltrinkis la trinkajon kaj denove, sidante, foriris per manoj, kiam la aliuj paroladis kaj ridadis.

Post tiam, denove longe ni ne vidis Kung J. G.-on. Je la jarfino, malpendiginte la tabulon, la trinkejestro diris: »Kung J. G. ankoraŭ ŝuldas deknaŭ moneretojn!« Je la Klaro-Festo[11] de la sekvanta jaro li denove diris: »Kung J. G. ankoraŭ ŝuldas deknaŭ moneretojn!« Je la Kvinamonata Festo,[12] tamen, li tion ne diris. Denove Aŭtunmezo, sed Kung J. G. ne vidiĝis.

Ĝis nun mi lin ne vidis, — eble li efektive mortis.

El la ĉina: *Venlo Fon.*

[11] La 5-a aŭ 6-a de aprilo.

[12] La kvina tago de la kvina monato de l' luna kalendaro.

kun virino. Denove mi volis elpoŝigi kaj rigardi kaj rigardi ilin. Sed mi trovis nur unu, la maldekstran. La dekstran mi ne trovis. Mi traserĉis miajn poŝojn, eĉ la veŝtpoŝojn. Nenie mi trovis ĝin.

Mi reveturis al la vendejo. Ankaŭ tie ĝi ne estis. Aliloke mi perdis ĝin.

Dum mi veturis hejmen, mi meditis pri tio, kion oni povas fari per unu ganto. Iam oni briligis per ĝi ferfornojn. Sed mi havas varm-akvan hejtadon. Oni povas uzi ĝin ankaŭ por dolorantaj fingroj. Sed kiam mi vundos miajn fingrojn? Kolere mi elĵetis ĝin tra la fenestro. Estu feliĉa, kiu ĝin trovos. Invalido, al kiu mankas ĝuste la dekstra mano, eble ĝojos.

Mi estis jam proksime al mia loĝejo, kiam sur la sidloko mi trovis la dekstran ganton. Ĝis tiam mi sidis sur ĝi. Nun mi ne havis la maldekstran. Do ankaŭ ĝin mi elĵetis tra la fenestro.

La taksametro montris sep pengojn. Mi komencis kalkuli:

— Taksio 7 pengoj, kafejo 10, konvaloj 1, almozuloj 2, gantoj 20, sekve hodiaŭ antaŭtagmeze mi elspezis 40 pengojn tial, ke senpage mi akiris 20 pengojn. Estas iom multekosta amuziĝo. Malbona negoco. Morgaŭ mi redonos la dudek pengojn.

Kaj tiel mi agis.

Tuj matene mi enpaŝis la papervendejon. Mi aĉetis folion da papero. Sur la gumteleron de la kaso mi metis du filerojn kaj apud ili mute mi almetis dudek pengojn. La blonda anemia fraŭlino gapis.

— Hieraŭ vi donis dudek pengojn pli — mi flustris al ŝi ridetante.

— Mi?

— Jes, vi.

— Neeble — ŝi diris kaj ruĝiĝis.

— Tamen.

— Kio? — demandis la posedanto, kiu ekatentis pri nia mallaŭta diskuto kaj alpaŝis.

— Ĉu io ne estas en ordo?

— Nenio — mi mangestis. Erareto.

— Ĉu ŝi donis malpli?

— Eĉ — mi senkulpigis la fraŭlinon, — pli. Dudek pengojn pli. Mi reportis ĝin.

— Pli? — kriis la komercisto rigide. — Jam denove — li konstatis kun akuza rigardo, ĉar ŝajne jam multo estis sur la konto de la fraŭlino.

— Diru, fraŭlino, ĉu vi freneziĝis? — kaj li frapadis per la manoj.

La fraŭlino ion balbutis, poste plorkonvulsiis, enigante la vizaĝon en poŝtukon kaj malaperis post vitropordo. La komercisto mortpale rigardis antaŭ si. Li vidis ruiniĝon, bankroton, tiun scenon, kiam de la ponto li saltos en Danubon. Li tremadis.

— Ni laboras — li turniĝis al mi — en malfacilaj tempoj kaj ŝi forĵetadas monon. Forĵetu vian propran monon — li kriegis al la vitropordo.

Li sidiĝis en la kaso.

Studento pagis, kiu aĉetis kajeron.

— Kiom?

— Ok fileroj — diris la studento.

— Ĉi tiuj fileroj ne estas ok — diris la komercisto kaj plurfoje li kalkulis la filerojn en sia tremetanta, ŝvitanta manplato. Sed jes. Tamen ok. Pardonon. Mi tute freneziĝas.

Honte mi elŝtelis min.

# En baro

*(Unuakta amerika farseto)*

*Rolantoj:*

Mr. A.
Mr. B.
Mr. C.
Barknabo.

(Kiam la kurteno supreniras, Mr. A. kaj Mr. B. sidas en unu angulo de la baro, jam bonhumoraj de drinko. Mr. C. sidas en alia angulo. En la mezo sidas la barknabo.)

*Mr. A.* (Al Mr. B.): Hodiaŭ estas tre bela vetero, ĉu ne?

*Mr. B.* (Al Mr. A.): Jes.

*Mr. A.*: Diru al mi, sinjoro, de kie vi devenas?

*Mr. B.*: El Ĉikago.

*Mr. A.*: Diablon! Kiel malgranda estas la mondo. Ankaŭ mi devenas de tie. En kiu strato vi loĝas?

*Mr. B.*: En la Washington-strato.

*Mr. A.*: Ĉu vere?! Ankaŭ mi loĝas tie. Kaj kian numeron havas la domo, se mi ne ĝenas vin per la demandado?

*Mr. B.*: Washington-strato 12.

*Mr. A.*: Ĉu vere? Ĉu Washington-strato 12, vi diris? Diablon! Ankaŭ mi loĝas tie. Je la nomo de Dio, kiel oni nomas vin?

*Mr. B.*: McGillicudy.

*Mr. A.*: Ĉu McGillicudy? Sed tio ja estas frenezigа! Ankaŭ mia nomo estas la sama. Kaj kio estas via baptonomo?

*Mr. B.*: Oskaro, Oskaro McGillicudy.

*Mr. A.*: Tio jam estas vera rekordo. Ĝi estas tute identa kun la mia.

*Mr. C.* (kiu ĝis nun aŭskultis la paroladon, alvokas la barknabon): Diablon! Kion ĝi signifas?

*La barknabo* (alrigardas la du sinjorojn kaj ŝultrolevas): Ili estas patro kaj filo. Milionuloj. Ili drinkas jam de du tagoj kaj estas mortebriaj...

---

Dum longa tempo mi ne kuraĝis montriĝi en la papervendejo. Pasintfoje, kiam mi iris tiudirekte, mi vidis, ke en la kaso sidas nova fraŭlino, okulvitra, nigra, grasa. La malnova estas maldungita.

Miaj amikoj, al kiuj mi rakontis la historion, riproĉis min.

— Kial vi saĝumis. Kial vi reportis la monon? Tiam la komercisto ne koleriĝus, nek la fraŭlino perdus sian postenon.

— Mi scias — mi respondis trankvile. Per tio, ke ni agas malbone, plej ofte ni kaŭzas malbonon. Sed bedaŭrinde, plej ofte ankaŭ el tio devenas malbono, se ni agas bone. Tamen, ne pro tio mi faris tiel. Mi kalkulis, ke se mi ne redonos tiujn malbenitajn dudek pengojn, baldaŭ mi fariĝos almozulo, ĉar la unuan tagon mi pagis por ili kvardek-pengan uzur-procenton. Kaj mi baldaŭ fariĝos mizera. Mi rekonas: ne estis honeste, ke mi reportis ilin. Sed mi ne povis fari alion. Oni ja estas egoisto.

El la hungara: *L. Spierer.*

# ZOOLOGIO

— AXEL MUNTHE —

Oni diras, ke la homamo estas la plej alta virto, kiu troviĝas. Mi admiras la homamon, sed mi sendube kredas, ke ĝi estas atingebla nur por noblanimaj homoj. Mia animo estas tro malvasta, miaj pensoj flugas tro proksime al la tero por iam atingi tien, kaj mi devas konfesi, ke ju pli longe mi vivas, des pli mi malproksimiĝas de tiu alta idealo. Mi mensogus, se mi dirus, ke mi amas la homojn.

Sed mi amas la bestojn. La subpremitajn, kompatindajn bestojn. Kaj ne gravas, se oni ridas, kiam mi diras, ke pli multe plaĉas al mi esti inter la bestoj, ol inter la plimulto da homoj, kiujn mi renkontas survoje tra la vivo.

Kiam oni parolis kvaronhoron kun homo, oni ĝenerale ricevis sufiĉe, ĉu ne? Almenaŭ por mi sufiĉas, kaj mi kutime sentas emon foriri. Kaj mi ĉiam miras, ke tiu, kun kiu mi parolis, ne foriris jam antaŭ ol mi. Sed neniam fidela hundo tedis min en sia akompano. Ke mi ĝin ne konis, aŭ ĝi ne konis min, ne gravas. Ofte, kiam mi renkontas meditantan hundon, mi haltas kaj demandas, kien ĝi iros, kaj mi momente babilas kun ĝi, kaj se ni ne multe konversacias, tamen plaĉas al mi rigardi ĝin kaj provi kompreni ĝiajn pensojn. Hundoj havas grandan avantaĝon antaŭ la homoj; ili ne povas ališajnigi sin, kaj la paradokso de Talleyrand, ke la interparolo nur estas por kaŝi la pensojn, ne povas esti aplikebla rilate al hundoj.

Mi povas sidi duonan tagon en arbareto por vidi la paŝtantajn bovinojn kaj ĉevalojn; kaj observadi la fizionomion de malgranda azeno, ŝajnas al mi, por psikologo devas esti vere granda plezuro. Sed plej interesaj ili kompreneble estas en la libera naturo, ĉar ligita azeno neniam estas tiel komunikema kaj natura, kiel azeno libera, neligita, kaj tio ja estas memkomprenebla. Sur Ischia mi vivis longan tempon sola kun azeno. Hazarde ni interkonatiĝis. Mi loĝis en malgranda bordbudo, tute apud Marinan, kaj la azeno loĝis mur-ĉe-mure apud mi. Mi tute ne povis dormi en la varma ĉambro de mia hotelo, kaj pro tio mi ĝoje akceptis la inviton de mia amiko Antonio, loĝi en lia malvarmeta bordbudo, kiam li mem estas okupita per fiŝkaptado en la Terracina-golfo. Mi fartis tre bone en mia nova loĝejo inter nasoj kaj retoj, kaj rajde sur la kilo de malnova boato mi skribis longajn amleterojn al la maro. Kiam vesperiĝis en la bordbudo, mi enlitiĝis en mia hamako, kun velo kiel kovrilo, kaj kun memoro de feliĉa tago kiel kapkuseno. La mara muĝado endormigis min, kaj mi estis vekita de la tagiĝo. Kaj ĉiumatene venis mia najbaro, la malgranda azeno, ĝi enigis sian seriozan kapon en la malfermitan fenestron de la budo, tie ĝi staris tute senmova, nur rigardante min. Mi multe miris, ke ĝi ĉiam staras tute senmova, nur rigardante min, sed la sola verŝajna klarigo estas, ke ĝi trovis min belaspekta. Mi kuŝis duondorma, rigardante la azenon, kaj ankaŭ al mi ŝajnis, ke ĝi estas bela. Gi similis malnovan familian portreton, starante kvazaŭ enkadrigita kun sia grizkolora kapo en la malhela pordaperturo, kontraŭ la fundo de la bluiĝanta somermateno. Ekstere pli kaj pli heliĝis, kaj la surfaco de la maro ekbrilis. Jen venis dancanta sunradio rekte en miajn okulojn, kaj tiam mi elhamakiĝis, salutante la golfon. Mi estis libera la tutan tagon, sed la kompatinda azeno estis devigita labori ĉiumatene sur Cassamiccola. Sed inter ni estiĝis tiom da simpatio, ke mi havigis anstataŭanton por ĝi, tiamaniere ni ĉiutage senzorge povis vagadi ien ajn, kvazaŭ ni estus veraj vagabondoj. Kelkafoje mi iris antaŭe kaj la azeno akompanis min tre proksime sur miaj spuroj. Alian fojon ĝi havis propran ideon kaj iris antaŭe kaj mi postsekvis. Mi atente studis la interesan karakteron, kiun mi hazarde renkontis, kaj mi povas konstati, ke mi delonge ne havis tiel bonan kunulon. Mi tre multe povus skribi pri tio, sed tiaj psikologiaj problemoj certe estas tro komplikitaj por la plimulto de miaj legantoj, kaj pro tio mi nun finu.

Kaj la birdoj, kiu povus inter ili laciĝi? Horon post horo mi povus sidi sur muskokovrita tufo kaj atente aŭskulti ĉion, kion la ĉarma birdeto volas diri — mi, kiu neniam povas kolekti miajn pensojn, kiam homo babilas!

Sed, ĉu vi vere rimarkis, kiel bela estas birdeto? Kiam ĝi kantas kaj ludas, ĝi de tempo al tempo gracie klinas sian kapeton, kvazaŭ ĝi volus aŭskulti, ĉu iu respondos malproksime en la arbaro! Kaj en la malfrua somero, kiam la birdopanjeto instruas siajn idojn paroli — ne kredu ke tio estas nur instinkto, ankaŭ la birdetoj devas havi lecionojn por lerni la belan kantolingvon —, ĉu vi foje aŭdis tiajn ekzercadojn, kiam la birdopanjo de sur sia balanciĝinta katedro instruas kaj la someraĝaj idetoj imitas per siaj klaraj infanvoĉoj ...?

Kaj kiam la birdoj silentiĝas, mi nur bezonas rigardi teren inter herbo kaj musko por trovi aliajn konatulojn. Tie vagadas malgranda kokcinelo, beleta kaj gracia en sia nigrepunktita jupo, sur la herbero, kaj amike ĝi venas al mi, surrampante mian montran fingron, kaj tuj ĝi almezuras gantojn — ne gravas por mi gantoj, kiam mi estas for de Paris. Sed pri tio mi ne volus malĝojigi la kokcinelon.

Super la kliniĝintaj herberoj alflugas libelo sur flugiloj de sunbrilo kaj arĝenta retaĵo, kaj profunde sur la vojeto, kiu serpentumas antaŭen inter la grandegaj herbotrunkoj, la malgranda formiko ege streĉas sin, portante sekan arbopinglon sur la dorso. Senfina estas la kampo, jen supren, jen malsupren, jen ĝi tiras la ŝarĝon kiel sledon post si, jen ĝi portas ĝin sur siaj fortikaj ŝultroj. En la kontraŭdeklivoj ĝi streĉas la malfortajn piedojn kontraŭ la teron, kaj malsupren de la krutegejoj ĝi glitadas kun sia ŝarĝo ĉe la sino. Neniam ĝi delasas la kolektaĵon. Nur antaŭen, ĉar la formiko devas rapidi hejmen, baldaŭ falos la roso, kiu malfaciligas la iradon en la erariga arbaro, kaj pli bone estas veni hejmen kiel eble plej baldaŭ, por resti tie en trankvilo kaj paco post finita taglaboro. Nun la vojeto fariĝas pli kaj pli altnivela kaj montara, kaj baldaŭ stariĝas grandega monto antaŭ ĝi. La nomon de la monto la formiko certe scias, sed al mi ŝajnas, ke la monto nur estas ordinara pugnogranda praŝtono. La formiko abrupte ekhaltas kaj meditas momente, kaj subite ĝi per siaj antenoj faras signalon, kiun kompreni mi estas tro stulta, sed kiun aliaj komprenas; kaj de malantaŭa seka folio venas du aliaj formikoj por helpi. Mi vidas kiel ili diskutas la aferon, kaj kiel la ĵus alvenintaj prenas la trunkon por senti, kiom peza ĝi estas. Subite ili staras tute senmovaj kaj nur aŭskultas — patrolo de formikoj preteriras proksime de ili, kaj tuj mi vidas, ke du el la patrolo alproksimiĝas por helpi. Nun ili kunhelpas, kaj kiel maristoj ili malrapide suprentiras la trunkon.

Mi aŭdas, ke la trunko estos uzata por ripari la detruon de tertremo. Kiom da laboremaj estaĵetoj

# La rabia hundo

– *Enrique Larreta* –

Estis unu el tiuj tagoj de profunda sunvarmo, kiujn ne evitas, malgraŭ ke ĝi estas tiel malebena kaj ventoza, tiu regiono de Kastilio. Varmega aero kroĉiĝas al la intermontaj ebenetoj kaj la ĉielo sen nuboj igas ilian koloron intensa, kiel tiun de la emajlo la forno. La rokoj krakas sub la rabio de l' suno, la arboj rostiĝas. Tie kaj tie ĉi, laŭlonge de l' irejoj, aro de ŝarĝbestoj aŭ paŝtataj gregoj levas grandajn nubojn de polvo, kvazaŭ ili estus armeoj.

Teda reflekto minerala ŝvebis super Valle de Amblés. La pejzaĝo estis eĉ pli rigora sub tia senindulga lumo.

Komenciĝis la draŝado. La grenkreskaĵo rebrilis en la draŝejoj.

La kamparanoj devis senĉese sin anstataŭigi, por iri trinki en la ombro de l' ĉaroj. Intertempe, iu levis malvigle la pajl-apartigilon; aliaj, rigidaj kvazaŭ fostoj sur la draŝ-tabuloj, rondiris malbonhumore, urĝante kolere la mulinojn kaj la virbovojn kaj desaltante ĉiumomente por sonigi iliajn dorsojn aŭ makzelojn per siaj vergoj.

Ramiro, supersatigita de religiaj legaĵoj, ekprenis »Aventuras de Don Silves de la Selva«* kaj iris sin loki en malheleta kaŝejo de l' monto, kiun formis tri dikaj ŝtonegoj sub la ombro de kverko.

Kuŝante sur la tero, kun la tempio ĉe la pugno, li haltigis dum momento la legadon por senti plej bone la plezuron de l' kaŝejo. Kelkfoje luma radio pasis tra la foliaro kaj tremigis sur la libro sunmedalon. Tiu ombro gustis al li kiel la kota freŝeco, kiun la akvo konservas en la argilkruĉoj.

Subite, susuro de rapidaj paŝoj igis lin levi la kapon. Li rigardis. Estis Medrano, kuranta sur vojeto direkte al la domaro.

— Kien vi iras? — li kriis.

La armservisto indikis, per simpla gesto, ke li sekvu lin.

Jam en la ĉambro de l' grajnejo, dum li serĉis sian armilzonon, Medrano rakontis skize kio okazis. Ĉe la najbara bieno, Kerbero, la hundego, kiu gardadis ĉe la pordoj, iĝis rabia, mordinte lakeon kaj forkurinte en la monton. Don Alonso troviĝas en Madrid kaj lia filino restas kun la servistinoj, kiuj lin alvokas, ke li estru la kampulojn en la ĉasado de la besto. Ramiro ekhavis subitan rav-vizion. Li rememoris pri la kavaliroj-junuloj, kiuj en la historioj senkapigis monstrojn, drakojn kaj kruelajn leonojn, liberigante princinojn, nuligante sorĉojn kaj malicaĵojn. Samtempe la vizaĝo de Beatriz pasis tra lia imago.

Kiam la armservisto zonis al si la dutranĉan spadon, li, sen diro de vorto, metis ambaŭ manojn sur la tenilon de l' armilo, rigardante ĝin kun esprimo samfoje petega kaj kuraĝa. La malnova soldato komprenis. Kaj prenante por si spadon pli maldikan, li lasis la alian en la posedo de Ramiro. Poste, ekkriinte: »Ni iru tuj, ĉar oni nin atendas«, li eliris el la ĉambro.

Ili alvenis al la vilao de Don Alonso, neniun renkontinte. La domo estis tute fermita, kvazaŭ dezerta; sed kiam ili paŝis preter la grenejo, ili frontis kun ses homoj armitaj per pikiloj kaj dupintaj stangoj.

La armservisto donis ordonojn. Ĉiu grimpu al malsama loko de l' monto, kaj apenaŭ li ekvidos la beston, li donu tri fortajn helpvokojn. Ramiron li lokis je malmultaj paŝoj for de l' kuirejoj, kun ĉaskorno, kaj petis lin, ke li ne movu sin de tiu loko.

Iom poste, tedate de l' atendado, ankaŭ Ramiro komencis eniri inter la arbojn.

Multaj rakontoj, tie interne de la antikva nobela turo, sciigis al li, kio estas la danĝero de l' rabio, kaj la teruron, kiun disvastigas tra la vilaĝoj kaj kamparoj tiu kaŝema buŝego, kiu iradas semante la malesperon kaj la morton. Oni puŝas ĉiujn pordriglilojn, kaj dum la virinoj lumigas kandelojn al Sankta Katarina kaj al Sankta Kiteria, ŝirmantinoj kontraŭ la rabio, la junuloj eliras en la kamparon, brave armitaj per la akraj armiloj, kiujn ili trovas.

Ramiro antaŭeniradis, rapide trasaltante super ŝtonoj kaj branĉofaskoj de pasintaj detranĉoj.

La kverkoj kaj la kratagoj ne malhelpis, ke la suno trovarmigu per siaj radioj la teron palan kaj sekiĝintan. Parfumo el lavendo, helianto kaj timiano agrable odorigis la aeron. La floroj de la citizoj eliris tie kaj tie ĉi, inter plumbaj ŝtonegoj, briligante la oron de siaj petaloj sur la fono de blua ĉielo.

Ramiro spiregadis. La ŝvito banis lian vizaĝon.

Duonhoron poste, unu el la servistinoj de Beatriz vidis lin eniri la domkorton de la nepo de Don Inigo portante en unu mano larĝan spadon tute sangruĝan kaj en la alia la kapon de l' hundego.

— Je Dio kaj Sankta Kiteria, jam oni ĝin mortigis! — kriis la virino.

Poste, atente rigardante la sangan ĉifonon, ŝi diris plu:

* »Aventuroj de Don Silves de la Selva«, hispana kavalireca romano, eldonita en Sevilla (Hispanujo) en la jaro 1546. (Noto de l' tradukinto).

---

estis frakasitaj sub la ruinoj de la falintaj domoj, kaj kia malica potenco povas detrui tion, kio estis konstruita dum tiom da pacienca laboro? Mi timas demandi pri tio, ĉar verŝajne kaj tre eble preteririnta homo per sia bastono ĉirkaŭmovis la pinglojn en la formikejo!

Kaj ĉiuj aliaj estaĵetoj, kies nomojn mi ne scias, sed en kies mondeto mi kun ĝojo rigardadas. Ankaŭ ili estas civitanoj en la granda socio de la kreado, kaj eble ili faras siajn civitanajn devojn pli bone ol mi mem plenumas la miajn!

Kaj kiam oni kuŝas tiamaniere, rigardante malsupren en la herbon, oni mem konsiderinde malgrandiĝas.

Kaj fine al mi ŝajnas, ke mi estas nur formiko, kiu streĉe tiras mian pezan ŝarĝon en erarigan arbaron. Jen supren, jen malsupren, sed oni ne devas laciĝi. Kaj se iu volus helpi en la kontraŭdeklivoj, oni certe povus daŭrigi.

Sed tute neatendite venas la sorto kaj detruas ĉion, kio estas konstruita.

La formiko tiras sian pezan ŝarĝon profunde en la erarigan arbaron; la vojo estas longa kaj restas ankoraŭ momento antaŭ ol la labortago estas finita kaj la roso falos.

Sed alten super abio kaj pino flugas la revo sur flugiloj de sunbrilo kaj arĝentretaĵo.

El la sveda: *Knut Jensie.*

# Ami kaj kompreni

— *L. N. Cannegieter* —

»Ili disiĝis, ĉar ili ne komprenis unu la alian.« Tiel oni ofte aŭdas paroli post eksfianĉiĝo aŭ eksedziĝo. Estas konsiderinde, ĉu tiu motivo estas agnoskebla kiel ĝusta. Ĉu la interkompreno estas necesa por ami unu la alian?

Supraje ŝajnas, ke la demandon oni devas respondi jese. La interkompreno ja donas al kunvivado de du homoj tiom pli intiman karakteron. Se oni ambaŭflanke sentas, kio tuŝas la koron de la alia, oni trovas la ĝustan sintenon reciproke. Tiam oni scias, pri kiuj pensoj aŭ sentoj oni devas atenti ĉe la kunul(in)o. Oni povas sekve indulgi malfortojn, cedi antaŭ deziroj, elporti malfacilaĵojn kun takto kaj pacienco.

Ĉu en la amo ne estas plej admirinda la fakto, ke oni traperceptas reciprokajn sekretojn kaj kunsentas ĉion? Ĉi tio kreas sferon de fido kaj trankvilo; estiĝas daŭran ligon kaj evitigas fatalajn malĝustaĵojn pro la konscio, ke oni ne plene harmonias.

Eĉ misagoj kaj seniluziigoj nuliĝas pro kompreno. »Kompreni ĉion estas pardoni ĉion« — diras proverbo. Kaj la amo pardonas des pli facile, ke ĝi inkluzivas la komprenon.

Ĉu do ne estas tute kompreneble, ke homoj ne komprenantaj unu la alian disiras? Gefianĉeco, geedzeco sen interkompreno ja devas esti infero!

Sendube ne ekzistas pli granda feliĉo ol reciproka kompreno. Ĝi estas doto, pro kiu oni ambaŭ estu dankaj al la sorto. Ĉar efektive, amo sen interkompreno povas esti infero.

Sed tio tute ne signifas, ke amo kaj kompreno entenas unu la alian. Ankaŭ la amo ne ekskluzivas inferon. Ne ĉiam la amo estas ĉielo; kiu iluzias, ke la amo nur feliĉigas, tiu esperu, ke la amo lin ne kaptos.

Sekve de amo ni spertas apud pleja ĝojo tranĉan ĉagrenon. Ĝisĉiele ĝojkria, sed ankaŭ ĝismorte trista povas esti amanta koro.

Foje mi legis sur tombŝtono la vortojn: »amo estas sufero; sufero estas vivo«. Ĉi tiu aforismo certe estas skribita laŭ sperto. La malĝojanto, kiu ĉizigis ĝin, verŝajne memoris, adiaŭante sian plej amatan, pri la tragedio de l' amo. Certe, amo estas sufero kaj ne nur ĝuo.

Sed ĝia valoro ja troviĝas en la sufero. Kiu forlasas la amon tial, ke ĝi alportas malĝojon, tiu forlasas la vivon. Ĉar kio estas vivo sen amo? Kio estas vivo sen sufero?

La plej tranĉa amsufero certe rezultas el manko de kompreno. Sed la vera amanto akceptas kaj elportas ankaŭ ĉi tiun aflikton. Oni povas ami ankaŭ nekomprenante kaj nekomprenate, kvankam per trista amo. Ĉu la plej intima amo ja ne ofte estas la plej malĝojiga?

La saĝuloj kaj poetoj plurfoje komparis la amon inter du homoj kun la amo al Dio. Ĉu la kredanto povas kompreni sian Dion? Li konfesas, ke kompreni Dion ne eblas. Sed, se amo sen kompreno ne povus ekzisti, ankaŭ la amo al Dio ne eblus. Tamen la manko de kompreno ne estas barilo kontraŭ admiro, fido kaj respekto ama.

»Mi vidas kaj aŭdas Dion en ĉiu aĵo, tamen tute ne komprenas Dion«, diras la poeto Walt Whitman, por kiu la vivo mem estas Dio. Kaj ĉi tiu poeto montras en siaj poemoj senliman amon al la vivo.

Ĉu oni do povas ami Dion ne komprenante Lin, ĉu oni povas ami la vivon ne komprenante ĝin, kaj tamen, ĉu por ami homon kompreno estus necesa?

Senkomprena amo estas doloriga kaj peza amo. Kiuj ne amas komplete, tiuj disiras, ĉar mankis kompreno; la perfekta amo kontraŭe akceptas la krucon de nekompreno.

»Ĉu vi eĉ nur iom komprenas, ke li povis fari tion?« oni iam demandis virinon, kies amanto estis miskondutinta.

»Certe, mi tute ne komprenas«, estis la respondo. »Mi komprenas nur, ke li faris tion kaj mi devas paciĝi pri tio, ĉar mi amas lin.«

El la nederlanda: *I. T. O.*

---

— Kompatinda Kerbero, kiel ĝi metis siajn piedojn sur mian bruston por leki mian vizaĝon. Sed estis necese ĝin neniigi, ĉar rabia hundo sian mastron mordas. Medrano estis, kiu faris la heroaĵon, certe!

— Ne estis Medrano.

— Kaj kiu?

— Mi iris sola sur la monto, kaj en la momento, kiam mi paŝis apud lignofaskon, mi vidis ĝin veni kontraŭ min. Per bona tranĉobato mi igis ĝin ruli kvazaŭ bulo. Poste mi hakis al ĝi la kapon.

— Sanktega Virgulino, kia homo li estos, kiam al li kreskos la barboj! — ekdiris la virino, miriĝita, ke la vireto mortigis la timindan beston sen ies helpo.

Kaj ŝi petis lin, ke li ŝin sekvu; sed Ramiro, proksimiĝinte al murbreĉo turniĝanta al la kamparo, apogis dum momento la glavon al la muro, kaj, ekprenante la kornon, blovis trifoje kun forto. La tri longaj sonoroj resonis en la eĥoj de l' monto per legendaj tonoj.

La servistino kondukis lin tra la aro de malhelaj ĉambroj. Finfine, kiam ili alvenis antaŭ fermitan pordon, Ramiro aŭdis ĥoron de virinoj, kiuj plore helpvokis Sanktan Kiterian kaj Sanktan Katarinan. Ili eniris. Sunradio penetris en la ĉambro tra duonapertita lignaĵo. Kia kriego estiĝis en la malhelo, kiam la infano levis en la lumfaskon la sangan kapon, kiu gutis sur la tapiŝon! Unu el la servistinoj falis dorsen, kaptita de tuja sveno.

La virino, kiu akompanis Ramiron rakontis kun ĝojo la heroaĵon de l' knabo. Tiam, meze de l' malserena silento, Beatriz antaŭenpaŝis decide. Unu servistino al ŝi tiris la jupeton; sed la filino de Don Alonso, rigardante tiujn manojn tiel frue ruĝigitajn de kuraĝo, demetis la bluan banton, kiu ornamis ŝiajn buklojn, kaj, proksimiĝinte al Ramiro, ŝi mem nodis ĝin al li sur la laĉoj de l' kostumo per siaj tremantaj manetoj, blankaj kiel la luno.

El la hispana: *J. R. Pérez.*

Enrique Rodriguez Larreta estas unu el la plej prestiĝaj verkistoj hispanlingvaj. Li naskiĝis en 1875. en Buenos Aires (Argentina Respubliko) kie li kutime vivas, kvankam li multe vojaĝis, precipe tra Hispanujo. Interalie, li verkis »La Gloria de Don Ramiro«, admirinda verko kiu elvokas la Hispanujon de Filipo II. kaj reproduktas profundkone la etoson de la hispana urbo Avila en la XVI. jarcento. La lingvo de tiu belega libro estas la propra al tiu epoko; ĝiaj rolantoj pensas kaj agas kiel devus pensi kaj agi la homoj de tiu tempo. La stilo enhavas tre senteblan guston je klasikeco. El tiu libro estas la antaŭa peco. (Noto de l' tradukinto).

# LA PAŬZO

— Alfons Petzold —

Somermezo. La pavimo de la urbo estas kvazaŭ giganta hejtata fajrokrado. Polvita de blanka kalko, nova konstruaĵo altas antaŭ mi. Oni fosas kaj frapas, portas kaj martelas, vokoj de homoj kaj blekado de ĉevaloj, tintado de fero kaj zumantaj ŝnuregoj — la simfonio de la laboro.

La ombro de l' trabaro, la malseketaj piramidoj de sablo agrabligas ĉi tie la restadon. Apogante min al ŝirmbarilo, mi rigardas la moviĝemon.

Apud mi viro veturigas flavan sablon en la internon de la domo. Kiel la puŝveturilo kvikas! Certe dekfoje en kvaronhoro li preterpasas min. Li kredeble jam estas tre aĝa. Kap- kaj lipharoj liaj brilas kiel neĝblanko. Nevidebla ŝarĝo kurbigas lian bronzkoloran nukon. Sed el liaj okuloj io ridetas tiom gaje kaj serene...

Jen io okazas. La elevatoro difektiĝis. La laboro devas ĉesi por nelonga tempo. La maljunulo sidiĝas sur sia puŝveturilo kaj fumas sian pipon.

Mi iras al li.

»Terura varmego, ĉu ne?«

»Nu jes, sinjoro, ĝi sufiĉas. Ni jam travivis pli varmegajn somerojn!«

»Ĉu vi ankoraŭ povas plenumi ĉi tiun laboron? Vi jam ne estas ja juna!«

»En la venonta aŭtuno mi fariĝos sepdek-kvar jara kaj koncerne mian laboron..., Dio mia, sinjoro, alian mi ne plu ricevas, tial mi devis akcepti ĉi tiun. Pasintjare mi ankoraŭ kunlaboris ĉe la kanalfosistoj...«

»Ĉu vi ne povas ricevi pension?«

»Pri tio, sinjoro, oni povus fari longan paroladon. Kie mi nun loĝas, mi estas fremda kaj de la komunumo, al kiu mi apartenas, mi eble ricevus nur tiom, kiom eĉ ne sufiĉus por mi mem.«

»Ĉu vi eble devas zorgi ankoraŭ por iu?«

»Tute nature!« Li ridas. »Por mia eta nepo.«

»Ĉu sengepatra?« mi demandas.

»Patron li ankoraŭ havas. Sed tiu sentaŭgulo ne zorgas pri sia infano, kaj la patrino, mia filino, mortis pasintan vintron. Ŝia sufero sidis ĉi tie.« Li montras per la tubeto de sia pipo sur la bruston. »Kredu al mi, se mi ne devus zorgi por iu, mia vivo ne havus valoron. Ĉar, se oni volas esti vere feliĉa, oni devas senti, ke de l' plej malgranda peceto da pano la duono apartenas al iu alia, kiun ni amas. Tiel ĉiam estis ĉe mi. La plej penigan laboron mi facile povis plenumi, se mi memoris pri tiuj, kiuj min hejme atendas. Estis unue mia panjo, poste mia edzino kun la infanoj, kaj kiam formortis unu post la alia el miaj karaj, restis al mi mia nepo. Estas tiel, sinjoro, ĉion ni faru kun ĝojo...«

La laboro komenciĝas. Denove la maljuna laboristo preterveturas min. Nevidebla ŝarĝo kurbigas lian bronzkoloran nukon, sed el liaj okuloj io ridetas tiom gaje kaj serene.

El la germana: *V. Wallner.*

---

# LA FELIĈO

— H. D. Nomberg —

En la senlima universo, en la grandega kosmo, flugis anĝelo.

Dum longa tempo liaj flugiloj jam ne ripozis; longe, jam tro longe li tiel flugas senĉese.

Survoje li haltigas renkonte ĉiun sunon, stelon aŭ vojperdintan kometon kaj demandas: »pardonu, ĉu vi ne scias, kie la tero troviĝas?« Kaj kiam li ekaŭdas la respondon »ne«, li pluflugas. Domaĝas perdi eĉ minuton, aŭ unu sekundon:

Antaŭ multaj, tre multaj jaroj li jam aŭdis pri la mizero de la malfeliĉaj homoj, sur la tero, ankaŭ pri tio, kiel ege malfacile ili vivas, kaj lia anĝela koro fariĝis plena de kompato. Tiam li faligis sin kun plorego antaŭ la dia seĝo, petante pri feliĉo por la homaro. Dio plenumis lian preĝon, kaj transdonis al li la feliĉon por ke li ĝin alportu al la malfeliĉaj homoj sur la tero.

Tiutempe li ekflugis malsupren de la sepa ĉielo kaj de tiam li vagas inter la sunoj, steloj kaj kometoj, serĉante la teron. En sia dekstra mano li tenas la feliĉon. Facile moviĝas liaj blankaj flugiloj en la maldika etero. Jarmiloj jam pasis kaj de neniu li sukcesis ekscii, kie troviĝas la tero kun ĝiaj malfeliĉaj homoj.

Kelkfoje larmo gutas el la okulo de la anĝelo: povas esti, ke liaj flugiloj forportas lin pli malproksimen de la tero.

Tamen — anĝelo.

Nek pro lia vagado longa, nek pro la tedaj kaj senutilaj klopodoj gutas la larmo, ĝi fluas pro la mizeraj homoj, kiuj soifas kaj aspiras al la feliĉo, kiun li, la anĝelo portas en la dekstra mano.

— Permesu, diru al mi, ĉu vi ne scias, kie troviĝas la tero kun ĝiaj malfeliĉaj homoj?

— Ne.

Kaj li flugas plu entuziasmigita de sia idealo.

Dume la mondo fariĝas malnova kaj ree nova, ŝanĝiĝas kaj alternas homaj ideoj kaj religioj, sed la malfeliĉo regas la mondon daŭre.

— De kie ni akiru la feliĉon?! — ĝemas la malfeliĉaj homoj.

Iam maljuna astrologo rigarde sekvis vagantan kometon; konstante li havis la lornon de siaj okuloj, kiujn li direktis tien, kien la kometo migris; eĉ dum la manĝado kaj dormado li ne ĉesis esplori pri la kometo, ĉar tiam lin anstataŭis lia filo, kaj tuj kiam li finis la manĝadon, denove li komencis la esploron per la lorno.

La kometon tio indignigis: kion tie la maljuna sorĉisto volas de mi? Kion tio signifas, ĉu ŝtelisto mi estas, ke oni eĉ dum unu minuto ne forprenas la okulon de mi! La astrologo tamen persistis daŭrigi sian esploran laboron.

La kometo fariĝis pli kolera.

Subite la anĝelo alflugas la kometon, demandas per sia malĝoje kvieta voĉo:

— Permesu, diru al mi, kometo, ĉu vi ne scias kie troviĝas la tero kun ĝiaj malfeliĉaj homoj?

— Sur la tero homoj? tie troviĝas nur maljunaj sorĉistoj kaj junaj murdistoj, respondis la kometo.



# OBSERVO

»LA CENT PLEJ BONAJ LIBROJ.«

Antaŭ mi kuŝas kajero el Ameriko. Fakulo kolektis en ĝi »cent plej bonajn librojn«. (Porys John Cowper: One hundred best books. »The Cent Pocket Series« No. 435, Haldermann Girard, Kansas. Depost 1916 pli ol unu eldonejo rezervis por si kopirajton.) Lia principo ne estis — li klarigas en la antaŭparolo — plenigi la kapon de la legantoj per t. n. »konoj«. La listo servas por tiuj, kiuj legas por la legado mem kaj ne pro tio, ke sekve de ilia klopodado ili fariĝu t. n. »kulturitaj homoj«. Sed estas tre verŝajne, ke la atentemaj kaj enprofundiĝemaj legantoj de la cent elektitaj verkoj eĉ nevole akiros tiom da kulturo kaj scio, ke en ĉiu societo ili »taŭgos«. »Estas absurda opinio« — ni povas legi en la antaŭparolo — ke per multe da legado iu fariĝas saĝulo. Ne ekzistas magia rimedo, kiu kondukas al la saĝo. Ekzistas homoj, kiuj neniam legis libron kaj tamen ilia natura saĝo — sublime libera de ĉiu kulturo — embarasus eĉ Voltaire-on.

La amantoj de la libro — tute simile al la entuziasmuloj de iu ajn alia amo, scias mem plej bone, kiel ili trovas la serĉitan kontentiĝon. Ne ekzistas konvenaj klarigoj por priskribi la plezuron multkoloran. La libroadoro estas pasio: speco de milda frenezo, kaj kiel ĉiu pasio, kompreneble, en la okuloj de indiferentuloj ĝi estas frenezo. Kiuj legas nur por fanfaroni per sia scio, aŭ por sin prepari por vivotaskoj, tiuj estas same ne vivipovaj, kiel tiuj, kiuj jetadas la florojn en tombojn. Kia sakrilegio estas jungi en jugon la timeman kaj humilan, senkuraĝan kaj honteman, turmente dolĉan sindoneman Amon, nur por ke ĝi faru nin »kulturaj«, aŭ nin helpu »sukcesi en la vivo«.

Same kiel la ĉiela beateco kaj ĉio sankta kaj glora, ankaŭ la libro montras sian dian trezoron nur al tiuj, kiuj sen propra intereso amas la libron. Ne pro tio ni devas ĝin ami sen propra intereso, ke ĝi helpas nin en horoj malplenaj; nek pro tio, ke la libro igas nin bonaj, aŭ pli saĝaj. Mem la scio, ke ni posedas iun novan verkon de la adorata majstro, jam en si mem feliĉigas nin, sen tio, ke ni legus aŭ foliumus la libron. Sufiĉas, kiel por juna amanto, se ni vidas kaj tuŝas ĝin.

»Ni devas ami la libron, ĉar ĝi estas tio kaj tia, kio kaj kia ĝi estas. Ĉiu alia ligilo inter libro kaj leganto estas malinda. Profiti el la plezuro: estas prostituo.«

Post tiu vere kortuŝa antaŭparolo ni trovas kiel *unuan* la psalmojn de *Davido*. »La plej nobla, plej digna literaturo. Konsolon, helpon, kvieton ĝi radias el si.«

Sekvas la *Odiseado*. »La plej pura kristaliĝo de la greka stilo, la plej ekscita aventur-romano de ĉiuj epokoj.«

Sekvas ankoraŭ kelkaj grekaj kaj latinaj verkistoj. Poste, laŭvice la sesa: *Dante: Dia Komedio*. El ĝi estas precipe rekomendata la Infero. »Dum la legado — ni legas — ni tute ne devas konsideri la simbolan signifon de la poemo. La sarkasma realeco, la majesta beleco, la homaj ofendoj, la fiero kaj humilo, la pasio kaj malestimo de la verkisto faras ĝin senkompara travivaĵo.«

*Rabelais* estas »la homo de religia pieco kaj senpudora plezuro, de noblaj ŝercoj kaj senmaska verdiro, la plej granda intelekto de la literaturo. Ne vivis ankoraŭ verkisto kun pli resuma humoro, pli vigla fantazio, pli komprenema spirito.« Ĉiu lia verko estas tie ĉi prezentita, *Voltaire* »la kavaliro de la sankta spirito, kiu batalis kuraĝe kontraŭ la monstroj de homa areno: la mallumo, malsaĝo kaj tiraneco« estas reprezentita per sola verko: *Candide*.

El la verkoj de *Shakespeare* eĉ unu literon oni ne devas ellasi. Ĉe li ne ekzistas bona kaj pli bona. El *Goethe* unuavice ni devas legi: *Faŭston* kaj *Wilhelm Meister*, kaj la paroladojn kun *Eckermann*. Poste sekvas *Zarathustra* de *Nietzsche*. El la verkoj de *Heine*, kaj tio estas vere impona kaj karakteriza pri la gusto de la aŭtoro, li rekomendas anstataŭ la »*Buch der Lieder*« liajn prozaĵojn. Heine — li klarigas — adoris Germanujon senespere. Li vivis kaj mortis en Parizo, sed lia koro batis ĉiam por la disŝutita popolo de Izraelo. Malgraŭ la mokema naturo, neniu povis esti tiel karesema kaj profunda, kiel li.

El *Sudermann* estas rekomendita la »Kanto de Kantoj«, de *Hauptmann:* »La Frenezulo de Kristo«. De·

---

— Ve, ve, la mizeraj homoj! — la anĝelo ĝemis — ĉio ja pro granda malfeliĉo! ne, kometo! indigni oni ne devas, malami estas krimo...

La feliĉo en lia dekstra mano lumis kaj brilis, ke eĉ al la kometo, kiam li ĝin vidis, la okuloj fariĝis pli glimbrilaj kaj iĝis malfacile al lia mizantropa animo.

Kie estas la tero?

La kometo indikis al li per longa dika radio la lokon, kie la tero troviĝas.

— Ah, kiel ege malproksimen de la ĉielo formigris la tero! — mallaŭte ĝemdiris la anĝelo — kaj ĉio pro la granda malfeliĉo. Kaj li komencis flugi plue.

Sur la tero la astrologo rimarkis la anĝelon, kaj ekvidis tra sia lorno ion tre belan en lia dekstra mano, kaj ĉar profeto jam tre longe antaŭe aŭguris, ke anĝelo flugas kun feliĉo, la astrologo konjektis, ke jen tiu estas la anĝelo, kiu portas la feliĉon por la homaro, kaj mallonge poste, la gazetoj kolportis la novaĵon tra la tuta mondo.

— Flugas anĝelo kun feliĉo — oni ĉie parolis. Ĉiuj astrologoj surmetis la lornojn kaj klare vidis, kiel la anĝelo pli kaj pli alproksimiĝas al la tero.

Ili komencis kalkuli kaj fiksis precize la tagon, horon kaj minuton, kiam la anĝelo atingos la teron, indikante ankaŭ la lokon sur la terglobo, kie li devos halti.

En la difinita tago kunveniĝis homoj el ĉiuj mondpartoj kaj landoj al la difinita loko.

Fariĝis treege malvaste tie. Unu la alian reciproke premis, komenciĝis granda kverelo kaj malpaco kaj fine vangfrapado... unu la alian mortbatis, ne evitante ankaŭ tranĉilojn ĉe la komuna luktado...

Riveroj da homa sango verŝiĝis kaj fluis sur tiuj lokoj ĉie, la ploregoj, krioj kaj lamentoj de la agoniantaj homoj atingis la ĉielon.

La anĝelo rimarkinte de malproksimo, kiel la homoj premiĝas kaj unu la alian mortbatas, ekkriegis per ĉiuj fortoj:

— Ne batu vin! mi portas feliĉon por ĉiuj, por ĉiuj.

Sed ili ne aŭdis.

Kiam la anĝelo venis pli proksimen al la tero, kaj liaj lumaj okuloj vidis la trapikitajn agoniantojn kun la homa sango, kaj liaj oreloj aŭdis la ĝemegojn kaj ploregojn, — gutis larmo el liaj lumaj okuloj kaj ĝi falis sur la feliĉon.

De tiam la feliĉo estas makulita.

Oni diras, ke la anĝelo, kiu estis laca pro sia longa vojaĝo, kaj ankaŭ pro tio, kion liaj okuloj vidis sur la tero — svenis kaj dume la feliĉo elfalis el liaj manoj.

El la juda: *S. Guterman.*

*Rim. de la tradukinto:* Per tiu ĉi rakonteto la poste famiĝinta aŭtoro debutis.

*Ibsen:* »La Sovaĝa Anaso«. De *Strindberg:* »La Konfeso de Frenezulo«. *Emerson,* »la neanto de puno, malsano kaj morto«, *Walt Whitman:* la poeto de pasia amikeco estas reprezentitaj per ĉiuj siaj verkoj, eĉ, ĉe la lasta estas deviga ankaŭ la biografio kaj klariga literaturo.

Ni devas legi de *Theodor Dreiser* »de la plej eminenta konanto de l' amerika spirito« »La Titanon«; de *Cervantes* »Don Quichotte-on«: »malgraŭ kelkaj partoj enuaj, ĉar en neniu alia libro ni trovas la perfektan respegulon de terura heroeco kaj senlime homa malgajo«. Victor Hugo estas reprezentita per la »Laboristoj de Maro«; *Balzac* per kvar romanoj, inter kiuj vane ni serĉas la faman »Tridekjaran Virinon«; *Guy de Maupassant* aperas en la galerio nur per unu sia verko: »La Domo de Tellier«, en kiu »ni trovas la profundan kaj perfektan pesimismon de la aŭtoro. Maupassant ne profundiĝas en animajn subtilajojn, sed se li batas, certe li trafas inter la du kornojn.«

Sekvas *Stendhal* kun sia romano »Ruĝa kaj Nigra«, kiu respegulas la muele ekscitan spiritan kaj sentan vivon de verkisto, kaj estas samtempe la priskribo de la eterna seksbatalo kaj nesatigebla ambicio.

*Anatole France* »la plej klasika, plej ironia kaj plej subtiliĝinta verkisto Eŭropa« estas sufiĉe avare reprezentita per tri verkoj. Tiuj estas: »Abbé Coignard«, »En ulmo-aleo« kaj »Libro de mia amiko«. (La elektado estas ankaŭ ĉi tie tre individua. Unu el miaj plej belaj travivaĵoj literaturaj estis la »Ribelo de la Anĝeloj« kaj »Insulo de Pingvinoj«, kiuj mankas el la listo.)

De *Romain Rolland* deviga estas »Jean Cristophe«. »Ĝi estas la plej atentinda libro, kiu, depost la »Ecce Homo« de Nietzsche, aperis en Eŭropo. Ĝi estas spirita ŝtupetaro al la pli pura kaj pli varma pensado kaj sento«.

*D'Annunzio* estas »la homo de purpuro kaj skarlato, poeto de brilaj, reĝaj sonĝoj«. Ni legu de li la »Triumfon de Morto« kaj la »Fajron«.

El inter la grandaj rusaj verkistoj *Dostojevskij* estas reprezentita per kvin el siaj mondfamaj verkoj, *Gorkij* per »Foma Gorgejev«, *Ĉehov* per la teatraĵo »Mevo«; *Arcŭbasev* per »Sanin«. El la angla literaturo: *Sterne* »Tristram Shandy«; de *Swift* ne la bone konata Gulliver, sed la anonime aperinta »Tale of Tub«; el la kavaliraj romanoj de *Sir Walter Scott* la »Historio de Herwy Esmond«. Ni legas pri *Dickens:* »Estas tute egale, kiun el liaj verkoj ni legas. Li estas genio nemezurebla kaj inter liaj skribaĵoj ne ekzistas malgrandaj aŭ pli grandaj, gravaj aŭ malpli gravaj«. Estas ankoraŭ dekkvin lokoj dediĉitaj al malnovaj famaj verkistoj anglaj. Ilin sekvas *Joseph Conrad* kun kvin libroj. Li estas »la bardo de maro kaj ŝipo. Tiu de la ŝipo sur la maro, en la havenoj, sur la dokoj aŭ sur la danĝera sino de iu mediteranea rivero. Sed trans maro kaj ŝipo, trans la allogo de foraj pejzaĝoj tropikaj, en liaj verkoj vibras la homo, kiel eterna miksaĵo neanalizebla de bono kaj malbono, heroeco kaj malkuraĝo«.

*Walter Pater.* kun siaj kvin volumoj, ricevis klarigon tutpaĝan. Kiu legas Walter Pater, »ne povas resti malnobla, fanfaronema, triviala, senkritika«.

Pri *Shaw* »kiu trovis tre lerte sian metion kaj lokon, kiam li metis sub sian sekciilon la neelĉerpeblan, sed ne tute senhumuran stulton de la anglo-amerika, anglosaksa demokratio,« ni legu »Homo kaj Superhomo«, »Fanny«, »Androcles«, kaj »Pigmalion«.

Ankaŭ *Chesterton* ne mankas: »Orthodoxy; de *Oscar Wilde* estas cititaj »De profundis« kaj tri aliaj verkoj. De *Rudyard Kipling* »La libro de Gangalo«; de *Charles R. Dodges* »Alice in Wonderland«. Tiu ĉi verko, legebla ankaŭ en Esperanto, maturiĝis intertempe klasika. Ĝi pritraktas rave la aventurojn de juna knabino vivinta en la epoko de frutempaj viktorianoj.

Ni renkontas tri verkojn de *Galsworthy:* »La riĉulo«, »Frateco« kaj »Nobelula domo«. *Sommerset Maugham* kaj *Arnold Bennet* estas reprezentitaj per po unu verko. Finfine, kiel centan libron, ni trovas »*Oxford Book of English Verse*« »la plej bonan anglan verskolekton«, kun tiu rimarko, ke interesiĝantoj pri la nova angla poezio legu de *Putnan* »Georgian Poetry« kaj ankaŭ de *Harriet Monroe* »The new Poetry«.

El la listo, kiu — eĉ laŭ la konfeso de ties aŭtoro — estas nekompleta, tute forestas la moderna germana, itala, hispana ktp. — same kiel la plej moderna amerika literaturo.

La merito de la libro estas, ke ĝi, eĉ se ĝi ne mencias ĉiun valoran verkon de la mondliteraturo (tion oni ne povus fari eĉ per mil titoloj) — tamen citas senescepte valorajn librojn.

Fine, jen malgaja konstato miaflanke. Ekzistas inter tiuj nomoj vere famaj kaj tre amataj, kelkaj apenaŭ jardekaj, kiuj tamen sonas pli malnovaj, ol tiu de Homeros aŭ Dante. En la hodiaŭa brutala kaj senkompata konkurso la forestantoj kaj mortintoj estas malpravaj jam la sekvantan tagon.

*T. S.*

(V.) UN HOMME COMME LES AUTRES (*Viro kiel la aliaj*). Teatraĵo de *Armand Salacrou.*

La streĉa atendo, en kiu tiu ĉi epoko devigas nin vivi, konvenas nur al grandaj karakteroj. Por elteni la ĝeneralan koruptan malordon de l' nuna socio, oni tre bezonas solidan temperamenton kaj neŝanceleblan fidon pri la homo. Jam de dek jaroj Armand Salacrou malkovras al ni difektojn, kiujn la postmilita epoko rezultigis ĉe estaĵoj ŝajne similaj al ni. *Un homme comme les autres* portas al liaj antaŭaj verkoj kvazaŭ necesan komplementon, en kiu lia june ŝtorma talento aperas pli konvinka ol iam ajn. Eble la sola manko de Salacrou kuŝas en lia riĉeco: li estas ankoraŭ en aĝo, kiam oni havas tro multe por diri.

Raoul Sivet, konformiĝema burĝo, ege ŝatas prediki moralon al la aliaj, sed mem ne profitas el ĝi. Ĉion li kritikas krom sin mem. Li estas severa, senforta kaj malkuraĝa. Lin tedus la aferoj, se li ne tiel avidus ĉies obeon. Eble tiuj kelkaj trajtoj jam sufiĉas por prezenti la heroon: funde ne malbona viro, kvankam de duba fidindeco, sed kiun la vantemo — se ne diri malsprito — nesaveble kompromitis.

Do, tiu negocisto el Le Havre montriĝas malsaĝa homo, kiu krome abomenas la skandalojn. Sed, kiel oni tion bone scias, tiuj neagrablaj aferoj kutime okazas ĝuste en la familioj, kiuj ilin plej timas. Nia heroo ŝajnas malplej preta akcepti la malfeliĉon, tamen tiu venos seninvite en lian hejmon.

La edzino de Raoul Sivet, kiel ofte okazas, lin superas morale. En sia altŝveba idealismo ŝi lokis la edzon sur altaron, kie li ne sentas sin en plej agrabla pozicio. Nedubeble ŝi estas farita por la amo, kaj la edzon ŝi amas senrezerve. Kompreneble ŝin tre flatas, ke ankaŭ aliaj viroj amas ŝin. Kaj tutkore ŝi kompatas amikon enamiĝintan, kiu pro ŝi forlasis la landon. Ŝi vidas kaj volas vidi nur la edzon, kiun ŝi vestis per ĉiaj virtoj. Kaj li siaflanke opinias sin en ordo rilate al tiu fidela amo, ĉar li estas ties posedanto kaj favorato.

La edzinon li kredas ami, ĉar li certe ne tolerus, ke ŝi apartenu al alia viro. Cetere li havas profundan konvinkon, ke lia honoro nenion riskas. Kiu ja kuraĝus lin provoki sur tiu ĉi tereno, aŭ sur alia? Ankaŭ ĉi tie parolas lia vantemo. Al si li opinias ĉion permesita, kaj sub la mantelo de respektindeco, li vivas en sekreta diboĉo. Temas verdire pri tre facilaj konkeroj: stratknabinoj, kiuj ne kostas multe, servistinoj, kiuj nenion kostas kaj ĉiam estas je la dispono de lia bruta kaj frivola deziro. Kaj li konas nenian rimorson, ĉar la sento pri peko tute fremdas al li.

Tio tamen ne signifas, ke li korfunde tion ne bedaŭras, aŭ ke li ne volus sin imunigi, ŝirmi kaj inspiri per pli alta moralo. Ne malplaĉus al li fariĝi purmora sanktulo. Tiu deziro eĉ tiel ardas en li, ke unu belan tagon li ĉion konfesas. Sed, por ĉion konfesi, homo devas esti grandanima, kaj bedaŭrinde nia heroo prezentas tre vulgaran filistron. Li ŝajnas konfesi plie pro cinika fanfaronemo, ol pro sincera pento. Aŭ, eĉ pli ĝuste, pro venĝo, ĉar lia kompatinda edzino konfidis al li en mo-

mento de melankolia korelverŝemo, ke ŝin amas alia viro. Entute tre senkulpa amo, sed tio sufiĉas veki ĉe nia ofendiĝema barbaro la rakonton pri la propraj hontindajoj nunaj kaj pasintaj. Jen kiel oni rompas la koron de virino aŭ instigas ŝin legi Dostojevskij. La edzino tiel konsterniĝas pro la abisma malvirto de sia edzo, ke ŝajne ankaŭ ŝi dronos en la sama malvirto. Ŝi fuĝas, sed revenas la postan tagon spertinte nevenkeblan naŭziĝon en la brakoj de aventurema filistro hazarde renkontita. Inklinon al sendigniĝo ŝi ja ne havas. Raoul kaj Yvelline ree estas kunaj, katenitaj de malfeliĉo, kiu nur kun ili malaperos.

Raoul Sivet, ne kapabla vibri je noblaj sentoj, certe ne eltenos la fidelecon deciditan en tragika momento. Tiu bovkapa krudulo bezonus por vivi la ĉiutagan konsilon de morala aŭ religia forto.

Sed nun envenas la tria ĉeffiguro, la bofrato de Raoul Sivet. Li nomiĝas Denis kaj jus eliris el la malliberejo, kien lin kondukis malagrabla afero, ĝuste tiu skandalo aludita ĉe la komenco. Do Raoul Sivet lin akceptas tiel, kiel vi povas imagi. Verdire, Denis tre bedaŭras la influojn, kiuj inspiris al li tiun misagon feliĉe abortitan. Li fariĝis ties unua viktimo. Li ja ne povis rezisti la inciton de ĉarma sentaŭgulino, kies rigardo tro draste efikis al lia ne sufiĉe firma konscienco. Je ĝenerala miro, alvenas ankaŭ tiu fatala virino kune kun la maljuna sinjorino, kies morton ŝi iam preparis. Tiu ĉi parto ŝajnas kvazaŭ nova teatrajo havanta apenaŭ ion komunan kun la unua parto. Ĝi servas kiel paralelo.

Do tiun maljunulinon, kiu amike rilatas al sia iama kunmurdontino, la saĝaj homoj rigardas freneza. Tamen ŝi estas la saĝo personigita, saĝo evidente laika, ĉar la aŭtoro metas en ŝian buŝon vortojn ofendajn por la tradicia moralo. »Oni devas kompati la nuntempajn homojn, ŝi diras, ĉar ili misagas senkulpe«. La du kreitajoj, kiuj foje ge-planis la fiaskintan krimon, estas malsamaĝaj, sed posedas unu por la alia viglan voluptan apetiton. Ili do forlasos la negasteman landon, kie la paro Sivet suferos plu la malfeliĉon por ili tro grandan.

Salacrou, plene liberiĝinta de Strindberg kaj Pirandello, nun trempis sian plumon en la propran inkujon. Li sukcesis montri sin mem.

(V.) LA PERPLEKSO DE GIDE. Reveno el Sovetio? Spirretene ni atendis. Nun ni jam scias. Ni komprenas kaj tamen ni emas enpense trakuri la tutan karieron de tiu, kiu antaŭ nelonge donis al ni tiujn »*Nouvelles Nourritures*«. Sendube dum la lastaj kvar jaroj Gide elektis vojon, kiun multaj rigardis flankvojo. Sed li ĉiam iris ĝis la fino de tendenco, ĉu la tendenco de *l'Immoraliste* (la senmoralulo), aŭ male, la tendenco, kiu lin kondukis al *La Porte Etroite* (la mallarĝa pordo), eĉ se nur por pli bone sin retiri poste.

Gide ĉiam havis antagonismajn influojn: multaj junuloj lin sekvis, ĉar li, malamika al la dogmoj, parolis al ili pri la ĝojo vivi; aliaj, male, ĉar li parolis al ili pri devo kaj sinofero. Ĉi tie, la demando certe pli gravas pro sia politika karaktero. Tamen Gide foje skribis al amiko: »Nenion mi komprenas pri politiko kaj rifuzas min okupi pri ĝi, ĉar mi abomenas la kompromisojn kaj ne povas imagi politikon sen kompromisoj«. Kaj tion li konfesis ĝuste en la momento, kiam li estis jetata en la mezon de la batalo.

La mondkonata simpatio de Gide por Sovetio neniam alprenis ĉe li la karakteron de aliĝo al partio. Kion Gide serĉis en la komunismo, tion li serĉis dum sia tuta vivo: la eblan proksiman realiĝon de la individuismo. Spite la kontraŭdiroj de kelkaj amikoj, kaj interalie de s-ro Roger Martin du Gard, li deklaris: »Mi nun alvenis al tio, ke mi tutkore deziras la fiaskon de l' kapitalismo«. Kial?... Ĉar »bone komprenita komunismo bezonas eluzi ĉiujn valorojn de la individuo«. Kaj li aldonis: »Mi opinias eraro la kontraŭmeton de l' individuismo kaj de l' komunismo«. Ke tiu demando restas esenca por la verkisto, tio estas certa. En korespondado inter Romain Rolland kaj Lunaĉarskij, tiu riproĉis al Rolland, ke li konservis restajon de »elburĝa spirito«; Rolland respondis: »Karaj amikoj de Sovetio, vi estas individuistoj malgraŭvole, kaj eble ne sciante tion«.

Kio povas surprizi, tio estas ke Gide devis vojaĝi ĝis Moskvo por kompreni. Kompreni, ke la tie reganta konformismo ne povas konduki rekte al la celo, al kiu li ĉiam aspiris, t. e. al asocio de individuoj, kie, laŭ la esprimo de Marx »la libera disvolviĝo de ĉiu kondiĉas la liberan disvolviĝon de ĉiuj«. Nu, kun tristo kaj teruro, Gide konstatas, ke en Sovetio, male, la feliĉo komuna estas akirita malprofite al la feliĉo individua. La verkisto tie staris for de tio, kion li esperis.

Ĉu la malakordo venas de tio, ke la aktuala stato de Sovetio prezentas nur etapon? Ekde la komenco Gide tion komprenis kaj li skribis en 1932: En Sovetio la realigo estas eble neperfekta, sed kio plej gravas estas la verko mem.

Al tio tendencas Rusujo. Tamen jam de 1932 Gide perceptis la relativecon de ĉio, la vantajon de la ĉirkaŭanta mondo. Sed li opiniis, ke necesas montri la fidon al la komunistaj gvidantoj. Lia fido, lia entuziasmo, lia sincero tiel flamis, ke li eĉ rifuzis al si la rajton kritiki, akceptante kvazaŭ nur la rajton ami. La absoluta diktaturo tiam ŝajnis al li necesa por poste atingi la liberiĝon de l' individuo. Sed hodiaŭ, ne sole tiu kondiĉo ŝajnas al li tro peza, sed la anoncita idealo montriĝas ankoraŭ tre fora. Gide certe eraris per senpacienco, aŭ per troa fidemo. Li, kiu tamen asertis, ke la homaro staras nur ĉe la sojlo de l' progreso, subite kredis, ke ĝi povos piedkune ĝissalti senperan socian harmonion.

Ni ridetas, pensante pri la malfacileco kun kiu la homo antaŭenpaŝas al iom da lumo, pri la jarcentoj necesaj por akiri peceton da vero, aŭ pri tio, ke post dumil jaroj la kristana eklezio ankoraŭ ne sukcesis starigi la kariton sur la tero. Sed nenio pli fremdas al Gide, ol skeptika sinteno. La aktualaj demandoj reprezentas por li la plej doloran dramon. Ni cetere sentas en lia libro la aŭtentan tonon de homo, kiu antaŭ ĉio deziras diri la veron, sed suferas, ke li devas ĝin diri. Li parolis, ĉar li opinias, ke li devas de nun prilumi kelkajn junulojn, trompitajn kiel la aŭtoro mem. Tiu angoro lin premas tiagrade, ke en la nuna momento li eĉ ne pensas pri plua verkado.

Ke okazos atakoj kontraŭ li, ja ne tio lin maltrankviligas. Ne gravas. Li tro bone scias, ke la politiko ĉion simpligas, kaj ke se libro ne eniras iun difinitan fakon, oni ĝin enpuŝas en alian kontraŭan. Ne en tio kuŝas la grava afero. Antaŭ ĉio li demandas sin, ĉu li estas sur la ĝusta vojo.

(V.) JOLANTA FOELDES: LA STRATO DE L' FIŜANTA KATO. La *Grand Prix International du Roman* (Internacia Premio por Romano) estas ĉijare aljuĝita al juna hungara verkistino. La aljuĝo de literatura premio, precipe se ĝi konsistas el 4.000 funtoj, havas ofte nenion komunan kun la verko koncernita, sed male inspiriĝas el konsideroj absolute fremdaj al la beletristiko. Tamen ĝi prezentas la avantaĝon ŝpari al multaj legantoj la tedan penon mem elekti »interesan« libron. Nu, la salonaj dandoj kaj la te-sorbaj snobinoj ree ekhavos freŝan temon por nutri sian velkan konversacion. Senfina estas la dia providenco!

La feliĉa gajnintino, Jolanta Foeldes, vivis preskaŭ nekonata en la propra lando antaŭ kelkaj monatoj. Ŝi spertis aventuran kaj malfacilan ekzistadon. Logata, kiel tiom multaj mezeŭropaj intelektuloj, de la disradiado de l' franca literaturo, ŝi antaŭ dek jaroj venis al Paris, establiĝis en la *Quartier Latin*, kiun ŝi baldaŭ devis forlasi pro manko de rimedoj. Ŝi elektiĝis en mizera kvartalo kaj dungiĝis kiel uzin-laboristino. Post multa klopodado, ŝi sukcesis ricevi postenon ĉe hungara konsulejo en Egiptujo. Tie ŝi oficis samtempe kiel stenotipistino kaj servistino. Fine post vizito al London, ŝi revenis al Budapest kaj komencis tradukadi fremdajn librojn. En kelkaj jaroj aperis de ŝi cento da tradukoj. Dume ŝi edziniĝis (por la dua fojo) kaj sin dediĉis ankaŭ al origi-

nala roman-verkado. Laŭ ŝia konfeso, ŝia edzo estas de la modela tipo!

Ĉe la unuaj ĉapitroj de la *Strato de l' Fiŝanta Kato* min kaptis iom da seniluziiĝo. Pli mi atendis de libro, kiu triumfis super konkurantoj el 12 nacioj. La romano prezentas rakonton ebenan, senreliefan, kiu iras sian vojon milde kaj obstine kiel paŭta infano. Lirika entuziasmo tute forestas el ĝi. Tamen ĝi posedas kvalitojn: nome rimarkindan konkretecon, kiu tre plaĉos al la amaso; multegajn peripetiojn ofte nur aluditajn; naivan tonon, kiu pensigas pri petola knabineto kaj restas certe la plej karakteriza trajto de la romano. Kelkaj neprecizaj detaloj pruvas, ke la rakonto ne estas aŭtobiografia, sed grandparte elpensita; kaj certe eĉ tiu naiva tono estas lerta artifiko.

La libron mi difinus romano pri elmigrado. Jen ĝia gvidfadeno: Post la milito, la senlabora peltisto Barabás kune kun sia familio forlasas Budapest kaj instaliĝas en Paris. Li unue loĝas en hotelo de la rue de la Huchette, kie okazos la plejparto de la agado. Poste en la rue du Chat-qui-peche, kies pitoreskan nomon la aŭtorino elektis por titolo. La familio konatiĝas kun aliaj enloĝantoj de la hotelo, ĉiuj fremduloj kaj grandparte politikaj forkurintoj. Unu tipo estas la ruso Bardihinov, iama bankisto, kiu rifuzas serĉi laboron, ĝis li perdas la lastan esperon pri la venko de la blankuluj. Lia plej fidela amiko, la latva profesoro Liiv, milda kaj ordama, kiu fuĝis el sia lando pro socialistaj konvinkoj, senfine disputas kun li pri politiko. Tamen ili ne povas vivi unu sen la alia. Kiam la malsanan Bardihinov, la kuracistoj opinias nesavebla, Liiv tranĉas al si vejnon! Sed oni savos ambaŭ!

Barabás jam akiris laboron en Paris. Li ne estas tro kontenta, sed lia situacio rapide pliboniĝos. Lia edzino, iam diplomita akuŝistino en Budapest, nun laboras kiel lavistino. La infanoj Johano kaj Klara sidas en la lernejo, dum Anna restas hejme por mastrumadi.

Tiel pasas la jaroj ĝis aperas Vasja. Ruso, kiel vi divenis. Kaj memvola elmigrinto, ĉar al li plu ne plaĉis la soveta reĝimo, kies starigon li iam fervore helpis. Li havas kunulon: Fedor, caran eksoficiron, nun laboriston, kiu tamen ĉiuvespere surmetas frakveston kaj monoklon. Vasja eniris kiel sunradio en la modestan hotelon de la rue de la Huchette. Servema, komplezema, sindona, li al ĉiu plaĉas kaj precipe al Anna, kiu freneze enamiĝas al li. Tamen Vasja ne montras al ŝi pli da fervoro, ol al iu alia. Sekreton li havas. Aŭ pli ĝuste fianĉinon restintan en Rusujo. Ŝin li intencas venigi kaj tiucele ŝparas monon, sed bedaŭrinde lin trafas mort-akcidento. Anna restas senkonsola. Alian viron ŝi neniam amos vere.

Iom post iom la familio Barabás akiras relativan komfortecon. Anna dungiĝas kiel kudristino kaj enamiĝas al belparola kaj ĉielpromesa junulo, Stefano, kiu sin kompromitos en ĉekfalsigado. Aresto. Dekokmonata malliberigado. Anna tre timas, ke pro ŝiaj rilatoj al Stefano, oni eble forpelos ŝin kaj la tutan familion el la lando. Tiu eventuala forpelo fariĝas la konstanta timo de la fremduloj. La malfeliĉo venas efektive, sed el alia pordo. Jus okazis la skandalo de la hungaraj monfalsistoj. Anna estas maldungita, pro tio ke la »hungaroj« misagis kontaŭ Francujo. Same okazas al la patro Barabás. Oni povas dubi pri la vereco de tiu afero. Multaj hungaroj el Paris asertas, ke neniam ili kaj iliaj samnacianoj devis elporti la sekvojn de tiaspeca ŝovinismo; aliaj male diras, ke ili perdis sian postenon dufoje; ĉe tiu afero kaj ĉe la murdo de reĝo Aleksandro kaj s-ro Barthou, pri kio oni rigardis Hungarujon morale respondeca.

Anna kaj ŝia patro do migras al Sudameriko, dum la aliaj familianoj atendas en Paris favoran momenton por ekvojaĝi tien. Multaj malfeliĉoj tie trafas la patron kaj la filinon, kiuj post neprospera baraktado revenas al Paris. Diversaj amintrigoj okazas en la medio de la ĉiulandaj politikaj ekzilitoj. Por momento Anna fariĝas konkubino de Fedor, poste ŝi rifuzas la proponojn de Stefano, tiam direktoro de grava firmo en Budapest, kien ŝi revenis por vivi laŭ sia plaĉo kaj verŝajne fraŭla.

Hungara jurnalisto diris, ke eĉ sen la sankcio de la Internacia Premio, tiu libro klasus s-inon Foeldes inter la elito de la verkistoj.

(V.) DUDEK JAROJ POST LA MORTO DE VERHAEREN. La 27-an de novembro 1916 la plej fama franclingva poeto de Belgujo mortis en tragika akcidento ĉe la stacidomo de Rouen. Okaze de la datreveno de tiu morto multaj el la fidelaj amikoj kaj disĉiploj de la poeto revekis lian karan memoron en diversaj urboj de la franclingvaj teritorioj.

Verhaeren, kiu naskiĝis en St. Amand, edukiĝis en religia atmosfero, ĉar liaj gepatroj lin destinis al la pastreco. Hejme oni parolis france. Li lernis paroli flue la latinan, sed neniam sciis la flandran lingvon. Li studis juron ĉe la Universitato de Louvain. Post nelonga praktikado li forlasis tiun fakon por li seninteresan kaj sin dediĉis tutkore al la literaturo. Li prizorgis la kritikan rubrikon en la novaj revuoj *L' Art Moderne*, *La Jeune Belgique* kaj la *Société Nouvelle*. En tiu lasta, kiun li helpis fondi, aperis granda parto de lia verko. Verdire li posedis tro entuziasman naturon por fariĝi senpartia kritikisto.

Post renkontiĝo kun Antoine Lemonnier, li ekvivis meze de artistoj kaj verkistoj, defiante ĉian socian regulon kaj evitante siajn kreditorojn. Vestita per brilflava silkjako, li venis ĉiutage al la dineoj ofertitaj de Lemonnier, lia tiama intima amiko.

En la jaro 1886 Verhaeren suferis tre gravan nervatakon, sekve de siaj ekscesoj, kiuj lasis lian stomakon en plorinda stato kaj igis ĉiujn liajn sensadojn tre doloraj. Oni tiam devis forpreni la sonorilon de lia pordo, marŝi en la domo kun feltaj pantofloj, kaj zorge eviti, ke la strat-bruoj lin atingu.

Do en la momento, kiam li enpaŝis la simbolismon, li travivis krizon fizikan kaj moralan, kiu ŝajnis ĉion distaŭzi en li. Malsano, dubo, elreviĝo kaj ĉiuj formoj de l' malbono lin samtempe atakis. Post la grandaj esperoj de l' debuto, li malkovris la fatalan mezecon de la vivo. Dum 6 jaroj li vojaĝis en okcidenta Eŭropo en stato de melankolio najbara al frenezeco. Eble neniu poeto esprimis senesperon pli profundan kaj pli kompletan. Kaj en la splena nebulo de London li atingas la fundon de l' pesimismo.

Lia edziĝo en la jaro 1892 havas tre feliĉan influon. Subite per decida flugilbato li sin relevas, fuĝas el la abismo ĝis la serena percepto de la mondo. Ree li konas la ebrion disvolvi ĝoje sian forton meze de la ĝojaj fortoj de la naturo. Li prikantas la neelĉerpeblan vivon, kiun li sentas boli en si. Post rondvojaĝo en eŭropaj industriaj urboj, li verkas sinsekve *Les Campagnes Hallucinées* (la halucinitaj kamparoj), *Les Villes Tentaculaires* (la multsuĉaj urboj) kaj *Les Villages Illusoires* (la iluziaj vilaĝoj).

La ceteron de sia vivo li pasigis parte en Belgujo (somere), parte en Francujo apud Paris. Senhalte li laboradis, ĉiam serĉante la profundan signifon de la multflanka, milforma, eterne varia vivo. »Mi plu vivas nur por scii kaj kompreni« li konfesis en tiu epoko. Sin levante frumatene, Verhaeren aranĝis unue sian korespondadon, poste verkis seninterrompe ĝis la 11-a horo. La reston de la tago li pasigis en konversacio kaj legado. Je la 9-a vespere li retiriĝis por dormi, atente fermante ĉiujn fenestrojn kaj pordojn por forigi de si ĉian eksteran bruon; eĉ neston de najtingalo li plurfoje forlokis, ĉar la kanto de la birdo lin ĝenis.

En la konversacio li disvolvis grandan humuron kaj montris preferon al la temoj pri pentrarto aŭ poezio. Tre sprita rakontisto li estis. Abundgeste li deklamis la versojn, kiujn li dumtage verkis. Fortan inklinon li havis por la ŝercoj, kaj pasion por kartludo, ĉe kiu li friponis kun videbla ĝuo. Li ne tute liberiĝis de superstiĉo. Li vivis sole por sia arto kaj ĉion oferis al ĝi. Sian sanon li zorge atentis kiel devon al sia laboro, kaj eĉ sukcesis sin kuraci de grava stomak-malsano per severa dieto.

Potenca kaj senbride verva, Verhaeren iom krude traktas la lingvon por ĝin konformigi al sia inspiro. Li

enverŝas en ĝin neologismojn, latinismojn, arkaismojn, vortojn kaj esprimojn popolaromajn. Nenio purista, nenio akademia ŝimas en li. Depost Victor Hugo ne troviĝis pli forta kaj pli riĉa imagpovo, ne fluis pli larĝa kaj pli impeta poezi-rivero. Se li iom cedas al Hugo rilate al la perfekteco de l' stilo, li certe lin superas per la profundeco de l' penso.

Lian grandiozan arton, de norda inspiro kaj de franca esprimo, oni ofte kaj trafe komparis al la gotikaj katedraloj de Francujo. Kaj vere liaj poemoj prezentas multajn komunajn trajtojn kun tiuj imponaj, altocelaj ŝton-konstruaĵoj. La aŭtoro estas energia, aŭdaca kaj larĝvida arkitekto; al li mankas ĉia memismo kaj eburturismo. Lia socia inspiro estas spontana, kaj brulanta ĝi eliras el lia vulkana koro.

(V.) S. VESTDYK: ELSE BÖHLER, DUITSCH DIENSTMEISJE (Else Böhler, germana servistino). Plurkiale tiu romano restos la plej kurioza nederlanda libro de la sezono. En periodo, kiam Nederlando gaste akceptas milojn da judoj forpelitaj el Germanujo, kaj kiam eldonejo de Amsterdam publikigas multajn librojn de politikaj forkurintoj ĉefe judaj, la plej morda satiro kontraŭ Germanujo tamen ne eliras el la venĝa plumo de unu el tiuj ekzilitoj, sed el tiu de purrasa batavo, kies stilo memorigas pri Heine aŭ Multatuli.

La problemo ĉe Vestdyk survestas sufiĉe kompleksan formon, ĉar temas unualoke pri germana servistino laboranta ĉe nederlandaj burĝoj. Nur poste, tiu Else Böhler revenos al sia hejmlando spertinte amrilaton kun la heroo de la libro, John Roodenhuis. La romano estas verkita en aŭtobiografia maniero nun tre laŭmoda en Nederlando. Estas John Roodenhuis, kiu parolas kaj rakontas. Kondamnita al morto pro murdo li skribas sian viv-historion en la karcero.

Vestdyk nomas sian heroon »erotika Van der Lubbe«. Tiu komencas sian »Mein Kampf« per kruela priskribo de sia familia vivo en la teda atmosfero de ŝima provincurbo. La aŭtoro ŝajne sentas akran plezuron suferigi la tro streĉitajn nervojn de sia heroo, aŭ pli ĝuste de la legantoj. Ekzemple ĉiun tagmezon Roodenhuis suferas la torturon vidi ĉetable sian patrinon leki la malpurajn kulerojn. Tiu naŭzo eĉ malhelpas lin studi, dum li preparas ekzamenon, post kiu li akiros juristan diplomon. Ankaŭ pro alia kaŭzo li malestimas sian patrinon: ŝi regule invitas najbarinojn kaj John ne povas toleri ilian babiladon. Sian fraton Egbert li kore malamas pro lia ĉikanemo. Nur al sia malsanema patro li sentas simpation sub formo de kompato. Sed tio ne povas ekvilibri lian naturon. Lia malamo etendiĝas el la rondo de la familio al la tuta mondo.

Post kiam li ĝisekstreme nigrigis certan klason de l' socio, la aŭtoro lasas Else Böhler eniri sur la scenejon eble por kuraci la enuon de la heroo. Tiu ekamas Else. Almenaŭ li tion kredas. La tre markita prefero de Vestdyk por la cerbeco ne facile akomodiĝas al la tro simpla klasika amo. La pasio de Roodenhuis ja ne estas fajro brulanta per konstanta ardo. Pli komplika montriĝas lia patologia kazo. Li samtempe amas kaj abomenas Else. En certaj momentoj ŝi aperas al li tute adorinda, dum en aliaj li vidas ŝin banala kaj eĉ triviala. Ŝi ŝajnas enkorpigi plurajn aspektojn de la anĝelo kaj de la demono. Cetere Roodenhuis starigas sian propran sperton kiel universalan leĝon: »Ĉiu amo aŭtomate estigas malamon kontraŭ la koncerna objekto, eble pro ekvilibra fenomeno«.

Fine okazas malstreĉiĝo de la situacio: unue Roodenhuis akiras la diplomon, kiu lin liberigas de la familia obsedo; due Else forlasas Nederlandon por Berlin, kio lin liberigos de tiu konstanta dualismo de amo kaj malamo. La vesperon mem de la disiĝo li ankoraŭ tre koleras kontraŭ ŝi, pro tio ke ŝi ripetadas sensencan vorton. Ŝia foriro ŝajnas tre dezirinda por lia mensa sano.

Tamen ŝin li ne povos forgesi. Li eĉ sentos blindan ĵaluzon al nekonata germano. Ricevinte de amiko kelkajn edifajn lecionojn pri erotikopsikologio, li ne povas rezisti la deziron renkonti Else en Berlin. Nun komenciĝas la aventuroj de nia heroo inter la Goering-oj kaj la Roehm-oj kaj inter la S. A.-junularoj entuziasmaj kaj fanatikaj. Post multaj travivaĵoj li sukcesas retrovi Else sur la scenejo de teatro, kie ŝi deklamas stultan satiron kontraŭ Nederlando. Li ja ne bruligos la teatron kiel faris s-ro Van der Lubbe laŭdire, sed murdos per revolver-pafo la impresarion, kiun li ĵulazas, tiamaniere pravigante sian alnomon.

Tiu lasta epizodo donas al s-ro Vestdyk la okazon direkti multajn sagojn kontraŭ la nova Germanujo. Li diras interalie, ke la germana popolo estas la plej stranga en la mondo, ĉar ĝi ne ekzistas en si mem. Tio estas preskaŭ ripeto de la fama diro de s-ro de Madariaga: »Germanujo, cerbo de potenca volo, estas ankoraŭ fluida kaj necerta, en stato de konstanta transformiĝo«.

## NEW YORK-A TEATRO

(M. L.) La sukceso nenie estas tiom longviva kaj la efekto nenie tiom rapidritma, kiel en New York. La teatroj produktas, de frua aŭtuno, amase la teatraĵojn, el kiuj apenaŭ kelkaj restas vivaj kaj la aliaj pereas post kelktaga baraktado. Tiuj produktaĵoj estas preskaŭ nekompreneble multekostaj. Sub la enspezo de dekmil dolaroj oni apenaŭ povas »teni« la teatraĵon. Ekvivas do nur tiu teatraĵo, kies ekiro estas jam tre bona, sed tiu ja estas jam vere vivipova. La veraj, grandaj sukcesoj ĉiuj estas ankoraŭ pasintjaraj.

Estas interese, ke ĉiuspeca arto de New York klopodas esti aktuala. Ni vizitas la teatrojn unu post la alia kaj apenaŭ ni trovas teatraĵon, kiu ne havus la plej intiman interligon kun la vivo. El la repertuaro de la teatroj — kun escepto sensignifa — mankas ne nur la klasikaĵoj, sed ankaŭ la prezentaĵoj art-por-artaj, des pli tiuj komedioj sentimentalaj, dolĉecaj kaj infanecaj, tiuj amaj idilioj, kiuj nun ankoraŭ — per sia antaŭmilita humoro — regas sur la scenejoj de Eŭropo.

Tio ĉi estas la literaturo de Hodiaŭ, se ne per la profundeco de la problemoj, almenaŭ per la aktualeco de sia temo kaj precipe ĉe la sukcesaj teatraĵoj, per la vere admirinda reĝisora kaj prezentada perfekteco. Sed tion jam delonge ni scias, ke la teatroj de New York estas la plej perfektaj en la tuta mondo. Kvazaŭ en tiu ĉi urbo reviviĝis la granda epoko de la teatroj Berlinaj. Kaj estas ankoraŭ io vere interesa. Ni sentas klare post la studo de unujara filmmaterio, ke la teatro estas neveneebla kaj ĝi tute ne devas timi sian danĝeran konkuranton. La sorĉon de la viva vorto, la movon de la homa korpo, la elektran forton radiantan el la scenejo, tiun plej grandan senperecon de la vivo, neniam povos anstataŭi filmo, kies rimedoj estas tute alispecaj.

»Dead End«, la teatraĵo de la verkisto de »Kuracistoj«, estas de preskaŭ du jaroj, konstante prezentata. Ĝia unusola dekoracio, — la majstraĵo de Norman Bel Geddes — staras jam de tiel longe sur la scenejo, ke ĝi preskaŭ estas viva. Ĝi radias el si la kompaktan odoron de l' vivo. La prezentado iĝis tiel natura, kvazaŭ ni estus ne en teatro, sed dum niaj sencelaj promenoj, ĉe la angulo de iu sakstrato de la New York-a periferio kaj ni rigardus la bubojn, kiuj pasigas ĉi tie sian vivon; saltante kap-antaŭe en la kanalon (en la subo de la orkestro fluas vera akvo) kuniĝinte en trupojn kaj studante antaŭ niaj okuloj la elementan lernejon de la banditismo. La intereso, senco kaj instruo de tiu teatraĵo estas ĝuste tio, kiel tiu duon-dekduo da infanoj forlasitaj de Dio kaj homoj (ili estas senescepte admirindaj aktoroj) puŝiĝas instinkte sur la vojon, ĉe kies lasta stacio ni vidas la figuron de vera bandito, el kiu la policanoj antaŭ niaj okuloj faras kribrilon per pafoj.

En tiuj scenoj estas nenio sentimentala, nenia efektiva instruo; ĝi estas nur brile karakteriza foto de la realo, post kiu ni forlasas la teatron enpensiĝinte. Granda riporto ĝi estas, vera aktualaĵo, kiun ne povas fuŝi la aliaj motivoj: la Sudermann-a prezentmaniero de la supraj kaj malsupraj klasoj, aŭ la sensignifa amhistorieto de la plenkreskuloj rolantaj en la teatraĵo. La tuta prezentado estas

unu el la plej sukcesaj plenumoj de l' amerikaj teatroj. Ni havis la feliĉon travivi tuj poste samefikan komedion en ŝercoj kaj muziko. Tiel ŝajnas, ke la tuta falsa mondo de la Vienaj operetoj pasis por eterne. Kie estas tiuj feliĉaj tempoj, kiam ni havis humoron kaj paciencon toleri la sentimentalajn, sensencajn stultajojn de l' operetfabelo nur tial, ke ni atingu fine la vals-oazon de talenta komponisto. La publiko, edukita per la rapidritma filmo, jam tute ne toleras tion. Oni do kreis por ĝi tiun ĉi novan tipon, kiu havas prefere figurojn ol historion; en kiu anstataŭ aktoj troviĝas bildoj brile komponitaj, situacioj refreŝige amuzaj; en kiun oni povas ĉion loki, eĉ kupledojn malnovajn, prezentatajn tute regule antaŭ la suflorejo.

Sed kia laboro ĝi estas. Majstra reĝisorado en prezentado kaj muziko. Kia serioza fortostreĉo estas la bazo de tiu facila ludo! Estas en ĝi rusa baletparodio, kiu estas pli bona, ol la baleto originala. La primadono estas Tamara Geva, iama dancistino de la Diaghlieff-societo. Ni kuraĝas diri, ke la muziko estas pli varia, pli sovaĝa, eĉ pli arta, ol tiu de la malnova rusa baleto. Roger kaj Hart komponis ĝin. Kaj en tiu dancproduktajo estas grandstila historieto komika: La dancisto-komikisto erarvojas en la baleton, kaj kiel Nubia batalanto li dancas sian sovaĝan dancon, sed li forgesis sin farbi nigra kaj inter la nigrâj korpoj li saltadas kun sia propra privata haŭto. La rigardantoj, kiuj antaŭ kelkaj minutoj sinforgese rigardis la grandiozan prezentajon, nun tenas sian ventron pro la rido. Grandioza danckomikisto estas tiu Ray Bolger, efektiva fenomeno de tiu arto. Mi ne scias, kiam okazis al mi la lastan fojon, ke post la malsuprenrulo de kurteno mi restis sidanta en la teatro. Mi bedaŭris, ke la prezentado estas finita.

Nun ni rigardu la dramojn.

»Idiots delight«, la teatrajo de Robert Sherwood, okupas la duan lokon inter la dramaj verkoj de tiu ĉi sezono. Estas verŝajne, ke ĝi ne estas la plej bona teatrajo de l' eminenta verkisto, sed ĝi estas sendube plena de aktualajo. La historio okazas en Itala Tirolo dum la antaŭa vespero kaj la unua tago de la mondmilito, inter la diversnaciaj homoj nevole restintaj en luksa hotelo. Amaso da pacifistaj frazoj, sed nenia blufo. La atmosfero de la prezentajo estas tre proksima al la komedio. Krome estas en ĝi du lertegaj roloj por Alfred Lunt kaj Lynn Fontanne. Tiuj geedzoj estas veraj akrobatoj de la scenejo. Ili estas precizege ekvilibritaj artistoj kiuj la dialogojn donas kaj ricevas inter si, kiel la ĉinaj jonglistoj la kuglon dancantan sur ilia kapo. Jam de dudek jaroj ili rolas kune kaj ambaŭ estas vere unuaranga materio — miaopinie la virino estas pli bona per nuanco — kaj majstre uzas ĉiun scenejan materialon. Pasintjare en Shakespeare-komedio ili havis la saman sukceson, kian nun en tiu ĉi komedio moderna.

Kontraŭe, la teatrajo de Laurence Housman: »Victoria Regina« estas tre simpla verketo, tute malproksime de tiu vivpleno kaj riĉo, per kiu Lytton Strachey desegnas en sia senmorta libro la figuron de la granda reĝino. La faktoroj de la sukceso estas la ĉefrolanto Helen Hayes en la rolo de la maljuna reĝino, du belegaj dekoracioj kaj la fotografe preciza bildo de la korteganoj el »epoko viktoria«. Kelkfoje ĉiu sceneja klopodo kaj verkista talento ne povas atingi tian sukceson, kian oni lude akiras per kelkaj eksterajoj. La tuta afero dependas nur de la feliĉo kaj, ŝajne, Gilbert Miller havas feliĉon.

Sed la plej sukcesa estas ĝis nun la »Tobacco Road«, kiun eksterlandano rigardas mire, — ĉar nenion li komprenas el ĝi. Nek la teatrajon mem, kiu estas verkita en plej malproksima georgia dialekto, nek la sukceson, kiu rekompencas tiun ĉi verkon, pli ĝuste verketon. Ĝi konigas la strangajn figurojn de pejzaĝo tute forlasita, ekster la landvojo de amerika civilizo, kie la mizero forviŝas la limojn de la morala vivo, tiel ke la ĉifona patro rigardas natura sian amardon al sia propra filino.

Fin-fine ni sukcesis vidi ankaŭ fiaskon. Ni rigardis la plej novan produktajon de Norman Bel Geddes: »Iron Man«. Ni tute ne bedaŭris tion, ĉar ni ne vidis ankoraŭ multe da pli interesaj spektakloj. La scenejo prezentas konstruadon de »ĉielskrapulo«. La ŝtalskeleto estas pli kaj pli alta en ĉiu akto, veraj elevatoroj liveras por ĝi la materialon. Finfine la aktoroj grimpadas sur ŝtalstangoj en la plej altaj partoj de la scenejo, kaj oni ne kuraĝas rigardi ilin, timante ke ili falos surteren. Kaj inter la stangoj daŭras la agado de la dramo, kiu ne estas tre malbona, — la sorto de divers-karakteraj laboristoj estas en ĝi sufiĉe bone karakterizita. — Sed la prezentajo eĉ dum momento ne povas konkuri kun la tro bona kaj tro reala dekoracio, kaj ĝuste tial, ke ĝi rolas kiel faktoro memstara, neeviteble ĝi fiaskigas la teatrajon mem. Norman Bel Geddes igis roli en iu ĉefrolo profesian ferlaboriston, kiu plenumis ne nur fizikan laboron kun perfekta iluzio, sed ankaŭ kiel aktoro estis surprize eminenta. Estas ja sendube, ke kiel laborgvidanto de »ĉielskrapulkonstruado« li estus ĝin prosperiginta, sed sur la scenejo la homoj pretendas multe pli. Oni serĉas ne la realon, nur ties iluzion, kiun la efektiva realo nepre kaj senskrupule detruas.

Ni estus devintaj ankoraŭ rigardi la grandan Hamletduelon, kiu tute similis la eksterajojn de boksmitingo. John Gielgud kaj Leslie Howard, estas ĉi tie tre popularaj; oni vetis 3:1 kontraŭ Gielgud, Sed ni, kiuj vidis pasintjare Gielgud en London, estis certaj koncerne la rezulton. Tiu juna angla aktoro estas la plej bona Hamlet-aktoro en la tuta mondo, ĉe lia romantika emfazo, Howard — kvankam ankaŭ li estas tre bona aktoro — aspektis laca negocisto. Je la fino de la unua semajno la rezulto estis nediskutebla. Kontraŭ 19.000-dolara enspezo de Gielgud, Howard atingis nur 10.000. Ĉu oni bezonas ankoraŭ pli elokventan artan rezulton?

## EUGENE GLADSTONE O'NEILL

estas unu el la ricevintoj de la literatura Nobel-premio. Kaj li signas siajn aŭdacajn vizitojn sur la teatra scenejo kiel »Nobel-premiita maristo«. Sed tiun sendependecon materialan al tiu alta, larĝŝultra amerika sinjoro la sorto donis, eble por lin rekompenci pro la teruraj provoj junaĝaj. Ĉu estas homo, kiu ne konas lian vivon abunde pritraktitan sur la kolonoj de diversaj revuoj? Ni komencu per la edzeca trompiĝo de la dudek-unu-jara junulo, kio lasis en li memorojn neniam pereantajn kaj stigmis lian tutan vivon. Post tiu dolora sperto li fuĝis el la civilizita mondo al la orkampoj de Honduras, kie, malgraŭ la sovaĝaj instinktoj prahomaj, la atmosfero ŝajnas pli bona. Dum ses monatoj li perlaboras sian vivon tie per metio vere ne konvena al li, por reporti kun si dumvivajn malariajn atakojn. Poste li ŝtelas sin sur ŝarĝŝipon ekspedantan bovojn. Sed liajn kalkulojn: esti »senpaga vojaĝanto« trastrekas la ŝipestro ĝuste en la momento de l' alveno.

Kiel ŝajnas, li havis ĉiam pli kaj pli novajn rolojn en sia vivofilmo. Buenos Aires estis la stacio de unu el la plej korpremaj vivodramoj. Ĉi tie ni vidas nur en malhelaj konturoj la trajtojn de la dramheroo, superŝutita per la ondoj de l' vivo. Ne ekzistas perlabora eblajo, kiun li ne estus provinta. Barkelnero, komercisto, harmonikisto — kun vizaĝo kolorigita — en orkestro, kaj ankoraŭ ĉio, kion oni nur povas imagi. Finfine, post multaj suferoj, li dungiĝas kiel maristo sur loka ŝipo en New-York kaj tie ĝuas ĉe l' unua fojo la diablan narkotikon de verkado.

Por kelka tempo, ŝajne, lin tedas la eterna migrado. Li vojaĝas hejmen al sia maljuna patro. Tiel li aliĝas al la trupo de migrantaj aktoroj nekredeble mizeraj kaj rolas kiel ĉefrolanto, reĝisoro, afiŝgluanto, bonvivanto kaj amorozo. Ni devas konfesi; tiu ĉi vivo estis unuaranga lernejo ekkoni la arton de sceneja profesio kaj ties milkolorajn, senfine variajn sekretojn. Kaj estas fakto, ke inter ĉiuj siaj skriboj ĝuste per siaj dramaj verkoj li sukcesis skui la animon de Ameriko. Inter tiuj dramoj La »Strange Interlud« estis la unua, kiu donis al la verkisto mondfamon.

Pri kio temas la »Stranga Intermezo?« Juna knabino batalas kontraŭ la antaŭjuĝoj, sociaj konvencioj kelk-

ĉent-jaraj — spite al sia patro. O'Neill metas jenon tezon en la akson de sia teatraĵo: kiaj krizoj povas okazi kaj okazas en la anima konstruo de l' hodiaŭa generacio — kontraŭ la »antaŭjuĝaj bastionoj« de la hieraŭa generacio? Li atingas ĉe la konkludoj kelkfoje gigantajn suprojn, kiel ekzemple ĉe tiu parto, kie el la profundo de dramaj konfliktoj li akcentas senekzemlajn verojn, kia estas la konflikto de l' Hodiaŭo kun la generaciaj, kaj sociaj konvencioj de eterna Hieraŭo. La juna knabino — ĉef-rolantino de la dramo — iĝos virino. Ŝi havas infanojn, kiuj kreskas, kaj travivas la samajn animajn konfliktojn, kontraŭ kiuj ankaŭ ilia patrino batalis kaj spitis dum siaj knabinjaroj, kun hararo falanta en la okulojn. Sed la tempo, tiu ĉi granda majstro-instruisto kaj formokonstrua artisto, alportas finfine — trans la vanaj bataloj kaj elreviĝoj — la venkon. La patrino devas pravigi la infanojn kaj kapitulacii antaŭ iliaj postuloj. Kiu vidis tiun teatraĵon konstruitan per senkomparaj generaciaj simboloj, tiu ne povas eviti la sugestan povon de ĉi tiu diable talenta amerikano. Ankaŭ la »Dynamo« kaj »Dio donis flugilojn al ĉiu sia infano« aperigas prajn homklopodojn kaj mirinde belajn motivojn, farante la aŭtoron plene merita al la nun apenaŭ diskutebla decido de la Nobelkomitato.

KULTURA VIVO EN BEOGRAD (aŭtuno 1936)

Krom la »Popolteatro«, kiu servas por oper-kaj dramprezentadoj, laboras en Beograd ankoraŭ aparta popola dramteatro, kaj speciala rusa scenejo en la »Rusa domo«.

Ankaŭ ĉi tiu teatra sezono komencis sub la influo de konkurado kun la kinoj. Malgraŭ la enkondukita, t. n. teatro-dinaro, kiun devas pagi en la teatro-kason ĉiu kinovizitanto kaj per kiu la teatraj enirprezoj malaltiĝis, la publiko daŭre pli ŝatas la kinon, tiel ke plendoj pro neplena teatra aŭditorio ne ĉesas. El la operoj estis surscenigitaj »Traviata«, »Dalibor«, »Lohengrin«, »Tannhäuser«, »Othello«, k. a. La opero disponas pri fortaj solistoj, kanthoro kaj baleto. Krome en ĝi gastas kutime aliurbaj aŭ eksterlandaj solistoj, inter ili la internacie jam konata tenoro Rijavec. La opero perdis sian direktoron en persono de Stevan Ĥristić, samtempa komponisto. Pro nervatako li provis per tondilo mortigi sin en sia teatra oficejo. La kaŭzo restis nekonata. Oni enkondukis punprocedon, en kiu estis implikita ankaŭ la edzino de Ĥristić, s-ino Ĥristić-Rogovska iama operkantistino. La punprocedo estis poste ĉesigita, tamen la rezulto de la afero estis, ke Ĥristić devis foriri el la opero. Lin anstataŭas la konata slovena dirigento Brezovŝek ĝis la alveno de nova direktoro.

La dramon superregas la komedioj de Nušić, la konata serba komediografo, kiu per sia »Sinjorino ministredzino« famiĝis ankaŭ eksterlande. Kiel novaĵo inter aliaj, menciinda estas »La prisorĉita reĝo« de Teodor Manojlović, kies temo estas prenita el la revolucia periodo en la germana urbo München el la jaro 1848. La ribelon, laŭ Manojlović, elvokas ne demokrateca burĝaro aŭ laboristaro pro ekonomiaj kaj politikaj kaŭzoj, sed la korfavoratino de reĝo Ludoviko I., la baletistino Lola Montes, pro kiu la reĝo perdas sian tronon. Efektive tiu amo estis nur epizodo, sed ne la motoro de l' ribelo, kiel tion substrekis la kritiko. La rusa teatro malfermis siajn pordojn en la »Rusa domo« per la historia tragedio de Tolstoj »La morto de Johano la Terura«. Tiu teatro staras sub la sperta gvidado de Paŭlov kaj s-ino Greĉ, iamaj membroj de la »Moskva artoteatro«.

Rilate la teatran kritikon ni rimarku, ke ĝi riproĉas la dramverkistojn kaj la popolteatran dramestron, s-ron Vesnić, ke ili fuĝas tro en la pasintecon kaj en la sferojn de mistiko kaj metafiziko, anstataŭ prilabori kaj prezentadi dram- kaj tragedi-riĉajn motivojn el la nuntempo kun ties sangaj realoj, abundo de interesaj eventoj kaj socialaj konfliktoj. Tiusence sentiĝas ioma krizo, kiu tamen neniel signifas malsanon, sed ĉiaman pliboniĝon. Ĉiokaze ni ne preterlasu diri ion pri la sociala vivo de la aktoroj. Antaŭnelonge okazis la jarkunveno de Beograda sekcio de unuiĝo de aktoroj el Jugoslavio, en kiu estas unuigitaj ĉiuj dram- kaj operartistoj de la lando. El la raporto de kasisto de Beograda sekcio ni ekscias, ke ĝia jarenspezo sumas 32.500 dinarojn. El tiuj sumoj estas subtenataj kulturaj kaj socialaj celoj de la organizo. En interkonsento kun la teatrestroj, la aktora organizo proponadas ĉiajn necesajn paŝojn por la atingo de kiel eble plej solida kaj intima kunlaborado de la tuta aktoraro en la kampo de komuna arta celado.

Fine estas menciinde, ke inter Beograd kaj Sofia okazas reciproka gastado. Antaŭ nelonge prezentis sin al la Beograda publiko unu el la plej esprimriĉaj bulgaraj dramistoj, Krsta Sarafov.

Por la koncerta vivo vokala kaj instrumenta staras je dispono plej moderne instalita salonego de popoluniversitato, konstruita el la fondo de mort. Kolarac kaj laŭ li nomata »Kolarac-fondo«. La sezono de vokalaj koncertoj estis malfermita per la infanhoro »Trbovlja najtingalo«, el slovena karbregiono, kiu laŭde solvis sian programon de ĉefe slovenaj komponistoj, sub gvidado de la sinofera dirigento S. Aŭgust Šuligoj. Tiu koncerto pruvis, ke el kruda infana voĉmaterialo oni povas fari horon, kapablan suriri ĉian internacian scenejon. Ilin sekvis serba kantsocieto »Konkordo« el Dubrovnik, la konata marbordurbo de Adria. Tiu mikshoro per sia bonstila interpretado de kantoj elvokis intiman sentemon, funde impresantan la aŭdantaron. Kun plena admiro nia muzikema publiko ankaŭ ĉijare havis plezuron aŭskulti la disciplinitan kanthoron »Slovakaj geinstruistoj« kies alta kantkulturo estas ja internacie konata. Kiel solistoj aperis antaŭ nia publiko kune en unu koncerto la konata itala tenoro s-ro Kristi Solari kaj profesoro de Zagreba muzika akademio s-ro Vrbanić; la unua kantis hispanajn, la dua italajn kantojn.

Koncerne la instrumentajn koncertojn, estas unuavice notinda la gastado de Berlina Kamera Orkestro, kiu brilis per tiaj subtilaj fajnoj de orkestra stilo, kiajn nia urbo ankoraŭ ne kapablas produkti. Por tia kapableco necesas longedaŭra tradicio. Okaze de la Radio-ekspozicio, la Radio-orkestro, plifortigita per membroj de opera orkestro, aranĝis simfonian koncerton sub la gvidado de s-ro Mihajlo Vukdragović, profesoro de muzika lernejo »Stanković«, kun la violon-solo de s-ino Marica Mihajlović, same profesoro de la nomita muziklernejo. Sekvis la gastado de fama Drezdena instrumenta kvarteto kun sia riĉa arto, perfekta teknika sperto kaj stilo, kiujn ecojn ĝi montris per muzikado de ĉefverkoj de mondmuzika literaturo: Beethoven, Brahms kaj Debussy. — La »Jugoslava Muzika Societo« el Zemun, okaze de sia 10-jara jubileo, dediĉis memorkoncerton al klasika muziko kaj al nia moderna muziko. Apartan mencion meritas la koncerto de popoluniversitata muzikkurso, dediĉita al verkoj de Konjović, Milojević, Slavenski, Živković kaj Nastasijević. Antaŭiris la koncerton la prelego de la komponisto Konjović pri muzikaj problemoj sub titolo »Muzika folkloro, ĝia valoro, pureco kaj interpretado«. La prelego ne estis

## SERENE

Tristan Bernard rakontas:

En mia junaĝo foje mi perlaboris kelkmilojn da frankoj. Mi transdonis ilin al Banque de France. Fiera mi iris tien ĉiutage kaj feliĉe okulumis al la bajonetportanta soldato antaŭ la konstruaĵo de la ŝtata banko. Li gardas mian monon! Iun tagon mi elprenis cent frankojn, poste denove cent... kial beligi la aferon... dum kelke da semajnoj konsumiĝis la ŝparita mono. Kiam mi forportis la lastajn kvindek frankojn el la banko, mi paŝis al la postena soldato, metis la manon sur lian ŝultron kaj diris:

— Dankon, kara amiko, vi povas jam hejmeniri...

tiom scienca, kiom ĝi estis batalkrio por la estetiko en muziko kaj kontraŭ ĉiu banala disformado de muzika folkloro. La muzikan naciismon la komponisto vidas ne en tendenca irado al naciismo, alidire, ne en tio, ke oni *volas* esti naciisto, sed en la volo, esti, laŭ la naturo de sia talento kaj spirito, unue artisto kaj nur poste artisto de nacia orientado. La preleganto avertas pri la detrua rolo de mekanika muziko (radio kaj gramofono). Pro tiu kritiko ekestis polemiko, en kiu la radio-defendantoj kontraŭargumentis la tezon de s-ro Konjović, sin apogante al la tezo de Jan Riŝar Blok kontraŭ Diamel, en kiu la unua defendas la radiokoncertadon, motive, ke ĝin aŭskultas ne nur kelkaj centoj en salonoj, sed milionoj de sennomaj nekonatoj, kiuj en diversaj vilaĝaj anguloj kaj mallumaj urbaj periferioj en sia libera tempo ĝuas la belecon de muziko. Tiel la radio altiras al la muziko plej vastajn amasojn kaj per tio donas mortbaton al malaltaj muzikvalorajoj. Tial ankaŭ ni ne deziras en ĉi tiu raporto prisilenti la koncertajn aranĝojn de la radiostacio, kiu precipe per sia transmisio de altvaloraj interkontinentaj kaj internaciaj radiokoncertoj plej efike agadas por la popularigo kaj internaciigo de arta muziko. La kulminon atingis la muzikado per la aranĝo de la unua simfonia koncerto de l' reorganizita Beograda filharmonio, konsistanta el 75 niaj plej bonaj muzikistoj. Tiu unua koncerto, gvidata de rumana majstro de dirigenta bastoneto s-ro E. Masini, estis plejparte dediĉita al la verkoj de la rusa komponisto Aleksander Skrjabin (1872—1915).

Kiel ĉie, ankaŭ en Beograd, la kinovivo estas ĉiam vigla. Laboras 13 kinoj kaj ĉiuj bone vizitataj. Pro sia arteco elstaris precipe du kulturaj filmoj, unu eksterlanda »Pasteur« kun la priskribo de la vivo de l' konata scienculo, kaj dua, la unua hejma kulturfilmo, titolita: »El la reĝejo de Orkornulo« (fabela nomo por ĉamo). Ĝi estis farita de turista klubo »Skala« (Roko) en Slovenujo kaj priskribas, sub la gvidado de muzika profesoro Ravnik la alpan regionon de Slovenio kun ĝia plej alta pinto »Triglav«. Ĝi instruas pri slovena terkulturo, industrio kaj alpa mastrumo kun samtempa tuŝo de sociala vivo de kamparanoj, laboristoj kaj paŝtistoj.

*-ĉiĉo.*

## DEZSŐ KOSZTOLÁNYI.

Antaŭ nelonge mortis Kosztolányi, kiu kun Ady kaj Babits formis la grandan hungaran poeto-trion de la antaŭmilitaj jaroj. Jam lia unua poem-libro (1907) vekis surprizon per la eleganteco de la formo, per la individua koloro de la stilo, per la mistikema koncepto de la vivkaj naturbildoj. La plej grandan eksteran sukceson rikoltis lia poemlibro »Lamentoj de kompatinda knabeto«, en kiu li kantis pri la knabaĝaj postrestajoj vivantaj en ĉiu homo: pri la rememoroj, sentimentoj, pri la cikatriĝintaj kaj tamen de tempo al tempo renoviĝantaj vundoj. La »Hungara Antologio« prezentas multajn poemojn el ĉi tiu ciklo. Liaj postaj poemlibroj (»Magio«, »Papavo«, »Pano kaj Vino«, »La lamentoj de trista viro«, »Nude«) montras interesan miksajon de subjektivismo, ludema kaj ofte bizara formkulto, patoso ĉiam marŝanta sur vojo inter vivo kaj morto kaj acerhumoraj, ofte preskaŭ cinike facilaj formludoj. El liaj prozaj verkoj precipe distingiĝas: »La sanga poeto«, romano pri Nero, prezentanta al ni la tragikan bildon de diletanta poeto, kiu havas ĉiun potencon krom la plej dezirata: la sankta donaco de la poezio, kaj kiu ĝuste pro tio faras la plej terurajn kruelajojn; la »Alaŭdo« temas pri la tragikomedio de malbela knabino; »Anna Édes«, kiun jus oni scenigis kaj prezentis ankaŭ en la teatro, parolas pri la dezerta, malhela kaj tragika sorto de Budapeŝta servistino (ŝi estas vere la »perlo« de servistinoj kaj ĉiu misuzas ŝin: la »juna sinjoro« ŝin delogas, la »sinjorino« malhelpas per siaj konsiloj ŝian edziniĝon al brava metiisto, ĉar ŝi ne povus trovi tiel bonan servistinon. Kaj fine tiu milda, servema, diligenta, naiva animo iel ribelas kaj murdas sian sinjorinon).

La ĉi-numere publikita noveleto ne apartenas al la grandaj valoroj de la verkisto, sed ĝi sufiĉe bone montras unu el liaj karakterizaj »motivoj«, kiu ofte revenas en liaj verkoj: la malico, la aĉa tiraneco de la senvivaj ajoj super la homo.

*(ps)*

La filmo febre serĉas novajn temojn. Tio jam estas konstatite. Sed tiuj temoj ofte adaptiĝas al la tuta cirkonstancaro de la mondo. Kaj tio povas esti io nova por multaj kinovizitantoj.

Se mi rememoras la pasintjarajn filmojn, prezentitajn en Budapest, mi devas konstati, ke plej multo da ili estas ja la malnovtemaj priamaj filmoj, sed tuj poste sekvas ne la detektiv-, sed la primilitaj filmoj. Ĉu historiaj (en kiuj milito tamen ludas ofte ĉefrolon), ĉu spionaj, ĉu priarmeaj, la filmoj volas tamen alkutimigi denove la penson *milito*, aŭ adaptiĝi al tiu cirkonstanco, ke oni pensas multe pri la milito.

Ni memoru nur la multajn — sendube bonajn — amerikajn filmojn, kiuj prezentas la vivon de la armeo, speciale tiun de la maristoj alloge, kvazaŭ belegan ferion kaj ankaŭ la amerikajn historiajn filmojn!

Sed ni memoru ankaŭ la amerikajn historiajn filmojn, kie la armeo havas gravan rolon kaj fine la germanajn UFA-filmojn kun la vere bone reĝisoritaj scenoj plej ekscitaj pri la vivo de spionoj, pri veraj militoj mem.

Kompreneble apud tiuj filmoj oni trovas ankoraŭ kvanton da aliaj. La »Senkulpuloj?« el Ameriko, la Kiel Plaĉas al vi? kun Elisabeth Bergner el Anglujo konkuras kun la francaj filmoj, kies delikateco kaj arteco eble superas ĉiujn filmojn. La francoj ja laboras kun ne multekostaj filmoj, ĉe ili la aktoro kaj reĝisoro estas la ĉefajo kaj ne la kulisoj kaj nombro de helpaktoroj. Tiaj samaj filmoj devus esti ankaŭ la hungaraj, kiuj ekzistas nur de kelkaj jaroj kaj nun atingas la kvaliton, kiu permesas, ke iu aŭ alia estu prezentata ankaŭ en aliaj landoj. Eble la plej bona hungara filmo de la pasinta jaro estas la »Datreveno«, kun ne tute banala temo kaj bonaj aktoroj. Ĝi certe trovos ĝuantojn ankaŭ aliloke.

Inter la temoj muzikaj nepre gvidis en la pasinta jaro la UFA-filmoj. La malgranda akompana filmo kun la horo de la kozakoj el Don estas emocia travivajo por la muzikamanto. Kaj la filmo kun la »Sängerknaben« (Kantantaj knaboj) el Wien estas tre ĉarma. Kompreneble gvidas ankaŭ en Budapest la filmoj kun la tamekonataj kantistoj ĉe la solkantoj, sed ĉe orhestroj kaj horoj gvidas la germanoj.

Kiel etan sensacion ni notu la renaskiĝon de aktorino *Lil Dagover*, kiu jam foje finis sian karieron pro maljuneco kaj nun denove ludas en la UFA-filmoj virinojn ĉefheroojn! kies beleco velkas... Ŝiaj filmoj estis prezentataj kun tre bona sukceso en la kinoj de Budapest.

Kompreneble la plej nova sensacio estas la grandaj, desegnitaj, koloraj filmoj kaj ankaŭ la koloraj filmoj ĝenerale.

Ni esperu, ke ĉijare ni povos registri ne nur teknikajn progresojn, sed ankaŭ progreson de la temoj al pacaj tendencoj.

---

## NIAJ REPREZENTANTOJ:

**AUSTRIO:** Rudolf Foltanek, **Wien,** I. Herrengasse 2—4. Poŝtkonto nro 19.704

**AUSTRALIO:** L. E. Thomson, p. a. R. G. Rawson, **Melbourne** 169 Exhibition Str.

**BELGUJO:** Belga Esperanto Instituto, **Antwerpen,** 21, Willemstraat. Poŝtkonto nro 1689.58.
Flandra Esperanto-Instituto. **Kortrijk,** Magdalenastraat 29. poŝtkonto nro 3268.51.

**BRITUJO:** Brita Esperantista Asocio **London** W. C. 1. 142. High Holborn

**BULGARUJO:** Centra Librejo »Esperanto« **Sofia** str. Maria Luiza 38.

**ĈEĤOSLOVAKUJO:** Esperanto Asocio en ĈSR. **Praha** XIX. 417, Uralské nám. Poŝtkonto: Praha 1237.

**DANUJO:** Isosek, sro L. Friis **Aabyhöj,** Frodesvej 21. Poŝtkonto nro: 16295.

**ESTONIO:** Helmi Dresen, **Tallinn,** Poŝtkest 6.

**FRANCUJO:** Centra Esperanto Librejo **Paris** 6e, 11 rue de Sévres
Poŝtkonto: Libraire Centrale Esp.-iste, Paris nro 19601.

**GERMANUJO:** Poŝtĉekkonto de Vilmos Bleier, **Berlin** 138084

**HISPANUJO:** Ferdinand Montserrat, **Barcelona,** str. Provenza 75, 2—3a

**ITALUJO:** Itala Esperanto Centro **Milano,** Galleria Vittorio Emmanuele II. 92
Poŝtkonto: Milano, c/c postale 3/18715.

**JUGOSLAVUJO:** Sudslava Esperanto Servo **Zagreb,** Primorska 11.
La Suda Stelo **Slavonski Brod** Poŝtfako 44.

**LATVIO:** Talivaldo Indra, **Riga,** Kr. Baronas ielā 104 dz. 19. Poŝtĉekkonto nro 7.

**NEDERLANDO:** Nederlanda Esperanto Centro. Rotterdam W. Schiedamschewe 209 b. Poŝtĉekkonto nro 272818.

**NORVEGUJO:** Norvega Ligo Esperantista, Librofako. Sro John Johanessen, **Hamar,** Skappelsgt. 5.

**POLUJO:** Halina Weinstein, **Warszawa,** str. Leszno 99. P. K. O. W. Nr. 27867.

**PORTUGALIO:** Saldanha Carreira, **Lisboa,** Av. Duqué de Loulé 503

**RUMANUJO:** Esp.-Instituto Rumana, **Cluj,** str. **Bravilor** 15

**SVEDUJO:** Förlagsföreningen Esperanto, **Stockholm,** 1. Fack 698 Poŝtĝirokonto nro 578.

**SVISUJO:** Nova Esperanto Grupo, f-ino Halter Prisca, Katharinengasse, 11. **St. Gallen.**

**JAPANUJO:** Japana Esperanto Instituto **Tokio,** Hongoo—Motomaĉi I. Poŝtkonto: Tokio 11.325.

**USONO:** Amerika Esperanto-Instituto Rockford (Illionis) 1111 Brooke Rd



LA INFANO EKKONAS

la ĉirkaŭantan mondon per konstanta, senkonscia, luda studado. Sed kun la forlaso de la infanaĝo tiu ĝoja stato ankaŭ foriras.



LA PLENKRESKULO EKKONAS

jam la pli komplikajn sciojn nur per konstanta celkonscia studado. Malgraŭ la penoj li tamen devas ekkoni la novan mondon, kio estas ĉirkaŭ li.

VI ESTAS PLENKRESKULO

VI ESTAS EN NOVA MONDO

en nia amata Esperantujo, kiun vi plezure ekkonus profunde. Por fari facila tiun konatiĝon, ekzistas sole la verkego



ENCIKLOPEDIO DE ESPERANTO

kiu montras al vi fidele, senpere kaj kun eta peno,



EGALVALORE AL PLENA BIBLIOTEKO

la interesajojn de Esperantujo.

Sub la redaktado de V. Bleier kaj L. Kökény aperis jam du volumoj sur 640 densege presitaj paĝoj kaj 272 kliŝopaĝoj. Nun estas prilaborata tria volumo, entenanta aferojn, okazintajn en 1931—1936. kaj kompletigon al kelkaj artikoloj.

La verkon eldonis *Literatura Mondo*, Budapest, IX. Soroksári-u. 38. Prezo de la du unuaj volumoj estas USA dolaroj 6.— broŝurita kaj 6.80 bindita. Aldonu 10% por sendkostoj.

Liveras ĉiuj esperantistaj librovendistoj. Detalan prospekton sendas senpage la eldonejo.



Felelős szerkesztő és kiadó: Bleier Vilmos. — Pestvidéki Nyomda Vácon. — A nyomdáért Bénik Gyula felelős.